# LA PROGRESADO

DE LA

# PILGRIMANTO

DE TIU ĈI

# MONDO ĜIS LA VENONTA.

RAKONTITA KVAZAŬ SONĜO
DE JOHANO BUNJANO
(1628—1688).

ESPERANTIGITA
DE

JOZEFO RHODES, Esp. 5260.
*(Membro de la Lingva Komitato ; Fratulo de Brita Esperantista Asocio kaj de Instituto de Ĵurnalistoj ; Prezidanto de The Esperanto Society, Keighley, Anglujo).*



STEAD'S PUBLISHING HOUSE,
39, WHITEFRIARS STREET, LONDON.

AL KARA EDZINO MIA,
KUNLABORANTINO POR LA SANKTA AFERO.

# BIOGRAFIETO DE JOHANO BUNJANO

## (JOHN BUNYAN).

JOHANO BUNJANO, "la blasfemema lutisto (riparisto de boliloj) de Elstovo" (Elstow), vilaĝo de la Bedforda provinco en Anglujo, naskiĝis en la jaro 1628ª, studis en senpaga unuagrada lernejo, lernis le metion de riparisto, kaj post sia 17ª jaro varbiĝis en la militistaron de Olivero Kromvelo, kaj batalis dum la Interna Militado. Edziĝinte, li fariĝis drinkulo kaj entuziasma sportulo je la dimanĉo. Voĉon el la ĉielo li aŭdis riproĉi lin, kaj piulino malaprobis lian blasfemadon. Terurigita pri tio, li sincere pentis kaj fariĝis piulo mem, kaj poste predikisto vojaĝanta inter la Bedfordaj vilaĝoj, kiel Baptisto. Ĉar la severaj tiamaj leĝoj ne permesis tian predikadon, Bunjano estis malliberigita dum 12 jaroj. Poste oni denove malliberigis lin, kaj en tiu tempo li verkis, en la malliberejo, "La Progresadon de la Pilgrimanto"—verketo, kiun oni tradukis en la ĉefajn lingvojn de la mondo civilizita. Li verkis en sumo ĉirkaŭ 60 librojn, inter kiuj troviĝas aldono al la "Progresado." Bunjano mortis la 31an de Aŭgusto, 1688an, kaj oni enterigis lin en Londono.

---

Decas, ke tia rimarkinda verko de la angla metiisto estu legebla de la Esperantistaro pro ĝia sincereco kaj talento. La stilon, iom strangan, la tradukinto celis konservi laŭ sia kapablo, eĉ en la versaĵoj, kaj petas la indulgon de la legontoj pri liaj mankoj en tiu rilato. En tiu tempo, oni kutime uzis "ci."

Oni devas kore danki Sinjoron W. T. Stead, la faman redaktoron de "Review of Reviews"—kiu tiel bone helpadas la anglan propagandadon de Esperanto—por la permeso uzi la bildojn, kiuj aperis en "The Pilgrim's Progress" (No. 8 el la admirinda serio da Libretoj por Infanoj—"Books for the Bairns").

KEIGHLEY. 1907an.

Vidu la Revuon dua jaro paĝo 282.

# LA PROGRESADO DE LA PILGRIMANTO.

## La Aŭtora Apologio por lia Libro.

Unue kiam plumon mi manprenis
Skribi tiel, mi tute ne komprenis
Ke fine verkus mi libreton tian,
En modo tiu ĉi ; fari alian
Mi entreprenis, kaj ĝin ekfinante,
Iel la nunan verkis, nesciante.
Traktante pri sanktula raso, agoj,
En tiuj ĉi evangeliaj tagoj,
Alegorio kaptis la animon,
Pentris ĉielan vojon kaj pilgrimon.
Dudek kaj pli da pensoj mi eltiris ;
Farinte, dudek pli kapon eniris ;
Kaj tamen ili tiel multobliĝas,
Kiel fajreroj el la karb' fariĝas.
Mi pensis, tiel rapidnaskiĝante,
Mi vin vicigas, orde aranĝante,
Pro timo ĉar ili tiel eliras
Libron sufokos, kiun mi preparas.
Tiel mi verkis ; kaj je la komenco,
Sen, pri eldono, ia ajn intenco ;
Mi nur konstruis—mi ne sciis kion ;
Najbaron plaĉi ? Ne, sed faris ion
Por plaĉi min, tial Alegorion !
Mi nur al ĝi liberan tempon donis ;
Skribante laŭplezure mi proponis
Animon mian distri per agado
De tia speco el malbonpensado.
Plumon, paperon, mi tre ĝoje prenis ;
Laŭ la fluanta inko pensoj venis,
Ĉar per metodo bona mi ŝpinadis
La temon jenan, kiun mi skribadis,
Ĝis fine fantazio plumon gvidas
Al la amplekso, kiun oni vidas.

Nu, post la tuto estas kunmetita,
Mi volis, ke ĝi estu elmontrita
Al kelkaj, por kondamno aŭ aprobo ;
Dum iuj diras, "Presu !" malaprobo
Venas el kelkaj, kiuj malbonon timus,
Se pensojn miajn mi tiel esprimus.
Pro tio mi ŝancelis, kaj ne vidis
Kion plej bone fari, sed rapidis
Konkludi, "Ĉar vi estas dividitaj
La paĝoj jenaj estu ja presitaj.
Ĉar evidente kelkaj tion volas,
Kvankam aliaj ĝin kontraŭparolas.
Konsilo bona kie, do, sin trovas,
Mi per metodo mia certe provas."
Plie, mi pensis, se mi ne konsentos
La homojn plaĉi, kiujn ĝi kontentos,
Mi ilin tiel nur malhelpus havi
Libreton, kiu ilin povus ravi.
Pri homoj konsilantaj : "Ne forsendu,"
Respondis mi : "Vin mi ja ne ofendu ;
Ĉar viaj fratoj libron mian ŝatos,
Atendu ĝis efekton vi konstatos.
Se vi ne volas legi, savu koston ;
Kelkaj viandon, kelkaj mordas oston."
Kaj trankviligi ilin la pli bone,
Mi ilin paroladis laŭrezone :—
"Ĉu mi ne povas skribi tiastile ?
Tiametode trafi mi ĝentile
La celon, cian bonon ? Kio neas ?
Malhelaj nuboj, ne la helaj, kreas
Ofte la pluvon ; se el ia fonto
Arĝentaj gutoj falas—kaj la monto
Kaj valo donas fruktojn el la tero,
Laŭdantaj ambaŭ ilin pro livero
Tiel ŝatinda ; kaj la tero frukton
El ĉiu intermiksas, kaj produkton
Manĝas komune, kaj ĝin bono nomas ;
Sed sata, ŝi la ambaŭ nur elvomas.
Rigardu kion fiŝkaptanto faras,
Kiajn la ilojn, kiujn li preparas !
Observu pri la hokoj kaj ŝnuretoj,
Kiel pri muŝoj zorgas li, kaj retoj ;

Sed estas fiŝoj, kiujn ŝnuro, hoko,
Nek ia ilo povas el la loko
Delogi; per la mano oni trovas,
Tiklas, kaj kapti ilin poste povas:
Faru alie—ili ne elmovas.
La birdkaptanto, ankaŭ, por altiri
Ĉasaĵon sian—mi ne povas diri
Pri retoj, gumoj, lumo, sonorilo;
Rampado, iro, staro; pri pafilo;
Teniĝoj strangaj. Sed, tre certe estas,
Li per rimedo ia ne arestas
Birdetojn ĉiujn; kelkajn li allogas
Fajfante, dum aliaj tuj forflugas.
Se bufan kapon povas loĝi perlo,
Kaj ankaŭ trovas sin en ostra ŝelo;
Se foje ŝajne nevalora havas
Valoron super oro, kiu povas—
Se nur pri tio oni iom konas—
Rifuzi serĉi lokon, kiu donas
L' aferon mem? Nu, jen libreto mia!
Pentraĵo en ĝi montras sin nenia
Alloga: tamen vere ĝi prosperas
Enhavi kion ŝajnaĵojn superas.
La libro, mi ne estas konvinkita
Restadi povos kiam elprovita.
Sed kial? Ĝi malluma estas. Vere?
Ŝajnigo estas. Kaj pri tio? Sincere
Mi diras, ke simile kelkaj faras,
Ĝis el la vero radioj aperas!
Sed mankas al tiaj forteco. Diru!
Per metaforoj kapojn ne elŝiru!
Decas ja esti seriozaj plumoj
Skribante diajn temojn por la homoj;
Sed mankas seriozeco, parolante
Per metaforoj? Tute ne; skribante
La diajn leĝojn en profetaj tagoj
Aperas metaforoj, kaj imagoj;
Sed prudentulo ja ne kontraŭstaros,
Pro timo, ke li tre malbone faros
Kontraŭ plej alta saĝo; ne, li klinos
Por serĉi kian diron dian venos
Per pingloj, bantoj, oferitaj ŝafoj,

Bovidoj, bovinetoj, viraj ŝafoj
Kaj ŝafidsango ; plenfeliĉa estas
Kiu instruon en tiaj atestas.
Ne, do, konkludu, ke la seriozeco
Min mankas tial, aŭ la ĝentileco ;
Ne ĉiam ŝajno riprezentas fakton ;
El komparajoj vi elĉerpos lakton ;
Malestimante ilin, perdi povas
Ni ian bonon, aŭ malbonon trovas.
Enhavas veron miaj metaforoj,
Kiel en kesto kuŝas la moneroj.
Ofte per metaforoj la profetoj
Parolis pri Sinjoraj la dekretoj ;
La Kristo mem kaj apostoloj liaj
Tiel instruis pri aferoj diaj.
Sankta Skribaĵo, mi ne timas diri—
Pri kies stilo ni ne ĉesas miri—
Entenas multe da alegorioj,
Kvazaŭ-figuroj—plenaj galerioj—
Tamen el libro tiu jen lumiloj
Senlumajn noktojn lumas per la briloj.
Se kritikanto mia ekzamenos
Vivadon sian, li tie komprenos
Ke trovas sin linioj pli mallumaj,
Ol en la libron jenan skribis plumoj ;
Kaj kiam li liniojn bonajn verkas,
Oni nebonajn liniojn rimarkas.
Kaj se ni al senpartianoj petus,
Por unu lia, mi po deko vetus,
Intencon mian ke ili komprenus
Pli bone ol trompojn, kiujn entenus
Arĝentaj ŝrankoj. Kaj ĉifonvestita
*Vero* spiriton faras balastita,
La juĝon ĝi sciigas, venkas volon ;
La intelekton plaĉas, kaj konsolon
Ĝi por ĉagrenoj donas ; kaj memoro
Pleniĝas per de l'imago laboro.
Mi scias, Timoteo devis uzi
Tre sanajn vortojn, kaj fablojn rifuzi ;
Sed Paŭlo serioza komparaĵojn
Ne al li malpermesis, kie aĵojn
De multvaloro oni trovas—oron,

Perlojn, kaj ŝtonojn maloftajn—trezoron
Inda, ke oni faru fosesploron.
Nur unu vorton plu: ho homo pia,
Ĉu mi ofendas vin per vesto tia
Por mia temo? Eble pli ŝatita
La libro estus, se pli klarigita.
Mi nur proponu tri aferojn; pledu
Al superuloj, kaj al juĝo cedu.

1e. Oni al mi ne malpermesas uzon
De komparaĵoj, se mi ne trouzon
Pri vortoj, nek legantoj, nek aferoj
Faros; sed dece traktos pri figuroj
Kaj similaĵoj; kaj en la afero
Mi ĉion povas uzi por la vero.
Malpermesite! Ne, mi male trovas;
Permeson montri mi facile povas.
(Ekzemplojn ankaŭ, inter la pli piaj
Ol kiuj vivas en la tagoj niaj.)
Sendube tial estas tute pravaj
Figuroj pri aferoj la plej gravaj.
2e. Mi scias, ke per dialogo traktas
Arbaltaj homoj temojn, kaj redaktas
Ilin senkulpe; sed se kontraŭ vero
La skribo estas, estu, do, la faro
Kaj ili malbenitaj, sed libera
La vero mem, kvazaŭ io aera,
Sur nin efiki kiel ŝatos Dio;
Kiu instruis plugi, Li pri io
Animojn, plumojn ambaŭ povas gvidi
Ĝis la desegnon ĉiuj povos vidi.
3e. La Sankta Skribo multfoje similas
Metodon tiun ĉi, kiam utilas
Aferon ian montri per alia;
Mi permesata estas, do, pri mia;
Ne estingante lumon de la Vero,
Mi pli briligi povas ĝin sur tero.

Sed, antaŭ ol la plumon mi demetos,
Profiton de la libro jen mi metos,
Poste liveros ĝin kaj cin al Mano
Kiu giganton faras nur infano,
Kondukas nefortulojn al la sano.

La libro jena krete skizas tiun,
Kiu eternan serĉas la premion ;
De kie venas li, kien li iras,
Kion ne faras li, kaj kion faras ;
Ĝi montras kiel oni cele penas,
Ĝis al pordego glora li alvenas.
Montras ĝi ankaŭ tiujn, plenesperajn,
Kiuj vive celas kronojn superterajn ;
La kaŭzon ankaŭ de malbona sorto,
De malsukceso kaj malsaĝa morto.
La libro faros el ci vojaĝanton,
Se ĝin ci prenos kiel konsilanton ;
Cin ĝi kondukos ĝis la Sankta Tero,
Se ci komprenos bone pri l'afero ;
Mallaboremajn ĝi ja laborigos,
Blindulojn pri belaĵoj ĝi vidigos.
Ĉu ŝatas ci maloft- kaj profitaĵojn ?
Ĉu en fabeloj volas ci veraĵojn ?
Ĉu estas forgesema ? Ĉu preferus,
Ke dum la tuta jaro ci memorus ?
La fantaziojn miajn legu, ili
Komforti povas multajn, kaj utili.
La libron oni verkis tiastile
Animojn tuŝi senviglajn facile ;
Ŝajnas novaĵo, kvankam nur entenas
Evangeliajn sonojn, kiuj nin benas.
Ĉu ci melankolion elpeladus ?
Ĉu, ne malsaĝe, oni ridetadus ?
Ĉu ci enigmojn kun klarigoj legus ?
Aŭ lasi, ke sur pensoj ili regus ?
Ĉu ŝatas ci viandon, aŭ pli volus
Homon ĉielan vidi, kiu parolus ?
Ĉu ci sonĝadus, kvankam ne en dormo ?
Aŭ kune rido trovus sin kun larmo ?
Ĉu ci cin perdus, sen ia malbono
Kaj trovus cin sen ia talismano ?
Ĉu legus ci, kaj nesciante kion,
Sed tamen havus certan opinion,
Leginte, pri saveco cia ? Libron
Enmetu en la kapon kaj la koron !

Johano Bunjano.

# LA PROGRESADO DE LA PILGRIMANTO.

(De Johano Bunjano, 1628—1688).

## PARTO I.

### Ĉapitro 1ª.

*La krio de l' Pilgrimanto.—Karnaj kuraciloj por malsana spirito.—Evangelisto venas al li, kaj lin direktas.—La Pilgrimanto ekkuras.—Obstino kaj Fleksemo posteskvas lin.—Fleksemo akompanas, Obstino revenas.*

Promenante tra la dezerto de tiu ĉi mondo, mi ektrovis unu lokon, kie estis kaverno, kaj kuŝis min en tiu ĉi loko por dormi; kaj dum mia dormado, mi sonĝis sonĝon. Mi sonĝis, kaj jen mi vidis viron vestitan en ĉifonoj, starantan en unu loko, lia vizaĝo deturnita de lia propra domo, libro en la manoj, kaj granda ŝarĝo sur la dorso. Mi rigardis, kaj vidas, ke li malfermas la libron kaj legas en tio; kaj dum lia legado li ploras kaj tremadas; kaj ĉar li ne povas plu deteni sin, li kompatinde ekkrias, dirante: "Kion mi devas fari?"

En tiu ĉi stato, do, li iris hejmen, kaj sin detenis tiel longe kiel li povis, por ke lia edzino kaj infanoj ne ekvidu lian mizeregon; sed li ne povis silentadi longe, ĉar lia maltrankvileco pligrandiĝis; tial fine li malkovris siajn pensojn al sia edzino kaj infanoj, kaj tiamaniere li komencis paroli kun ili—"Ho, mia kara edzino," diras li, "kaj vi, la infanoj de mia korpo, mi, via kara amiko, estas en mi mem ruinigata, pro ŝarĝo kiu kuŝas peze sur mi—cetere, mi certe sciiĝas, ke tiu ĉi nia urbo estos bruligata per fajro el la ĉielo; en kiu terurega renversiĝo, kaj mi mem, kun ci mia edzino, kaj vi, miaj dolĉaj infanetoj, mizere alvenos al la ruino, escepte (kaj tion mi ne ankoraŭ povas vidi) ian vojon de forkuro oni povas trovi, per kiu ni povos esti savitaj." Je tio, liaj parencoj tre miris; ne pro tio, ke ili kredis esti prava, kion li jus diris al ili, sed ĉar ili ekpensis, ke ia freneza malsano estas enirinta en lian kapon; tial, nokto alproksimiĝante,

kaj esperante, ke la dormo trankviligos lian cerbon, ili rapide kuŝigas lin; sed la nokto estas tiel ĝena al li kiel la tago; tial anstataŭ dormi, li elspezis la tempon en ĝemoj kaj larmoj. Tiel, kiam la mateno alvenas, ili deziras informiĝi kiel li fartas—li diras al ili: Pli kaj pli malbone; li ankaŭ ekparolas al ili ree, sed ili ekmalmoliĝas. Ili ankaŭ pensas ke ili povus forigi lian malsanon per maldelikata kaj malafabla konduto je li—jen ili mokas, jen ili riproĉas, kaj jen ili lin tute nezorgas. Tial li sin ekeliĝis al sia ĉambro por preĝi pro ili kaj por ilin kompati, kaj ankaŭ por kondolenci sin pri sia propra mizero. Li ankaŭ promenadis sola en la kampoj, jen legante, jen preĝante; kaj tiamaniere li dum kelkaj tagoj pasigis sian tempon.



*Ŝtonaj muroj ne povas kateni la spiriton.*

Nu mi vidis unufoje kiam li promenadis sur la kampoj ke li (kiel kutime) legis en sia libro, kaj estis tre mizera en sia animo; kaj dum li legis li ekkriegis kiel antaŭe, kriante "Kion mi devas fari por esti savita?"

Mi vidis ankaŭ ke li rigardas tien ĉi kaj tien, kvazaŭ li volas kuri, tamen li staras senmove, ĉar, kiel mi ekvidis, li ne scias per kiu vojo

iri. Mi rigardis do, kaj vidis homon nomitan Evangelisto, alvenantan al li, kiu demandis "Kial ci kriadas?"

Li respondis: Sinjoro, mi ekvidas per la libro en miaj manoj ke mi estas kondamnita morti, kaj poste iri al la juĝo; kaj mi sentas ke mi nek volas fari la unuan, nek povas fari la duan.

Tiam diras Evangelisto: Kial ci ne volas morti, vidante ke tiu ĉi vivo estas akompanata de tiel multe da malbonaĵoj? La viro respondas: Ĉar mi timas, ke tiu ĉi ŝarĝo, kiu kuŝas sur mia dorso, min mallevigos pli malalta ol la tombo, kaj ke mi falos en Tofeton. Kaj, Sinjoro, se mi ne estas preta por iri en la malliberejon, mi ne estas preta por la juĝo, kaj por iri de tie al la ekzekuto; kaj la pensado pri tiuj ĉi aferoj devigas min krii.




*"Flugu de la venonta kolerego."*

Tiam respondis Evangelisto: Se tia estas cia stato, kial ci staras senmove? Li respondis: Ĉar mi ne scias kien iri. Tiam tiu donis al li pergamenan rulon, kaj troviĝis skribita interne: "Flugu de la venonta kolerego." La viro tial ĝin legis, kaj, rigardante tre zorge Evangeliston, diras: Kien mi devas flugi? Tiam diras Evangelisto, etendante sian fingron al tre vasta kampo, "Ĉu ci vidas la

tiean parolpordeton?" La viro diras: "Ne." Tiam diras la alia: "Ĉu ci vidas tiean brilantan lumon?" Li respondis: "Mi tion pensas." Tiam diras Evangelisto: "Tenu tiun lumon en cia okulo, kaj iru rekte al ĝi; tiel ci vidos la pordeton: al kiu, kiam ci frapos, oni sciigos cin, kion ci devas fari." Tiel mi vidis en mia sonĝo, ke la viro ekkuris. Nu li ne kuris malproksime de sia propra pordo antaŭ ol sia edzino kaj infanoj, ekvidante tion, komencis krii post li, ke li revenu; sed la viro, metante la fingrojn en siajn orelojn, kuradis, kriante "Vivo! vivo! eterna vivo!" Tial li ne rigardis malantaŭen, sed forkuris al la mezo de la ebenaĵo.



*La pilgrimanto direktata al la pordeto.*

La najbaroj ankaŭ elvenis por vidi lin kuradi; kaj dum li kuris kelkaj mokis, aliaj minacis, kaj aliaj kriis post li, ke li revenu; kaj inter tiuj, kiuj tiel faris estis du kiuj sin decidis realporti lin perforte. La nomo de la unua estis Obstino kaj la nomo de la alia, Fleksemo. Nu, ĉi-tiutempe la viro estas irinta malproksime de ili; tamen ili decidiĝis sekvi lin; tion ili faris, kaj baldaŭ ili atingis lin. Tiam diras la viro: "Najbaroj, kial vi alvenas?" Diras ili: "Por decidigi vin reiri kun ni"; sed li diris: Tio efektive ne povas esti; vi loĝas, diris li, en la Urbo Detruota (la loko, ankaŭ, kie mi

naskiĝis) ; mi tiel vidas ; kaj se oni tie mortos, plimalpli baldaŭ oni falos pli malalten ol la tombon, en lokon kiu brulas per fajro kaj sulfuro. Kontentigu vin, bonaj najbaroj, kaj kuniru kun mi.



*Obstino kaj Fleksemo postsekvas Kristanon.*

"Kion!" diras Obstino, "kaj lasu niajn amikojn kaj niajn komfortaĵojn post ni?"

"Jes," diras Kristano (ĉar tio estis lia nomo), "ĉar ke 'cio, kion vi forlasos' ne estas komparinda kun iom de tio, kion mi serĉas ĝui—kaj, se vi kuniros kun mi kaj ĝin vidos, vi vivados kiel mi mem ; ĉar tie, kien mi iras, estas sufiĉe kaj en superfluo—venu kaj faru provon de miaj vortoj."

Obstino. Kiaj estas la aferoj, kiujn vi serĉas, do, ĉar vi forlasas la tutan mondon por ilin trovi?

Kristano. Mi serĉas "heredaĵon neputriĝeblan, senmakulan, kiu ne elvelkos" ; kaj ĝi estas konservata en la ĉielo kaj neperdebla tie, por esti donata je la fiksita tempo al tiuj, kiuj serĉas ĝin diligente. Legu ĝin laŭ tio, se vi volas, en mia libro.

Obs. Fi! diris Obstino ; forĵetu vian libron ; ĉu vi volas reiri kun ni, aŭ ne?



*La najbaroj konsilas revenon.*

KRIS. Ne, tute ne, diris Kristano; ĉar mi metis la manon al la plugilo.

OBS. Venu, do, najbaro Fleksemo, ni returnu kaj iru hejmen sen li; estas kompanio de tiuj ĉi frenezaj afektuloj, kiuj, kiam ili ekprenas fantazion, estas pli saĝaj en siaj propraj okuloj ol sep homoj, kiuj povas liveri tialon.

FLEKS. Tiam diris Fleksemo: Ne insultu—se tio, kion la bona Kristano diras estas vera, la aferoj por kiuj li serĉas estas pli bonaj ol la niaj; mia koro klinas iri kun nia najbaro.

OBS. Kio? Pli da malsaĝuloj ankoraŭ? Estu regata de mi, kaj reiru; kiu scias kien tia cerbmalsanulo altiros vin? Reiru, reiru kaj estu saĝa.

KRIS. Ne, sed venu ci kun cia najbaro Fleksemo; estas tiaj aferoj atingeblaj, pri kiuj mi diris, kaj multaj pli glorajoj ankaŭ. Se vi ne min kredas, legu tie ĉi en tiu ĉi libro—kaj por la vereco de tio, kio tie estas esprimita, jen la tuto estas certigita per la sango de Li, kiu ĝin faris.

FLEKS. Nu, najbaro Obstino, diris Fleksemo, mi ekatingas decidon. Mi intencas iri kune kun tiu ĉi bona viro, kaj kunĵeti

mian sorton kun li; sed, mia bona kolego, ĉu vi scias la vojon al tiu ĉi dezirinda loko?

KRIS. Mi estas direktita de homo nomita Evangelisto, ke mi rapidu min al pordeto, kiu estas antaŭ ni, kie ni ricevos sciigojn pri la vojo.

FLEKS. Venu, do, bona najbaro, ni iru. (Tiam ili iris duope).

OBST. Kaj mi reiros al mia loko, diris Obstino. Mi ne volas esti kolego de tiaj malbongvidataj fantaziuloj.

---

## ĈAPITRO 2a.

*Kristano kaj Fleksemo interparoladas pri la neesprimeblaj aferoj diaj kaj ĉielaj.—Enfalinte en la Ŝlimejon de Senkuraĝeco, Fleksemo reiras hejmen, sed Helpo eltiras Kristanon.—La Ŝlimejo ne riparebla.—Fleksemo malestimata.*

NUN mi vidis en mia sonĝo, ke kiam Obstino revenadis, Kristano kaj Fleksemo iris parolante sur la ebenaĵo, kaj tiel ili komencis sian interparoladon:—

KRIS. Nu, najbaro Fleksemo, kiel vi fartas? Mi ĝojas, ke vi estas decidigita iri kune kun mi. Se eĉ Obstino mem nur sentus kion mi sentis pri la potencoj kaj teruroj de tio, kio estas ankoraŭ nevidebla, li ne tiel malserioze estus turninta al ni la dorson.

FLEKS. Nu, najbaro Kristano, ĉar estas neniu krom ni du tie ĉi, rakontu al mi nun plie tiajn, kiaj estas la aferoj, kaj kiel ĝuotaj, en la loko, kien ni iras.

KRIS. Mi pli bone povas imagi pri ili per la cerbo ol paroli pri ili per la lango; sed ĉar vi deziras scii, mi legos pri ili en mia libro.

FLEKS. Kaj ĉu vi pensas, ke la vortoj de via libro estas certe veraj?

KRIS. Jes, vere; ĉar ĝi estas farita de Li, kiu ne povas mensogi.

FLEKS. Bone dirite; kiaj aferoj ili estas?

KRIS. Estas senfina regno por enloĝi, kaj eterna vivo por esti donota al ni, por ke ni enloĝu tiun regnon je eterne.

FLEKS. Bone dirita; kaj kio plu?

KRIS. Estas kronoj de gloro donotaj al ni; kaj vestoj kiuj nin briligos kiel la suno en la ĉiela firmaĵo.

FLEKS. Tio ĉi estas tre plezuriga; kaj kio plu?

KRIS. Estos nenia ploro nek malĝojo; ĉar Li, kiu estas la posedanto de la loko deviŝos ĉiujn larmojn for de niaj okuloj.

FLEKS. Kaj kiajn kolegojn ni havos tie?

KRIS. Tie ni ĉeestos kun serafoj kaj keruboj, kreitaĵoj kies la vidaĵo kvazaŭ blindigos viajn okulojn. Tie, ankaŭ ni renkontos milojn kaj dekmilojn kiuj antaŭiris nin al tiu loko; neniu el ili estas malutila, sed amema kaj sankta, ĉiu vivadas en la vido de Dio, kaj staras en Lia ĉeesto akceptinda por ĉiam: unuvorte, tie ni vidos la antaŭulojn kun iliaj oraj kronoj; tie ni vidos la sanktajn virgulinojn kun iliaj oraj harpoj; tie ni vidos homojn, kiuj per la mondo estis tranĉitaj pecete, bruligitaj en flamoj, manĝitaj de bestoj, dronigitaj en la maroj, pro la amo, kiun ili portis al la Sinjoro de la loko; ĉiuj sanaj, kaj vestitaj per senmorteco kvazaŭ per vesto.

FLEKS. La aŭdado de tio ĉi estas sufiĉa por ravi la koron: sed ĉu tiuj ĉi aferoj estas ĝueblaj? Kiel ni povos atingi esti partoprenantoj de ili?

KRIS. La Sinjoro, la reganto de la lando, estas skribinta tion en tiu ĉi libro, la sumo estante, ke, se ni vere volas ĝin havi, Li ĝin donos al ni bonvole.

FLEKS. Nu, mia bona kolego, mi estas ĝojplena aŭdi pri tiuj ĉi aferoj; venu, ni plirapidu nian paŝadon.

KRIS. Mi ne povas iri tiel rapide kiel mi volas, pro tiu ĉi ŝarĝo kiu restas sur mia dorso.



*En la Ŝlimejo de Senkuraĝeco.*

Nun, mi vidis en mia sonĝo, ke, ĵus fininte sian paroladon, ili alproksimiĝas al tre Kota Ŝlimejo, kiu estis en la mezo de la ebenaĵo, kaj estante nesingardemaj, ili ambaŭ subite falis en la marĉon. La nomo de la ŝlimejo estis Senkuraĝeco. Tie ĉi, do, ili baraktis kelkatempe, estante malĝoje malpurigataj de koto; kaj Kristano pro la ŝarĝo kiu kuŝis sur la dorso, ekmalleviĝis en la ŝlimon.

FLEKS. Tiam diris Fleksemo: Ha! najbaro Kristano, kie vi estas nun?

KRIS. Vere, diris Kristano, mi ne scias.

FLEKS. Je tio, Fleksemo ekofendiĝis, kaj kolere diris al sia kunulo, Ĉu tiu ĉi estas la feliĉo, pri kio vi tiel longe parolis al mi? Se ni renkontas tiel malbonan progreson je nia ekirado, kion ni povos atendi inter tiu ĉi loko kaj la fino de nia vojaĝo? Miaparte, se mi sukcesos eliri rec kun mia vivo, vi posedos la belan landon sola!



*Kristano antaŭen, Fleksemo malantaŭen.*

Kaj tiel dirante, li faris unu aŭ du malesperajn penojn, kaj sin tiris el la koto sur tiun flankon de la Ŝlimejo kiu estas pli proksima al lia propra domo; tiel li foriris, kaj Kristano lin ne vidis plu. Tial

Kristano estas forlasata barakti en la Ŝlimejo de Senkuraĝeco sola; sed li ankoraŭ klopodis batali al tiu flanko de la ŝlimejo kiu estas plej malproksima de lia propra domo, kaj plej proksima al la pordeto; tion li, do, faris sed ne povis eliri, pro la ŝarĝo, kiu kuŝis sur lia dorso; sed mi vidis en mia sonĝo ke unu viro aliris al li, kies nomo estis Helpo, kiu demandis de li, Kion li tie faras?

KRIS. Sinjoro, diras Kristano, viro nomata Evangelisto ordonis ke mi iru tiun ĉi vojon, kaj li ankaŭ direktis min al la pordeto tie, por ke mi forkuru for de la venonta kolerego; kaj dum mi tien iradis, mi enfalis tien ĉi.

HELP. Sed kial vi ne serĉis por trovi la ŝtupojn?

KRIS. Timo persekutis min tiel proksime, ke mi forkuris la plej proksiman vojon, kaj enfalis.



*Helpo eltiras Kristanon.*

HELP. Tiam diris li, Donu al mi cian manon; tiel li donis al li la manon kaj Helpo eltiris lin, kaj lin metis sur bonan teron, kaj ordonis ke li daŭrigu sian vojiradon.

Tiam mi alpaŝis al tiu, kiu eltiris lin, kaj diris—Sinjoro, kial okazas

(ĉar sur tiu ĉi loko estas la vojo el la Urbo Detruota al la Pordeto tie), ke tiu ĉi loketo ne estas plibonigita, por ke kompatindaj piedirantoj povu iri tien pli sendanĝere? Kaj al mi li diras, Tiu ĉi Kota Ŝlimejo estas tia loko, kia ne povas esti plibonigata; estas la deklinaĵo kien nečese kuradas la ŝaŭmo kiu akompanas la konvinkon pri peko, kaj tial oni nomas ĝin la Ŝlimejo de Senkuraĝeco; ĉar ankoraŭ, kiam la pekulo vekiĝas pri sia stato de perdeco, tiam leviĝas en lia animo multe da timoj kaj duboj, kaj de senkuraĝigaj antaŭsentoj, kiuj ĉiuj kunvenas kaj kuŝas en tiu ĉi loko. Jen estas la tialo de la malboneco de l' tero.

Ne estas la plezuro de l' Reĝo, ke tiu ĉi loko restu tiel malbona. Liaj laboristoj per la ordonoj de la termezuristoj de Lia Moŝto, estas, dum la lastaj dekses jarcentoj, laborintaj sur tiu ĉi peceto da tero; se eble oni povus ripari ĝin; kaj, kiel mi scias, diris li, tie ĉi almenaŭ dudek mil ĉarŝarĝoj estas englutitaj; vere, milionoj da sanigaj instruaĵoj, kiujn oni je ĉiuj sezonoj alportis el ĉiuj lokoj de liaj ŝtatoj (kaj tiuj kiuj povas sciigi, diras, ke tiaj estas la plej bonaj materialoj per kiuj oni povus fari bona la teron de la loko), se eble oni povus plibonigi ĝin: sed ĝi restas ankoraŭ la Ŝlimejo de Senkuraĝeco; kaj tia ĝi restos post oni estos farinta ĉion kion oni povas.

Estas vere, ke, per ordono de la Leĝdoninto, trovas sin kelkaj bonaj kaj fortaj ŝtupoj, lokitaj eĉ tra la vera mezo de tiu ĉi ŝlimejo; sed en simila tempo kiel la nuna, la loko multe elĵetas sian koton, kiel antaŭ ol ia ŝanĝo de l' vetero; tiam tiujn ĉi ŝtupojn oni povas apenaŭ vidi, aŭ se jes, homoj, ĉar ili suferas pro kapturno, flankenpaŝas; kaj tiam ili estas elkotitaj, kvankam tie la ŝtupoj staras; sed la tero estas bona tiam, kiam oni estas enirinta tra la pordon.

Nu, mi vidis, en mia sonĝo, ke en la sama tempo Fleksemo revenis hejmen, al sia propra domo. Tiel, liaj najbaroj venis viziti lin; kaj unuj lin nomis saĝulo, ĉar li estas reveninta; kaj kelkaj lin nomis malsaĝulo, ĉar li riskis sin kun Kristano; aliaj, ankoraŭ, mokis lian malkuraĝecon, dirante:—Certe, ĉar vi komencis riski, mi ne estus estinta tiel malinda kiel tio, ke mi estus cedinta por kelkaj malfacilaĵoj—tiel Fleksemo sidis sklave inter ili. Sed en la fino li trovis pli da sentimecon; kaj tiam ili ĉiuj ŝanĝis sian paroladon kaj ekmokis Kristanon malantaŭe de lia dorso. Kaj tiel multe pri Fleksemo.

## Ĉapitro 3a.

*La konsilo de Sro. Monda Saĝulo.—Kristano serĉas liberigon en la vilaĝo Moraleco per Sro. Leĝeco, kaj trovas danĝeron.—Evangelisto montras la eraron, riproĉas lin, kaj priskribas la karakteron de la malbona konsilinto.*

Nu, dum Kristano piediris tute sola, li ekvidis homon malproksime, transirantan la kampon por renkonti lin, kaj okazis ke ili sin renkontis ĵus tiam, kiam ili transiris la vojon de ĉiu. La nomo de la sinjoro estis So. Monda Saĝulo; li loĝis en la urbo Karna Prudento, tre granda urbo, kaj kiu ankaŭ kuŝas apud la loko de kie Kristano venis. Tiu ĉi viro, do renkontante Kristanon, kaj ĉar li posedis iom da kono pri li (ĉar la foriron de Kristano el la Urbo Detruota oni multe bruadis, ne sole en la urbo kie li loĝadis, sed ankaŭ tio ekfariĝis la urbababilado en kelkaj aliaj lokoj); Sinjoro Monda Saĝulo, tial, iom divenante kiun li estas, vidante lian penan iradon, vidante lian sopirojn kaj ĝemojn, kaj tiel plu, komencis tiamaniere eniri en paroladon kun Kristano:—

Mond. Kiel nun, bona kunulo; kien iri en tia ŝarĝa maniero?

Kris. Ŝarĝa maniero, vere, kian mi kredas iam kompatinda kreitaĵo posedis! Kaj ĉar vi demandis min, Kien iri? mi diras al vi, sinjoro, ke mi iras al tiea pordeto antaŭ mi; ĉar tie, oni sciigas min, mi estos baldaŭ instruita kiamaniere oni liberigos min de mia peza ŝarĝo.

Mond. Ĉu ci havas edzinon kaj infanojn?

Kris. Jes; sed mi estas tiel ŝarĝata per tiu ĉi ŝarĝo, ke mi ne povas preni tian plezuron en ili kiel antaŭe—ŝajnas al mi, ke mi estas kvazaŭ mi posedas neniun el ili.

Mond. Ĉu ci volus aŭskulti al mi, se mi donus al ci bonan konsilon?

Kris. Se ĝi estus bona, mi volus—ĉar mi bezonas tian.

Mond. Mi konsilas cin, do, ke, tiel rapide kiel eble, ci forigu cian ŝarĝon; ĉar ci neniam povos atingi trankvilecon en cia spirito ĝis tiam; nek povas ci ĝui la profitojn de la benoj, kiujn Dio estas disdonintaj al ci, ĝis tiam.

Kris. Tio estas, kion mi serĉas, eĉ esti malembarasita de tiu ĉi peza ŝarĝo; sed depreni ĝin per mia propra forto, mi ne povas—nek ekzistas ia homo en nia lando, kiu povas forlevi ĝin de miaj ŝultroj—tial mi iras tiun ĉi vojon, kiel mi al vi jam diris, por ke mi povu esti malembarasita de mia ŝarĝo.

Mond. Kiu ordonis cin iri tiun ĉi vojon, por ke ci estu liberigita de cia ŝarĝo?

Kris. Viro kiu sajnis al mi esti tre granda kaj honorinda homo; lia nomo, kiel mi memoras, estas Evangelisto.

Mond. Malbenu lin pro lia konsilo; ne ekzistas pli danĝera kaj ĝena vojo en la mondo ol tiu estas, al kiu li direktis cin; kaj tion ci trovos, se ci volas esti regulata per lia konsilo. Ci renkontis ion (kiel mi jam ekvidas); mi vidas ke la koto de la Ŝlimejo de Senkuraĝeco estas sur ci; sed tiu Ŝlimejo estas nur la komenco de la malĝojoj, kiuj atendas tiujn, kiuj sekvas tiun ĉi vojon. Aŭdu min, mi estas pli maljuna ol ci; ci kredeble renkontos, en la vojo kie ci iradas, lacecon, dolorecon, malsaton, danĝerojn, nudecon, glavon, leonojn, drakojn, mallumon, kaj, unuvorte, morton, kaj oni ne scias kion! Tiuj aferoj estas certe veraj, ĉar oni certigis ilin per multe da atestoj. Kaj kial devus homo tiel senzorge forĵeti sin, aŭskultante nekonatan homon?

Kris. Nu, sinjoro, tiu ĉi ŝarĝo sur mia dorso estas pli terura al mi ol estas ĉiuj tiuj ĉi aferoj nomitaj de vi; ne, ŝajnas al mi, ke mi estas indiferenta pri ĉio, kion mi renkontos en la vojo se nur mi renkontos ankaŭ liberigon de mia ŝarĝo.

Mond. Kiel ci trovis tiun ŝarĝon unue?

Kris. Legante tiun ĉi libron, kiu estas en mia mano.

Mond. Mi tiel pensis; kaj okazis al ci kiel al aliaj malfortaj homoj, kiuj, enmiksiĝante en aferoj tro altaj por ili, subite falas en ciajn distraĵojn, kiuj distraĵoj ne sole senkuraĝigas homojn (kiel la ciaj, mi vidas, tiel faris al ci), sed kurigas homojn sur malesperajn aventurojn, por atingi ili ne scias kion.

Kris. Mi scias kion mi atingus; estas liberigo de mia ŝarĝo.

Mond. Sed kial volas ci serĉi tion en tiu ĉi vojo, vidante ke tiel multe da danĝeroj atendas ĝin? Precipe pro tio, ke (se ci nur havus paciencon aŭdi min) mi povus direkti cin al la atingo de tio kion ci deziras, sen la danĝeroj, en kiujn ci tiamaniere kurigos cin. Vere, kaj la rimedo estas apud ci. Cetere, mi aldonos tion ĉi, ke anstataŭ tiuj danĝeroj, ci renkontos multe da sendanĝereco, amikeco, kaj kontenteco.

Kris. Mi petas, sinjoro, ke vi malfermu tiun ĉi sekreton al mi.

Mond. Nu, en tiea vilaĝo (la vilaĝon oni nomas Moraleco) loĝas sinjoro kies nomo estas Leĝeco; tre prudenta homo, kiu portas tre bonan famon, kaj kiu posedas sperton helpi homojn forigi ŝarĝojn similajn al cia; jes, laŭ mia kono, li faris tre grandan bonon tiamaniere; kaj, cetere, li estas sperta por sanigi tiujn, kiuj estas iom frenezaj en siaj spiritoj pro sia ŝarĝo. Al li, kiel mi diris, ci povas iri, kaj esti helpata tuj. Lia domo troviĝas apenaŭ unu mejlon de tiu ĉi loko; kaj se li ne estos hejme, li havas

bonan junulon por filo, kies nomo estas Ĝentileco, kiu povas ĝin fari (por tiel diri) egale bone kiel la maljuna sinjoro mem; tie, mi diras, ci povas esti liberigita de cia ŝarĝo; kaj se ci ne dezirus reiri al cia antaŭa loĝejo, kiel, ja, mi ne deziras por ci, ci povus sendi por cia edzino kaj infanoj, petante ilin veni al ci, ĝis tiu ĉi vilaĝo, kie domoj nun staras malplenaj, unu el kiuj ci povas lui je ekonomia luprezo; nutraĵo estas tie ankaŭ malkara kaj bona; kaj tio, kio faros cian vivon pli feliĉa estas, esti certigata, ke tie ci vivados apud honestaj najbaroj, en honoro kaj bonmodo.

Nun estis Kristano iom haltigita, sed baldaŭ li decidis: Se tio estas vere, kion tiu ĉi sinjoro diris, mia plej saĝa elekto estas, preni lian konsilon; kaj li post tio diris plie:—

Kris. Sinjoro, kiu estas mia vojo al la domo de tiu ĉi honesta homo?

Mond. Ĉu vi vidas ĉi-tiean altan monteton?

Kris. Jes, tre bone.

Mond. Preter tiu monteto vi devas iri, kaj la unua domo ĉe kiun vi venos estas la lia.

Tiel Kristano sin turnis el sia vojo, por veni al la domo de Sinjoro Leĝeco, por ricevi helpon; sed jen, kiam li estis proksime de la monteto, tiu ĉi ŝajnis esti tiel alta, kaj ankaŭ la flanko kiu estis la plej proksima al la vojflanko superpendis tiel multe, ke Kristano timis riski pli malproksime, pro timo ke la monteto falu sur lian kapon; tial, li tie staris, kaj ne sciis kion fari. Ankaŭ lia ŝarĝo ŝajnis esti pli peza sur li nun ol tiam, kiam li estis en la vojo. Venis ankaŭ al li ekbriloj de fajro el la monteto, kiuj faris Kristano timigita ke li estos bruligita; tie ĉi, do, li ŝvitis, kaj tremis pro timo. Kaj nun li ekbedaŭris pro tio, ke li akceptis la konsilon de Sinjoro Monda Saĝulo. Ankaŭ li ekvidis Evangeliston venantan renkonti lin; je la vido de kiu li ekruĝiĝis pro honto. Tiel Evangelisto alproksimiĝis pli kaj pli; kaj alvenante al Kristano, li lin rigardis per severa kaj timiganta vizaĝo, kaj tiamaniere ekrezonadis kun Kristano:—

Evan. Kion ci faras tie ĉi, Kristano? diris li: je kiuj vortoj Kristano ne sciis kion diri; tial li nun staris senparole antaŭ li. Tiam daŭrigis Evangelisto, Ĉu ci ne estas la viro, kiun mi trovis kriantan ekster la muroj de la Urbo Detruota?

Kris. Jes, kara sinjoro, mi estas tiu homo.

Evan. Ĉu mi ne direktis cin al la pordeto?

Kris. Jes, kara sinjoro, diris Kristano.

Evan. Kial okazas, do, ke ci estas tiel rapide deturninta flanken? Ĉar ci nun estas for de la vojo.

KRIS. Mi renkontis sinjoron tuj post mi estis transirinta la Ŝlimejon de Senkuraĝeco, kiu elinfluis min pri tio, ke mi povos, en la vilaĝo antaŭ mi, trovi homon, kiu posedas la spertecon por depreni mian ŝarĝon.

EVAN. Kia estis li ?

KRIS. Li ŝajnis esti sinjoro, kaj multe diris al mi, kaj fine cedigis min ; tiel mi iris tien ĉi ; sed kiam mi ekrigardis tiun ĉi monteton, kaj vidis kiel ĝi superpendas super la vojo, mi subite stariĝis pro timo, ke ĝi falos sur mian kapon.

EVAN. Kion diris tiu sinjoro al vi ?

KRIS. Nu, li demandis, kien mi iras ? Kaj mi ĝin diris al li.

EVAN. Kaj kion diris li poste ?

KRIS. Li demandis min, ĉu mi havas familion ? Kaj mi ĝin diris al li. Sed, mi aldonis, mi estas tiel ŝarĝata per la ŝarĝo kiu estas sur mia dorso, ke mi ne povas preni plezuron en ili kiel antaŭe.

EVAN. Kaj kion diris li je tio ?

KRIS. Li ordonis ke mi rapide liberiĝu de mia ŝarĝo ; kaj mi diris, ke estas libereco, kiun mi serĉas. Kaj, diris mi, por tio mi iras al tiea pordo, por ricevi pluan direktadon, kiamaniere mi povos atingi la lokon de liberigo. Tiel li diras, ke li montros al mi pli bonan vojon, kaj mallongan, ne tiel akompanatan de malfacilaĵoj kiel la vojo, sinjoro, en kiun vi metis min ; kiu vojo, diris li, direktos vin al la domo de sinjoro kiu posedas lertecon por depreni tiajn ŝarĝojn. Tiel mi kredis lin, kaj min deturnis el tiu vojo en tiun ĉi, se eble mi baldaŭ povos esti malĝenigita de mia ŝarĝo. Sed kiam mi venis al tiu ĉi loko, kaj vidis aferojn kiel ili ekzistas, mi haltis pro timo—kiel mi diris—de danĝero : sed nun mi ne scias kion fari.

EVAN. Tiam diris la Evangelisto : Staru senmove iom da tempo, por ke mi montru al ci la vortojn de Dio. Tiel li staris timante. Tiam diris Evangelisto, Atentu, ke vi ne rifuzu lin, kiu parolas ; ĉar se tiuj ne savis sin, kiuj rifuzis lin, kiu parolis sur la tero, multe pli oni ne savos sin, se oni deturnos sin de tiu, kiu parolas el la ĉielo. Li diris plie, Nu, la justulo vivos per la kredo ; sed se ia homo retiru sin, mia animo trovos nenian plezuron en li. Li ankaŭ tiel parolis pri tiuj aferoj : Ci estas la homo kiu alproksimiĝas al tiu ĉi mizero : ci ekkomencas forĵeti la konsilon de la Plej Alta, kaj retiri cian piedojn el la vojo de la paco, eĉ preskaŭ ĝis la hazardo de cia perdiĝo.

Tiam Kristano falis ĉe liaj piedoj kiel morta, kriante, Ve estas al mi, ĉar mi estas ruinigita ! Vidante tion, Evangelisto ekkaptis lin per la dekstra mano, dirante, Ĉiuj specoj de peko kaj de blasfemoj oni pardonos al la homoj ; ci ne estu malkredema, sed

kredema. Tiam Kristano iom reviviĝis kaj stariĝis tremante, kiel antaŭe, antaŭ Evangelisto.

Tiam daŭrigis Evangelisto, dirante, Donu pli seriozan zorgon al la aferoj, pri kiuj mi diros al ci. Mi nun montros al ci kian homon tiu ĉi estas, kiu trompis cin, kaj ankaŭ kiu tiu estas, al kiu li sendis cin. La viro kiu renkontis cin estas unu, Monda Saĝulo, kaj oni ĝuste tiel nomas lin: parte, ĉar li ŝatas nur la dogmaron de la mondo (tial li ĉiam iras al la urbo de Moraleco por ĉeesti preĝejon); kaj parte, ĉar li amas tiun ĉi dogmaron la plej bone, ĉar tio savas lin de la kruco; kaj ĉar li havas tiun ĉi karnan karakteron, tial li serĉas por deturnigi homojn el miaj vojoj, kvankam tiuj ĉi estas justaj. Nu, en la konsilo de tiu ĉi homo kuŝas tri aferoj, kontraŭ kiuj ci devas tute havi malŝategon:—

(1e). Lia deturnigo de ci el la vojo.

(2e). Lia laborado por fari, ke la kruco estu malaminda al ci.

(3e). Kaj lia metado de ciaj piedoj en la vojon, kiu kondukas en la regadon de la morto.

Unue, ci devas havi malŝategon por tiu ĉi deturnigo el la vojo—jes, kaj cia konsento mem al tio—ĉar tio ĉi estas elĵeti la konsilon de Dio pro la konsilo de Monda Saĝulo. La Sinjoro diras, Penadu por eniri ĉe la mallarĝa pordo—la pordo al kiu mi sendas cin; ĉar mallarĝa estas la pordo, kiu enkondukas ĝis la vivo, kaj malmultaj estas tiuj, kiuj ĝin trovas. De tiu ĉi malgranda pordeto, kaj de la vojo tien, tiu ĉi malbona viro deturnis cin, kaj tiel preskaŭ alportis cin al detruiĝo; malamu, tial, lian deturnadon de ci el la vojo, kaj malŝategu cin pro tio, ke ci aŭskultis lin.

Due, ci devas malŝategi lian laboradon por fari, ke la kruco estu malaminda al ci; ĉar ci devas "preferi ĝin antaŭ la trezoroj de Egiptujo." Cetere, la Reĝo de Gloro diris al ci, ke "tiu, kiu volas savi sian vivon, perdos ĝin"; kaj "tiu, kiu sekvas min, kaj ne malamas sian patron kaj patrinon, kaj edzinon, kaj geinfanojn, kaj fratojn, kaj fratinojn, jes, kaj sian propran vivon ankaŭ, li ne povas esti Mia lernisto." Mi diras, do, tion, ke kiam oni laboras kredigi cin, ke tio estos cia morto, sen kio, kiel la vero estas dirinta, Ci ne povas havi eternan vivon—tiun ĉi dogmon ci devas malŝategi.

Trie, ci devas malami lian direktadon de ciaj piedoj en la vojon, kiu kondukas en la regadon de la morto. Kaj tion ĉi celante ci devas pripensi al kiu li sendis cin, kaj ankaŭ kiel nekapabla estis tiu persono, liberigi cin de cia ŝarĝo.

Li, al kiu oni sendis cin por senĝeneco, nomita Leĝeco, estas la filo de la sklavino, kiu estas nun kun siaj infanoj en sklaveco, kaj kiu estas, mistere, tiu ĉi sama monto Sinaio, kiu, ci timis, verŝajne

falos sur cian kapon. Nu, se ŝi kun siaj infanoj estas en sklaveco, kiel ci povas atendi liberecon per ili? Tiu ĉi Leĝeco, do, ne estas kapabla liberigi cin de cia ŝarĝo. Neniu ankoraŭ iam forĵetis sian ŝarĝon per li; ne, nek tio iam versajna estos; oni ne povas esti justigita per la faroj de la leĝo; ĉar per la faroj de la leĝo, nenia homo vivanta povas esti liberigata de sia ŝarĝo: tial Sinjoro Monda Saĝulo estas alilandulo, kaj Sinjoro Leĝeco trompulo; pri lia filo Ĝentileco, spite de sia afekta mieno, li estas nur hipokritulo, kaj ne povas helpi cin. Kredu min, en tiu ĉi bruo, kiun ci aŭdis pri tiuj malspritaj homoj, estas nur intenco delogi cin de cia saviĝo, per la deturnigo de ci el la vojo en kiun mi metis cin. Post tiu ĉi, Evangelisto laŭte vokis al la ĉieloj por certigado de tio, kion li jus diris; kaj tuj post tio, eliris vortoj kaj fajro el la monto sub kiu staris Kristano, kiuj starigis la harojn de lia karno: la vortojn oni tiel elparoladis, "Tiel multaj kiel estas de la faroj de la leĝo estas sub la malbeno," ĉar estas skribita, "Malbenita estas ĉiu, kiu ne daŭras en ĉiuj aferoj, kiuj estas skribitaj en la libro de la leĝo, por ilin fari."

Nun Kristano atendis nur la morton, kaj ekkriis kompatinde, eĉ malbenante la tempon, kiam li renkontis Mondan Saĝulon; ankoraŭ nomante sin milobla malsaĝulo ĉar li akceptis lian konsilon: ankaŭ li tre hontis, pensante ke la argumentoj de tiu ĉi sinjoro, fluantaj nur el la karno, tiel klinigis lin, ke li forlasis la rektan vojon. Tion ĉi farinte, li turnis sin ree al Evangelisto, per la vortoj kaj senco sekvantaj:—

Kris. Sinjoro, kiel vi pensas? Ĉu restas ia espero? Ĉu mi nun povas reiri kaj aliri al la pordeto? Ĉu oni ne forlasos min pro tio ĉi, kaj min oni ne forsendos de tie, hontigita? Mi bedaŭras, ke mi aŭskultis la konsilon de tiu ĉi viro; sed ĉu mia kulpo ne povas esti pardonita?

Tiam diris Evangelisto al li,—Cia kulpo estas tre granda; ĉar per ĝi, ci faris du malbonaĵojn—ci ellasis la vojon, kiu estas bona, por piediri en malpermesitajn vojetojn. Tamen la viro ĉe la pordo akceptos cin, ĉar li tenas bonvolon al la homoj; nur, diras li, zorgu, ke ci ne iru flanken plu, "de timo ke ci pereos el la vojo, kiam lia kolero nur malmulte ekbrulas." Tiam Kristano preparis reiri; kaj Evangelisto kisinte lin, montras al li unu rideton, kaj diras al li, Diprosperigitan vojaĝon!

## Ĉapitro 4a.

*Kristano estas akceptita de Bonvolo, ĉe la pordeto, kaj estas komfortita.— Li enuas pri sia ŝarĝo.*

Tiel li iris rapide, ne parolante kun iu voje, nek se iu demandas lin, li donas al tiu respondon. Li iradis simile je iu kiu ĉiam piediras sur malpermesita tero; kaj li ne povas iel konsideri sin kiel el la danĝero ĝis li ree atingos la vojon, kiun li forlasis por sekvi la konsilon de Sinjoro Monda Saĝulo. Tiel post kelka tempo Kristano atingis la pordon. Nu, sur la pordo estas skribita—"Frapu, kaj oni malfermos al vi." Li tial frapis, pli ol unufoje aŭ dufoje, dirante :—

"Ĉu mi eniri povos? Ĉu pordisto
Malfermos je antaŭa ribelisto
Sentaŭga? Do, mi kantos en ĉieloj
Eterne laŭdojn Liajn, super steloj."

Fine aliris al la pordo serioza persono nomita Bonvolo, kiu demandas, kiu estas tie, kaj de kie li venas, kaj kion li deziras.

Kris. Tie ĉi estas kompatinda, ŝarĝita pekulo. Mi venas el la Urbo Detruota, sed mi iradas al Monto Ziono, por ke oni savu min de la venonta kolero. Mi volus do, sinjoro—ĉar oni diris ke per tiu ĉi pordo troviĝas la vojo tien—scii ĉu vi volas lasi min eniri.

Mi volas plenkore, diras li : kaj tiel dirinte, li malfermis la pordon.

Tiel, kiam Kristano ekenpaŝis, la alia altiris lin. Tiam diras Kristano,—Kion signifas tio? La alia diras al li—Interspaceton de tiu ĉi pordego estas konstruita fortika kastelo, de kiu Beelzebubo estas la kapitano. El tie, kaj li kaj ili, kiuj estas ĉe li sagojn pafas al tiuj, kiuj alvenas ĉe tiu ĉi pordeto, esperante ilin mortigi antaŭ ol ili povas eniri.

Tiam diras Kristano—Mi ĝojas kaj tremas. Nu, kiam li estas enirinta, la viro ĉe la pordo demandas, Kiu direktis lin tien?

Kris. Evangelisto ordonis, ke mi venu tien ĉi kaj frapu, kiel mi faris; kaj li diris, ke vi, sinjoro, diros al mi kion mi devos fari.

Bon. Malferman pordon oni metas antaŭ ci, kaj neniu ajn povas fermi ĝin.

Kris. Nun mi ekrikoltas la bonaĵojn de miaj hazardoj.

Bon. Sed kiel okazas, ke vi venas sola?

Kris. Ĉar neniuj el miaj najbaroj vidis sian danĝeron tiel same kiel mi vidis mian.

Bon. Ĉu iuj el ili sciis pri via vojirado?

KRIS. Jes; mia edzino kaj infanoj vidis min unue, kaj kriis post mi, ke mi reiru; sed mi metis la fingrojn en la orelojn; kaj tiel venis sur mia vojo.

BON. Sed ĉu neniuj el ili sekvis vin, por konsili vin reiri?

KRIS. Jes; Obstino kaj Fleksemo ambaŭ. Sed kiam ili vidis, ke ili ne povis sukcesi, Obstino revenis insultante, sed Fleksemo venis kun mi iom.

BON. Sed kial li ne travenis?

KRIS. Ni ja kuniris ambaŭ ĝis ni atingis la Ŝlimejon de Senkuraĝeco, en kiun ni ankaŭ subite falis; kaj tiam mia najbaro Fleksemo malkuraĝiĝis kaj ne volis riski plie. Tial elirante ree sur la flankon plej proksiman al sia propra domo, li diras al mi, ke mi povas posedi la bravan landon sola rilate al li; tial li iris sian vojon, kaj mi venis mian—li post Obstino, kaj mi al tiu ĉi pordeto.

Tiam diras Bonvolo, Ve! kompatinda homo; ĉu la ĉiela urbo estas tiel malgrande estimata de li, ke li ne kalkulas, ke ĝi valoras la riskon de malmulto da malfacilaĵoj por atingi ĝin?

Vere, diras Kristano, mi parolis la veron pri Fleksemo; kaj se mi parolus ankaŭ la tutan veron pri mi, ŝajnus ke ne ekzistas supereco inter li kaj mi mem. Estas vere ke li reiris al sia propra domo; sed mi ankaŭ deturnis min flanken por iri en la vojon de la morto, estante decidigita al tio per la karnaj argumentoj de unu Monda Saĝulo.

BON. Ho! ĉu li ektrovis vin? Li, do, deziris, ke vi trovu liberigon per la manoj de Sinjoro Leĝeco? Tiuj estas ambaŭ veraj trompantoj. Sed, ĉu vi akceptis lian konsilon?

KRIS. Jes, laŭ tio, kion mi kuraĝis. Mi iris por trovi Sinjoron Leĝecon, ĝis mi pensas, ke la monto staranta apud lia domo falos sur mian kapon; tial mi tie estis devigita stariĝi.

BON. Tiu monto mortigis multajn, kaj mortigos multajn plu. Estas bone ke vi evitis dispecigon per ĝi.

KRIS. Nu, vere, mi ne scias tion, kio estus okazinta al mi tie, se, ĝoje, Evangelisto ne estus renkontinta min ree dum mi pensadis en la mezo de mia malĝojo; sed estis per la kompato de Dio, ke li venis al mi ree, alie mi ne povis esti irinta tien ĉi. Sed nun mi estas alveninta, tia kia mi estas, vere pli mortinda per tiu monto, ol tiamaniere stari parolante kun mia Sinjoro: sed ho! kia favoro estas tiu ĉi al mi, ke oni donas al mi eniron tien ĉi.

BON. Ni faras neniajn kontraŭparolojn kontraŭ iuj ajn, spite de ĉio, kion ili faris antaŭ ol ili venas tien ĉi; ili "neniel estas forĵetitaj"; kaj tial, bona Kristano, kuniru iom kun mi, kaj mi instruos vin pri la vojo, en kiu vi devas iri. Rigardu antaŭ vi. Ĉu vi vidas

tiun ĉi mallarĝan vojon? *Tiu* estas la vojo en kiu ci devas iri. Estas konstruita de la patriarkoj, la profetoj, Kristo kaj liaj apostoloj, kaj ĝi estas tiel rekta kiel reglilo povas fari ĝin; tiu ĉi estas la vojo en kiu ci devas iri.

Sed, diras Kristano, ĉu ne estas turnoj aŭ kurboj per kiuj fremdulo povas perdi la vojon?

BON. Jes, multe da vojoj konverĝas al tiu ĉi, kaj ili estas kurbaj kaj larĝaj; sed tiamaniere ci povas distingi la rajtan vojon de la malrajtan, nur la rajta estas rekta kaj mallarĝa.

Tiam mi vidis en mia sonĝo ke Kristano demandis al li plue, ĉu li ne povas helpi elŝarĝigi lin de la ŝarĝo, kiu kuŝas sur lia dorso; ĉar ĝis nun li nek estis liberiginta sin, nek li povis iel forpreni ĝin sen helpo.

Li diris al li, Pri cia ŝarĝo kontentiĝu porti ĝin ĝis ci alvenos la lokon de liberigo; ĉar tie ĝi falos per si mem de cia dorso.

Tiam Kristano komencis premigi sian zonon, kaj adresi sin al la vojaĝo. Tiel la alia diris al li ke, kiam li estos irinta kelke da interspaco de la pordeto, li alvenos la domon de la Klarigisto, ĉe kies pordo oni devas frapi, kaj li montros al li bonegajn aferojn. Tiam Kristano faris adiaŭon al sia amiko, kaj tiu ĉi ree diris al li diprosperon.

---

## ĈAPITRO 5a.

*Kristano en la domo de l' Klarigisto vidas pentraĵojn kaj aliajn objektojn alegoriajn, inter kiuj—polvoplenan ĉambron, Pasion kaj Paciencon, la neestingeblan fajron, la palacon kaj la bravulon, la enkaĝulon, la sonĝinton pri la lasta juĝo.*

TIAM li iradis ĝis li atingis la domon de la Klarigisto, kie li frapis fojon post fojo. Fine iu venis al la pordo interne, kaj demandis, Kiu venas?

KRIS. Sinjoro, tie ĉi estas vojaĝanto, kiun ordonis konatulo de la bona mastro de tiu ĉi domo viziti tien ĉi por mia profito. Mi tial volas paroli kun la mastro de la domo.

Tiel li petis, ke oni alvenigu la mastron de la domo, kiu, post iom da tempo, venis al Kristano, kaj demandis lin, kion li deziras.

Sinjoro, diris Kristano, mi estas homo kiu estas veninta el la Urbo Detruota, kaj iradas Monton Zionon; kaj la homo kiu staras ĉe la pordo de la enirejo de tiu ĉi vojo informis min, ke se mi venus tien ĉi, vi montrus al mi bonegajn aferojn, tiajn kiel helpus min dum mia vojaĝo.

Tiam diris la Klarigisto—Envenu. Mi montros al ci tion, kio estos profita al ci. Tiel li ordonis, ke lia servanto eklumigu la kandelon, kaj petis ke Kristano sekvu lin. Tiel li enirigis lin en privatan ĉambron, kaj ordonis, ke lia servanto malfermu la pordon; kaj kiam oni tion faris, Kristano vidis portreton de tre serioza homo pendantan ĉe la muro, kaj tiu ĉi estis la fasono de ĝi: ĝiaj okuloj leviĝis ĉielen, la plej bona el libroj en la mano, la leĝo de la vero estas enskribita sur la lipojn, la mondo estis malantaŭe de la dorso. Li staris kvazaŭ li petegas la homojn, kaj krono de oro pendiĝis super la kapo.

Tiam diras Kristano, Kion signifas tio ĉi?



*Klarigisto klarigas gravajn aferojn.*

KLAR. La viro, kies portreto tiu ĉi estas, estas unu el milo. Li povas naskigi infanojn, porti infanojn ĝis naskiĝo, kaj li mem varti ilin post ilia naskiĝo. Kaj ĉar ci vidas lin, kun liaj okuloj levigitaj al la ĉielo, la plej bona el libroj en la mano, kaj la leĝo de la vero skribita sur la lipojn, tiuj ĉi estas por montri cin, ke lia laboro estas koni kaj malvolvi mallumajn aferojn al pekuloj, eĉ kiel ankaŭ ci vidas lin starantan kvazaŭ li pledadas kun homoj. Kaj ĉar ci vidas

la mondon esti kvazaŭ forĵetita malantaŭen, kaj ke krono pendas super lia kapo, tiuj ĉi estas por montri al vi, ke, malgrandigante kaj malestimante la nunajn aferojn el la amo kiun li posedas por la servado de sia Mastro, li certiĝas ke en la venonta mondo, li havos gloron kiel rekompencon. Nun, diras la Klarigisto, mi montris tiun ĉi portreton al ci unue, ĉar la homo kies portreto tiu ĉi estas, estas la sola homo, kiun la Sinjoro de la loko, kien vi iradas, estas rajtiginta por esti cia gvidanto tra ĉiuj malfacilaj lokoj, kiujn vi renkontos en la vojo; tial tre zorgu pri tiuj aferoj, kiujn mi estas montrinta al vi, kaj pripensu bone pri tio, kion vivi dis, de timo ke dum cia vojaĝado ci renkontos kelkajn, kiuj pretendos gvidi cin rekte, sed ilia vojo malsupreniras ĝis la morto.

Poste li mankondukis lin en tre grandan parolejon, kiu estas plenigita je polvo, ĉar oni neniam balais ĝin; kiun, post rigardado de ĝi dum iom da tempo, la Klarigisto alvokis viron por balai. Nu, kiam tiu ĉi komencis balai, la polvo ekdisflugis tiel nube, ke Kristano preskaŭ sufokiĝis. Tiam diris la Klarigisto al junulino, kiu apudstaris—Alportu tien ĉi akvon kaj ŝprucigu sur la ĉambron; kaj kiam ŝi tiel estis farinta, oni balais kaj purigis ĝin plezure.

Tiam diras Kristano: Kion signifas tio ĉi?

La Klarigisto respondas—Tiu ĉi parolejo estas la koro de homo kio neniam estis sanktigita per la dolĉa favoro de le Evangelio. La polvo estas lia originala peko kaj internaj putroj, kiuj estas malpuriginta la tutan homon. Li kiu komencis balai unue estas la leĝo; sed ŝi kiu alportis la akvon kaj ŝprucigis ĝin, estas la Evangelio. Nu, ĉar ci vidis, ke de l' tempo kiam la unua komencis balai, la polvo tiel disflugis ke la ĉambro ne povis per li esti purigata, sed ci estis preskaŭ sufokita per tio; tio ĉi estas por montri al ci, ke la leĝo, anstataŭ purigi la koron (per ĝia funkciado) de peko, revivigas, fortigas, kaj kreskigas ĝin en la animo, eĉ kiel ĝi montras kaj malpermesas ĝin; ĉar ĝi ne donas povon por ĝin subpremi.

Plie, kiel ci vidis la junulinon ŝprucigi la ĉambron per akvo, post kio oni purigis ĝin kun plezuro, tio ĉi estas por montri al ci, ke, kiam la Evangelio eniras, kun ĝiaj dolĉaj kaj multvaloraj influoj, en la koron, tiam, mi diras, eĉ kiel ci vidis la junulinon kuŝigi la polvon per la ŝprucado de la planko per akvo, tiel estas peko venkita kaj submetigita, kaj la animo purigita per ĝia kredo, kaj sekve farita deca por la loĝado de la Reĝo de Gloro.

Mi vidis plie, en mia sonĝo, ke la Klarigisto mankondukis lin, kaj enirigis lin en malgrandan ĉambron kie sidis du junuloj, ĉiu en sia seĝo. La nomo de la pli maljuna estas Pasio, kaj la nomo de la alia, Pacienco. Pasio ŝajnis esti tre malkontenta; sed Pacienco

estis tre trankvila. Tiam Kristano demandas—Kio estas la kaŭzo de la malkontenteco de Pasio? La Klarigisto respondas—La reganto de ili volas, ke li atendu siajn plej bonajn aferojn ĝis la komenco de la venonta jaro; sed li volas havi ĉion nun. Sed Pacienco volonte atendos.



*Pasio kaj Pacienco.*

Tiam mi vidis, ke iu venis al Pasio kaj alportis al li sakon da trezoro, kaj elŝutis ĝin ĉe la piedoj; kion li ekprenis kaj per ĝi ĝojigis sin, kaj pro tio ridis Paciencon moke; sed mi rigardadis nur iom da tempo, kaj li estas elspezinta ĉion; kaj jen li nur posedas ĉifonojn.

Tiam diris Kristano al la Klarigisto—Klarigu tiun ĉi aferon pli plene al mi.

Tiel li diris—Tiuj ĉi knaboj estas figuroj—Pasio de la homoj de tiu ĉi mondo, kaj Pacienco de la homoj de la venonta. Ĉar, kiel tie ĉi ci vidas, Pasio volas havi ĉion nun, tiun ĉi jaron—por tiel diri, en tiu ĉi mondo—tiaj estas la homoj de tiu ĉi mondo; ili deziregas havi ĉiujn siajn bonaĵojn nun; ili ne povas atendi ĝis la venonta jaro—por tiel diri, ĝis la venonta mondo—por

sia porcio da bono. Tiu proverbo, "Birdo en la mano valoras du en la arbeto," posedas pli da rajtigo inter ili, ol ĉiuj la diaj atestoj pri la bono de la mondo venonta. Sed kiel ci vidis, ke li rapide malŝparis ĉion, kaj baldaŭ posedis nur ĉifonojn, tiamaniere estos ĉe ĉiuj tiaj homoj en la fino de tiu ĉi mondo.



*Elspeziteco de Pasio.*

Tiam diris Kristano—Nun mi vidas, ke Pacienco posedas la plej bonan saĝon, kaj tio pro kelkaj kaŭzoj—1e. Ĉar li atendas por la plej bonaj aferoj; kaj ankaŭ 2e. Ĉar li posedos la gloron de siaj tiam, kiam la alia havos nenion krom ĉifonoj.

KLAR. Ne, sed vi povas ankaŭ aldoni alian, nome—La gloro de la mondo venonta neniam eluziĝos; sed tiuj ĉi subite malaperas. Tial Pasio ne havis tiom da kaŭzo por ridi Paciencon ĉar li havis siajn plej grandajn bonaĵojn unue, kiom havos Pacienco por ridi Pasion; ĉar li havas siajn plej bonajn aferojn laste. Ĉar la unua devos cedi lokon al la lasta, ĉar lasta devos havi venontan tempon; sed la lasta cedas lokon al nenio, ĉar ne estas alia por sekvi. Li, do, kiu ricevis sian porcion unue, necese devos havi tempon en kiu elspezi ĝin; sed tiu, kiu ricevos sian porcion laste, devas havi ĝin daŭre; tial oni diras pri Divez'o "Dum cia vivtempo ci ricevis ciajn bonaĵojn,

kaj same Lazaro malbonaĵojn; sed nun oni komfortas lin, kaj ci turmentiĝas."

Kris. Do mi ekvidas, ke ne estas plej bone deziregi aferojn, kiuj nun estas, sed atendi venontajn aferojn.

Klar. Vi diras la veron: "Ĉar la aferoj, kiujn oni vidas estas tempaj, sed la nevidataĵoj estas eternaj." Sed, kvankam tio estas tiel, tamen ĉar nunaĵoj kaj nia karna apetito estas tiel proksimaj najbaroj, unu ĉe alia, kaj plie, ĉar venontaĵoj kaj karna sento estas tiaj nekonatuloj unu ĉe alia, tial estas ke la unuaj el tiuj ĉi tiel subite faras amikecon, kaj ke malproksimeco tiel daŭras inter la duaj.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke la Klarigisto prenis Kristanon per la mano, kaj lin kondukis en lokon kie brulas fajro apud muro, kaj persono, staranta proksime je ĝi, kiu ĉiam surĵetis akvon sur ĝin por estingi ĝin: tamen la fajro bruladas pli alte kaj pli varmege.

Tiam diris Kristano—Kion signifas tio ĉi?

La Klarigisto respondis—Tiu ĉi fajro estas la efiko de dia favoro, kiu estas farita en la koro. Tiu, kiu surĵetas akvon sur ĝin por estingi ĝin estas la diablo; sed ĉar ci vidas ke la fajro, malgraŭ li, brulas pli alte kaj pli varmege, ci ankaŭ vidos la kaŭzon de tio. Tial li kondukis lin ĉirkaŭen al la posta flanko de l' muro, kie li vidas viron kun kruĉo da oleo en la mano, el kiu li ankaŭ ĉiam elverŝas, sed sekrete, en la fajron.

Tiam diras Kristano—Kion signifas tio ĉi?

La Klarigisto respondis—Tio ĉi estas Kristo, kiu ĉiam, per la oleo de sia favoro, subtenas la agadon jam komencitan en la koro; per kio, malgraŭ tio, kion la diablo povas fari, la animoj de Lia popolo daŭras favorindaj ankoraŭ. Kaj ĉar ci vidis, ke la viro staris malantaŭ la muro por subteni la fajron, tio ĉi estas por instrui cin, ke estas malfacile por la tentatoj vidi kiel oni subtenas tiun ĉi agadon de dia favoro en la animo.

Mi vidis ankaŭ, ke la Klarigisto lin prenis per la mano, kaj kondukis lin en plezurejon, kie konstruiĝis majesta palaco, belega por rigardi, je la vido de kiu Kristano estas tre plezurigita. Li vidis ankaŭ sur la supraĵo de tio kelkajn personojn promenantajn, kiuj estas vestitaj tute ore.

Tiam diras Kristano,—Ĉu ni povas eniri tien?

Tiam la Klarigisto prenis lin kaj kondukis lin supren, ĝis la pordo de la palaco, kaj jen ĉe l' pordo staras amaso da homoj, ĉiuj dezirantaj eniri, sed ili ne kuraĝis. Tie ankaŭ sidis viro ne malproksime de la pordo, ĉe l' flanko de tablo, kun libro kaj lia inkokorno antaŭ si, por enskribi la nomojn de tiuj, kiuj volus eniri tien. Li vidis ankaŭ

ke en la pordejo staris multe da viroj armitaj por defendi ĝin, kiuj estis decidintaj kontraŭstari kaj vundi laŭ sia povo la homojn kiuj volis eniri. Nun estis Kristano iom mirigita kaj timigita. Fine, kiam ĉiuj ekiris malantaŭen pro timo de la armituloj, Kristano vidis viron kiu posedis tre kuraĝan vizaĝon, venantan al la viro kiu sidis por skribi; kaj tiu diris, Enskribu mian nomon, Sinjoro; kion tiu faris, kaj tiam Kristano vidis la viron eltiri sian glavon, kaj meti kaskon sur la kapon kaj sin ĵeti al la pordo sur la armitulojn, kiuj atakis lin kun mortiga forto; sed la viro tute ne malkuraĝigita, komencis tranĉadi kaj hakadi tre furioze. Nu post la ricevado kaj donado de multe da vundoj al tiuj, kiuj penis teni lin ekstere, li tratranĉis sian vojon tra la tuto, kaj rapidis en la palacon; je kio, oni aŭdis agrablan voĉon el tiuj, kiuj estis en tie, eĉ el tiuj, kiuj promenadis sur la supro de la palaco, dirante—

"Envenu, envenu venkonto,
De gloro eterna gajnonto."

Tiel li eniris, kaj estis vestita en vestoj similaj al iliaj. Tiam ridetis Kristano, kaj diris—Mi pensas, vere, ke mi scias la signifon de tio ĉi.



*La enkaĝita mizerulo.*

Nun, diris Kristano, permesu ke mi foriru. Ne, restu, diras la Klarigisto, ĝis tiam, kiam mi estos montrinta al ci iom plu, kaj poste ci povos foriri sur cian vojon. Tiel li manprenis lin ree, kaj kondukis lin en tre malluman ĉambron, kie sidas viro en fera kaĝo.

Nu tiu viro, ŝajne estis tre malĝoja. Li sidas kun la okuloj rigardantaj la teron, la manoj kunplektitaj, kaj li ekĝemas kvazaŭ lia koro estus rompita. Tiam diras Kristano—Kion tio ĉi signifas? Je kio, la Klarigisto ordonis, ke li parolu kun la viro.

Tiam diris Kristano al la viro, Kia ci estas? La viro respondas—Mi ne estas tia, kia mi antaŭe estis.

Kris. Kia ci estis antaŭe?

La viro diris—Iam mi estis bonŝajna kaj floranta konfesanto, kiel en miaj propraj okuloj tiel en la okuloj de aliaj. Mi iam, kiel ŝajnis al mi, iris bone al la Ĉiela Urbo, kaj tiam eĉ ĝojis pro la penso, ke mi tion atingos.

Kris: Nu, sed kia ci estas nun?

Viro. Mi nun estas malesperulo kaj estas enfermita en malesperon kiel en tiun ĉi feran kaĝon. Mi ne povas eliri; ho! nun mi ne povas!

Kris. Sed kiel ci eniris en tiun ĉi staton?

Viro. Mi ĉesis zorgi kaj esti sobra. Mi lasis la kondukilojn sur la kolon de miaj karnaj deziroj; mi pekis kontraŭ la lumo de la parolo kaj la boneco de Dio. Mi estas ĉagreninta la Spiriton, kaj Li estas foririnta; mi tentis la diablon kaj li estas veninta ĉe min; mi incitis Dion al kolero, kaj Li forlasis min; mi tiel malmoligis mian koron, ke mi ne povas penti.

Tiam diras Kristano al la Klarigisto—Sed ĉu estas nenia espero por tia homo, kiel tiu ĉi? Demandu al li, diris la Klarigisto.

Tiam diras Kristano—Ĉu ekzistas nenia espero, sed nur ke vi devas resti en la fera kaĝo de malespero?

Viro. Ne, nenia ajn.

Kris. Kial? La Filo de la Benato estas tre kompatema.

Viro. Mi estas krucuminta Lin por mi mem denove; mi estas malestiminta Lian personon; mi estas malestiminta Lian justecon; mi rigardis Lian sangon kiel malsanktaĵon; mi prezentis malestimon antaŭ la Spirito de favoro; tial mi elapartigis min el ĉiuj la promesoj; kaj nun restas al mi nenion krom minacoj, teruraj minacoj, veraj minacoj de certa juĝo kaj brula kolerego kiu elmanĝos min kiel kontraŭulon.

Kris. Por kio vi alportis vin en tiun ĉi staton?

Viro. Por la avidecoj, la plezuroj kaj la profitoj de tiu ĉi mondo, ĝuante kiujn, mi promesis min multe da plezurego; sed

nun ĉiu el tiuj aferoj mordas kaj mordetas min kiel mordas bruliga vermo.

KRIS. Sed ĉu ci ne nun povas penti kaj turni cin?

VIRO. Dio estas rifuzinta penton al mi. Lia parolo donas al mi nenian kuraĝigon por kredi; jes, Li mem fermis min en tiun ĉi feran kaĝon, nek povas la tuta homaro lasi min eliri! Ho Eterneco! Eterneco! Kiel mi povos batali kontraŭ la mizero, kiun mi devas renkonti en la eterneco!



*La malesperulo rakontas sian historion.*

Tiam diras la Klarigisto al Kristano—Memoru la mizeron de tiu ĉi viro, kaj ĝi estu ĉiama averto por ci.

Nu, diras Kristano, tio ĉi estas teruriga! Dio helpu min vigli kaj esti sobra, kaj preĝi ke mi evitu la kaŭzon de la mizero de tiu ĉi homo. Sinjoro, ĉu ne estas tempo ke mi vojiru nun?

KLAR. Atendu ĝis mi montros al ci unu aferon plu, kaj poste ci povos vojiri.

Tiel li ree mankondukis Kristanon en ĉambron, kie iu leviĝis el lito, kaj dum li vestis sin, li skuiĝis kaj tremis. Tiam diras Kristano

—Kial tiu ĉi viro tiel tremas? La Klarigisto tiam ordonis, ke li rakontu al Kristano la kaŭzon de tio. Tiel li komencas kaj diras—Tiun ĉi nokton, dum mi dormis, mi sonĝis, kaj jen la ĉielo fariĝis nigrega. Ankaŭ tondris kaj fulmis terurege, tiamaniere ke mi agoniis. Tiel en mia sonĝo mi levis miajn okulojn kaj vidis la nubojn kurantajn pli rapide ol kutime, kaj jen oni faris grandegan sonon de trumpeto, kaj mi vidis, sidantan sur nubo, viron akompanatan de la miloj de la ĉielo. Tiuj ĉi aperis cirkaŭitaj de flamanta fajro; ankaŭ la ĉieloj mem estis en brulanta flamo. Mi tiam aŭdis voĉon, kiu diras—"Levu vin, vi mortintoj, kaj venu al la juĝado!" Kaj samtempe la ŝtonegoj kreviĝis, la tomboj malfermiĝis, kaj la mortintoj kiuj estis tie eliris. Kelkaj el ili ĝojegis, kaj suprenrigardis, kaj aliaj serĉis kaŝi sin sub la montojn. Tiam mi vidis, ke la viro, kiu sidas sur la nubo malfermis la libron kaj ordonis, ke la mondo alproksimiĝu; sed ekzistis teruriga flamo, kiu eliris antaŭ Li, konvena interspaco inter Li kaj ili, same kiel inter juĝisto kaj la malliberuloj juĝotaj. Oni ankaŭ proklamis al tiuj kiuj atendis ĉe la nubo, "Kolektu la malbonherbojn, la ŝelojn kaj la pajlrestaĵojn kaj ilin eljetu en la brulantan lagon"; kaj tuj la senfunda kavo malfermiĝis tre proksime de kie mi staris, kaj el ĝia buŝo eliris amasege fumo kaj fajraj karboj, kune kun malbonsonegaj bruadoj. Oni ankaŭ diris al la samaj personoj—"Kolektu mian tritikon en la grenejon." Kaj jen mi vidis, ke multajn oni kaptis kaj ilin suprenportis en la nubojn; sed min oni lasis malantaŭe. Mi ankaŭ penis kaŝi min, sed tion mi ne povis fari, ĉar la homo, kiu sidis sur la nubo ankoraŭ direktis sian rigardon sur min. Miaj pekoj ankaŭ venis en mian animon, kaj mia konscienco kulpigis min ĉiuflanke. Tiun ĉi vidinte, mi vekiĝis el mia dormo.

Kris. Sed kio timigis vin pro tiu ĉi vidaĵo?

Viro. Nu, mi pensis, ke la juĝa tago alvenis, kaj ke mi ne estis preta por ĝi. Sed tio, kio plej timigis min estas, ke la anĝeloj kolektis kelkajn, kaj lasis min poste. Ankaŭ la infera kavo malfermis sian buŝon tie, kie mi staris. Mia konscienco ankaŭ dolorigis min, kaj, mi pensis, ke la Juĝisto ĉiam direktis sian okulon sur min, montrante koloregon en sia vizaĝo.

Tiam diris la Klarigisto al Kristano— u ci konsideris ĉiujn tiujn ĉi aferojn?

Kris. Jes; kaj ili kaŭzas al mi kaj esperon kaj timon.

Klar. Nu, tenu ĉiujn tiujn ĉi aferojn en cia memoro tiamaniere, ke ili estu kiel instigilo en ciaj flankoj, por piki cin antaŭen en la vojo sur kiu ci devas iri. Tiam Kristano ekzonis sin kaj rekomencis sian vojaĝadon. Tiam diris la Klarigisto, La Komfortisto estu ĉiam



*Kristano revojiradas.*

kun ci, bona Kristano, por gvidi cin en la vojo, kiu kondukas al la Urbo! Tiel Kristano iradis, dirante:—

Mi maloftaĵojn por profiti vidis;
Post plaĉoj, teruraĵoj min rigidis;
Dum la vojaĝo, mi nun devas preni,
Pri ili mi pensadu, por kompreni
Ĉies signifon; kaj ĉiam en koro
Pri Klarigisto estu dankmemoro.

---

## Ĉapitro 6a.

*Kristano ĉe l' kruco perdas sian ŝarĝon.—La dormemuloj.—Ceremoniulo kaj Hipokriteco.*

Nu mi vidis en mia sonĝo ke la vojo sur kiu Kristano devis iri estas ŝirmita ambaŭflanke per muroj, kaj la muron oni nomis Savo. Sur tiu ĉi vojo, do, la ŝarĝita Kristano kuris, sed nur malfacilege pro la ŝarĝo sur lia dorso.

Tiel kuris li ĝis li atingis lokon iom suprenklinantan ; kaj tie staris kruco, kaj iom malsupre, en la fundo, tombo. Nu mi vidis en mia sonĝo, ke, ĝuste tiam, kiam Kristano alvenis la krucon, lia ŝarĝo delasiĝis de liaj ŝultroj, kaj defalis de lia dorso, kaj ekfalis kaj ruladis ĝis la buŝo de l' tombo, kien ĝi enfalis, kaj ĝin mi ne vidis plu.



*La Kruco kaj la Tombo: Liberigo.*

Tiam estis Kristano ĝoja kaj malpezeca, kaj diris el gaja koro—Li donis al mi ripozon per Sia malĝojo, kaj vivon per Sia morto. Tiam li staris iom por rigardi kaj miri ; ĉar estis al li tre surpriziga ke la vidiĝo de l' kruco tiel liberigus lin de lia ŝarĝo. Li rigardis, do, kaj rerigardis, eĉ ĝis la fontoj en lia kapo liveris la larmojn malsupren sur la vangojn. Nu, dum li staris rigardante kaj plorante, jen venis tri brilantuloj kaj salutis lin per, "La paco estu ĉe ci." Nu, la unua diras al li "Ciaj pekoj estu al ci pardonataj" ; la dua senigas lin de liaj ĉifonoj, kaj vestas lin per alia vestaĵo. La tria ankaŭ "metas signon sur lian frunton," kaj donas al li pergamenon sursigelitan, kiun li ordonis, ke li legu dum sia kurado, kaj ke li prezentu ĝin ĉe

l' pordo ĉiela—tiel ili vojiris. Tiam eksaltis Kristano trifoje pro ĝojo, kaj iradis, kantante:—

> "Mi tien ĉi atingis, pekŝarĝita,
> Per ĉiuj rimedoj nur malĝojigita,
> Ĝis nun: La loko vere stranga ŝajnas!
> Ĉu mi komence feliĉegon gajnas?
> Ĉu oni ŝarĝon de la dorso levos?
> Ĉu tie ĉi ligiloj ĝiaj krevos?
> Benita tombo! kruco!—Li benita—
> La Viro, por mi tie hontigita!"

Mi vidis poste, en mia sonĝo, ke li tiel iradis ĝis li alvenis al fundo, kie li vidis, iom for de l' vojo, tri virojn eldormantajn, kun katenoj sur la piedoj. Oni nomis la unuan Naivegulo, alian, Mallaboremo, la trian Tromemfido.



*Dormo kaj danĝero.*

Kristano do, vidante ilin kuŝi en tiu stato, iris al ili, se eble li povu veki ilin, kaj kriis—"Vi estas similaj al tiuj, kiuj dormas sur la pinto de masto, ĉar la Senviva Maro estas sub vi—golfo senfunda; vekiĝu, do, kaj venu for; estu volemaj ankaŭ, kaj mi helpos liberigi

vin el viaj katenoj." Li ankaŭ diris al ili—Se tiu, kiu promenadas kvazaŭ li estus blekeganta leono preterpasus, vi certe fariĝus kaptaĵo por liaj dentoj. Je tio, ili rigardis lin, kaj ekrespondis al li jene :—Naivegulo diras: Mi vidas nenian danĝeron ; Mallaboremo diras, Ankoraŭ iom pli da dormo ! kaj Tromemfido diras, Ĉiu barelo devas stari sur ĝia propra malsupro. Kaj tion dirinte, ili rekuŝiĝis por dormi, kaj Kristano daŭrigis sian vojiradon.

Tamen li malĝojiĝis, sciante ke homoj en tia danĝero povis tiel malmulte estimi la bonecon de tiu, kiu tiel bonvole proponis helpi ilin, kiel per la veko de ili, tiel per la konsilo, kaj per la propono helpi ilin liberigi sin el la katenoj. Kaj dum li sentis tian malĝojon, li ekvidas du virojn, kiuj transrampis rapidege la muron maldekstre de la mallarĝa vojo, kaj ili rapidis al li. La nomo de l' unua estis Ceremoniulo, kaj la nomo de la alia Hipokriteco. Tiel, kiel mi diris, ili alproksimiĝis al li, kaj li komencis interparoladi kun ili.

KRIS. Sinjoroj, de kie vi venas, kaj kien vi iras ?

CERE. *kaj* HIP. Ni naskiĝis en la lando de Vangloro, kaj iradas por laŭdo al Monto Ziono.

KRIS. Kial vi ne eniris tra la pordo, kiu staras ĉe l' komenco de la vojo ? Ĉu vi ne scias ke estas skribite ke, "Tiu, kiu ne envenas per la pordo, sed per alia ajn vojo, tiu sama estas ŝtelisto kaj rabisto ?"

Ili respondas ke iri al la pordo por eniri, ĉiuj iliaj samlandanoj konsideras tro longa vojo, kaj tial ilia kutima metodo estas fari mallongan trairon, kaj transrampi la muron, kiel ili nun faris.

KRIS. Sed ĉu oni ne kalkulos ĝin kiel ofendon kontraŭ la Sinjoro de l' Urbo, kien ni vojaĝas, tiel malrespekti Lian malkaŝitan volon ?

Ili diras al li ke, pri tio, li ne bezonas ŝarĝi sian kapon, ĉar kutimo apogas ilin en tiu ĉi afero, kaj ili povus prezenti, se bezonata, atestaĵon kiu atestus ĝin de pli ol mil jaroj.

Sed, diris Kristano, ĉu ĝi sukcesos post proceso ?

Ili diras, ke ĉar la kutimo jam daŭris pli ol miljaron, ĝin sendube senpartia juĝisto akceptus kiel leĝan ; kaj krom tio, diras ili, ĉar ni nun estas en la vojo, kion signifas la maniero de nia eniro ? Se ni estas en ĝi, ni certe estas en ĝi. Ci kiu eniris per la pordeto, nur estas en la vojo, kaj ni ankaŭ estas en la vojo, kvankam ni transrampis la muron por eniri. En kio estas cia stato pli bona ol la nia ?

KRIS. Mi iras laŭ la regulo de mia Mastro ; vi marŝas laŭ la kruda funkciado de viaj imagoj. Vi estas jam rigardataj kiel ŝtelistoj de la Sinjoro de la vojo ; tial mi timas, ke oni ne trovos vin veraj viroj ĉe la fino de la irado. Vi eniras sen lia ordono, kaj eliros solaj sen lia kompato.

Je tio, ili faris al li nur malmulte da respondo; esceptinte ke ili diris, ke li zorgu pri si. Tiam mi vidis, ke ĉiu daŭrigis laŭ sia propra vojo sen multe da interparolado; escepte ke tiuj ĉi du viroj diras al Kristano ke, pri leĝoj kaj ordonaĵoj, ili ne dubas, ke ili tiel konscience tiajn obeos kiel li. Tial, daŭrigas ili, ni ne vidas en kio ci diferencas de ni nur laŭ la vesto, kiu troviĝas sur cia dorso; kaj kiun, kiel oni divenas, kelkaj el ciaj najbaroj donacis al ci, por kaŝi la honton de cia nudeco.

KRIS. Per leĝoj kaj ordonaĵoj vi ne estos savitaj, tial ke vi ne eniris per la pordo. Kaj pri la vesto, kiu troviĝas sur mia dorso, ĝi estas donitaj al mi de la Sinjoro de la loko kien mi iras, kaj vere, kiel vi diras, por kovri mian nudecon. Kaj mi estimas ĝin kiel signon de boneco al mi, ĉar antaŭe mi posedis nenion krom ĉifonoj; kaj plie, mi jene komfortas min irante: Certe, mi pensadas, kiam mi venos al la pordego de l' urbo, ĝia Sinjoro rekonos min por mia bono, ĉar mi portas Lian veston sur la dorso—veston, kiun li donacis al mi senpage, je l' tago kiam li senigis min je miaj ĉifonoj. Mi posedas, plie, signon sur mia frunto, pri kiu vi eble ne rimarkis, kiun unu el la plej intimaj el la kunuloj de mia Sinjoro tien fiksis, je la tago kiam mia ŝarĝo falis de miaj ŝultroj. Mi diros al vi, plie, ke oni tiam donis al mi sigelitan rulon, por komforti min legante laŭlonge la vojo. Oni ankaŭ ordonis, ke mi liveru ĝin ce l' pordego ĉiela, kiel signon de mia certa eniro post ĝi. Ĉiuj kiuj aferoj al vi sendube mankas, kaj mankas, ĉar vi ne eniris per la pordego.

Je tiuj ĉi paroloj, ili faris nenian respondon; nur ili rigardis unu la alian kaj ridis. Tiam mi vidis, ke ili ĉiuj iradis, sed Kristano iris antaŭe, kaj parolis nur kun si, jen sopire, jen komforte; ankaŭ li ofte legadis en la pergameno, kiun unu el la brilantuloj donis al li, kaj per tio li refreŝiĝis.

Mi rigardis tiam, kaj vidis, ke ili ĉiuj iradas ĝis ili atingas la piedon de la monteto Malfacileco, je kies malsupro troviĝas fonto.

---

## ĈAPITRO 7ª.

*La monteto Malfacileco.—Timetulo kaj Suspektemo malantaŭeniras.—Kristano perdas sian pergamenon, sed poste ĝin retrovas.*

ESTIS ankaŭ en la sama loko du aliaj vojoj krom tiu, kiu elkondukas rekte de la pordeto. Unu turniĝis maldekstren, kaj la alia dekstren, ĉe la malsupro de la monteto; sed la mallarĝa vojo sin montris rekte trans la monteto, kaj la nomo de la montetsuprenirejo estas

Malfacileco. Kristano nun iras al la fonto kaj trinkas el ĝi por refreŝi sin, kaj tiam eksupreniris la monteton, dirante—

"Mi volas altan monton supreniri,
Malfacileco povas ne detiri,
Ĉar mi ekvidas vojon ĝis la vivo;
Kuraĝu, do, ne tîmu pri deklivo;
Pli bone ĉiam estas rekta vojo,
Ol pli facila sed ĝis la malĝojo."

La du aliaj venis ankaŭ ĉe l' piedon de l' monteto; sed kiam ili vidis, ke la monteto estas kruta kaj alta, kaj ke ekzistas du aliaj vojoj sur kiuj oni povas iri, kaj supozante ke tiuj ĉi vojoj eble kuniras poste kun tiu, sur kiu Kristano supreniras, ĉe la alia flanko de la monteto, tial ili decidas iri laŭlonge de tiuj vojoj. Nu, la nomo de unu el tiuj vojoj estas Danĝero, kaj la nomo de la alia Detruo. Tiel la unu iris per la vojo nomata Danĝero, kiu enkondukis lin en arbaron; kaj la alia sekvis rekten supren la vojon al Detruo, kiu enkondukis lin en larĝan kampon, plenigitan de mallumaj montoj, kie li faletis kaj falis, kaj neniam leviĝis plu.

Mi tiam rigardis Kristanon por vidi lin suprenirantan la monteton, kie mi ekvidis ke li ŝanĝis de kurado ĝis marŝado, kaj poste de marŝado ĝis suprenrampado sur la manoj kaj genuoj, ĉar la loko estas tiel kruta. Nu ĉirkaŭ meze al la supro troviĝis plaĉa laŭbo, farita de l' Sinjoro de la monteto por la refreŝigo de lacaj vojaĝantoj. Tien, do, Kristano alvenis, kie ankaŭ li sidis por ripozi. Tiam li eltiris la pergamenan rulon el sia brusto, kaj legis en tiu por komforti sin. Li ankaŭ nun rekomencas ekzameni la veston, kiun oni donacis al li dum lia starado apud la kruco. Tiamaniere, plaĉante sin dum iom da tempo, li fine ekdormis, kaj poste dormegis, kaj tio detenis lin en tiu loko ĝis preskaŭ nokto; kaj dum lia dormado la pergameno elfalis el lia mano. Nu, dum lia dormado unu homo venas al li kaj vekas lin, dirante, "Iru al la formiko, dormemulo; konsideru ĝiajn agojn, kaj saĝiĝu." Je tio, Kristano subite leviĝis kaj rapidis sur sian vojon, kaj marŝis rapide ĝis li alvenis al la supro de la monteto.

Nu kiam li alvenis ĉe la supro de l' monteto, du viroj kuris renkonte al li. Unu estas nomita Timetulo, kaj la alia Suspektemo, al kiuj diris Kristano, Sinjoroj, kio okazis? vi kuras la malpravan direkton. Timetulo respondas, ke ili iradis al la Urbo Ziono, kaj sukcesis supreniri tiun ĉi malfacilan lokon, sed, diris li, ju pli malproksimen ni iras, des pli da danĝero ni renkontas, tial ni nin turnis, kaj nun ni revenadas.

Jes, diris Suspektemo ; ĉar rekte antaŭ ni kuŝas duo da leonoj en la vojo, ĉu dormantaj, ĉu vekantaj, ni ne scias ; kaj ni ne povis ne pensi ke, se ni fariĝus atingeblaj, ili baldaŭ disŝirus nin.

Tiam diras Kristano—Vi timigas min, sed kien mi povas flugi por esti for de la danĝero ? Se mi revenus al mia propra lando, tio estas difinita por la fajro kaj sulfurŝtono, kaj certe mi pereus tie. Se mi povos alveni al la ĉiela urbo, mi estas certa, ke mi estos tie en sendanĝereco. Mi estas devigata riski ; reiri estos nenio krom la morto, kaj iri antaŭen estas timo de morto, kun vivo eterna post ĝi. Mi tamen volas iri antaŭen. Tiel Suspektemo kaj Timetulo kuris malsupren de la monteto, kaj Kristano daŭrigis sian marŝadon. Sed ree pensante pri tio kion li estas aŭdinta de la viroj, li palpis en sia brustaĵo por la pergameno, por ke li legu en tio, kaj komfortiĝu ; sed palpinte, li ne povis ĝin trovi. Tiam estis Kristano en granda mizero kaj ne sciis kion fari ; ĉar li bezonis tion, kio kutime komfortis lin, kaj tion, kio estus lia pasporto en la ĉielan urbon. Tie ĉi, do, li ekkonfuziĝis, kaj ne sciis kion fari. Fine li ekmemoris, ke li dormis en la laŭbo kiu kuŝas sur la flanko de l' monteto ; kaj falante sur la genuojn, li petis Dian pardonon por sia malsaĝa ago, kaj tiam reiris por serĉi sian pergamenon. Sed laŭlonge de la tuta vojo, kiu povas sufiĉe montri la malĝojon de l' koro de Kristano ! Jen li sopiras, jen li ploras, kaj multefoje li riproĉas sin pro tio, ke li ekdormis en tiu loko, kiun oni konstruis nur por doni iom da refreŝado dum laceco. Tiel, do, li reiris, zorge rigardante ambaŭflanken la tutan vojon dum sia irado, se eble li povas trovi la pergamenon, kiu estis lia komfortilo tiel ofte dum la vojaĝo. Li marŝadis tiamaniere ĝis li venis tien, kie li povis vidi la laŭbon, kie li kuŝis kaj dormis ; sed tiu vidaĵo renovigis lian malĝojon, des pli ĉar ĝi realportis en lian animon la malbonon de lia dormado. Tiel, do, li nun marŝas, bedaŭrante sian pekan dormadon, kaj dirante : Ho ! mizera viro kia mi estas ! Ke mi estas lasinta min dormi dum la tago ! ke mi povis dormi en la mezo de malfacileco ; ke mi povis tiel indulgi la karnon, ke mi uzis por komforto karna tiun ripozejon, kiun la Sinjoro de l' monteto konstruis nur por la helpo de la animoj de la pilgrimantoj ! Kiel multe da paŝoj mi faris vane ! Tiamaniere okazis ĉe Izraelo por ilia peko ; oni resendis ilin malantaŭen per la vojo de la Ruĝa Maro, kaj mi estas devigata preni tiujn ĉi paŝojn bedaŭrante, kiujn mi povus esti farinta feliĉe se mi ne estus tiel peke dorminta. Kiel malproksimen mi nuntempe estus atinginta ! Mi estas devigata fari tiujn paŝojn trifoje, kiujn mi bezonis nur fari unufoje ; ja la nokto rapide alproksimiĝas, ĉar la tago estas preskaŭ elspezita. Ho, ke

mi ne estus dorminta! Nu, li nun revenas ĝis la laŭbo, kie li dum kelke da tempo sidas kaj ploras; sed, fine, kiel okazis al Kristano, rigardante kun bedaŭro sub la sofon, li ekvidis la rulon sian, kiun li tremante kaj rapidante ekkaptis kaj enmetis en sian brustaĵon. Sed kiu povas priskribi kiel ĝoja tiu ĉi homo estas, kiam li estas retrovinta sian pergamenon? Ĉar tiu ĉi pergameno estas la certigaĵo de lia vivo kaj akcepto ĉe la dezirata haveno. Tial li enmetis ĝin en sian brustaĵon, prezentis dankon al Dio, ĉar Li direktis lian rigardon ĝis la loko kie ĝi kuŝis, kaj kun ĝojo kaj larmoj li ree daŭrigis sian vojaĝon. Sed ho, kiel vigle nun li supreniras la reston de la monteto! Tamen antaŭ ol li atingis la supron, la suno kuŝiĝis, kaj tio ĉi rememorigis lin pri la vaneco de lia dormado; kaj tiamaniere li sin kondolencis—Ho, peka dormado, kiel pro ci okazas, ke mi devas iri dum la nokto, ke mi devas marŝi sensune, mallumo devas kaŝi la irejon de miaj piedoj, kaj mi devas aŭdi la bruon de la timigaj bestoj, ĉar mi peke dormadis! Nun, ankaŭ, li memoris la rakonton faritan de Suspektemo kaj Timetulo, kiel la vidaĵo de la leonoj timegigis ilin. Tiam diras Kristano ree al si mem: Tiuj ĉi bestoj vagadas dum la nokto por



*Vidaĵo de la Palaco Beleco.*

sia kaptajo, kaj se okazus, ke ili renkontos min en la mallumo, kion mi tiam farus? Kiel eviti ke ili disŝiru min en pecetojn? Tiamaniere li iradis; sed dum li tiel bedaŭradis sian malĝojan malsukceson, li suprenigis sian rigardon, kaj jen antaŭ li staras majesta palaco, kies nomo estas Beleco; kaj ĝi troviĝis apud la vojo.

---

## Ĉapitro 8a.

*La Palaco Beleco, kaj la leonoj.—Diskreteco, Singardemo, Pieco, kaj Karito interparoladas kun Kristano, kiu rakontas siajn aventurojn.—Oni armas lin de la kapo ĝis la piedoj.*

Tiel mi vidis en mia sonĝo ke li rapidis kaj iris antaŭen, tiel kiel, se eble, li povus ricevi tie loĝejon. Nu, antaŭ ol li estis irinta malproksimen, li eniris tre mallarĝan trairejon, kiu troviĝis je ĉirkaŭ okono da mejlo de la dometo de la Pordisto, kaj zorge rigardante antaŭen, li ekvidis du leonojn en la vojo. Nun, pensas li, mi vidas la danĝeron, kiu pelis malantaŭen Suspektemon kaj Timetulon. (La leonoj estas



*La leonoj estas katenitaj*

enĉenitaj, sed li ne povis vidi la ĉenojn). Tiam li ektimis, kaj pensis al si, ke li devas reiri same kiel la aliaj; ĉar li imagis, ke nur la morto estas antaŭ li. Sed la Pordisto ĉe la dometo, kiun homon oni nomas Viglemo, ekvidinte ke Kristano faris halton kvazaŭ li volus iri malantaŭen, kriis al li, dirante, Ĉu cia forto estas tiel malgranda? Ne timu la leonojn, ĉar ili estas enĉenitaj, kaj oni estas metinta ilin tien por pruvado de fido, kie ĝi ekzistas, kaj por montrado de tiuj kiuj neniom havas. Tenu cin en la mezo de la irejo, kaj nenia difekto okazos al ci

Tiam mi vidis, ke li iradis antaŭen, tremante pro timo de la leonoj; sed zorge sekvante la konsilojn de la Pordisto, li aŭdis ilin kriegi, sed ili ne malutilis lin. Tiam li manfrapis, kaj iradis ĝis li venis kaj staris antaŭ la pordego, kie estis la Pordisto. Tiam diras Kristano al la Pordisto—Sinjoro, kia domo tiu ĉi estas? Kaj ĉu mi povas loĝi tie ĉi hodiaŭ nokte? La Pordisto respondas—Tiun ĉi domon konstruis la Sinjoro de la monteto, kaj Li ĝin konstruis por la helpo kaj sendanĝereco de pilgrimantoj. La Pordisto ankaŭ demandis lin, de kie li venas, kaj kien li iras?

Kris. Mi estas veninta de la Urbo Detruota, kaj mi iras al Monto Ziono; sed ĉar la suno estas nun subirinta mi deziras, se estas permesate, loĝi tie ĉi hodiaŭ nokte.

Por. Kio estas via nomo?

Kris. Mia nomo estas nun Kristano; sed mia nomo unue estis Senfavoro. Mi venis el la raso de Ifta, kiun Dio decidigos loĝi en la tendoj de Ŝemo.

Por. Sed kiel okazas, ke vi venas tiel malfrue? La suno estas subirinta.

Kris. Mi pli frue estus alveninta, se mi ne estus dorminta en la laŭbo kiu staras sur la montetflanko. Ne, mi tamen estus alveninta tien ĉi multe pli frue, se mi ne dum dormado estus perdinta mian atestajon, kaj veninta sen ĝi ĝis la frunto de la monteto; kaj tiam, kiam mi palpis, serĉante ĝin, kaj ne trovis ĝin, mi estas devigita, kun kora malĝojo, reiri ĝis la loko, kie mi dormadis; tie mi trovis ĝin, kaj nun mi estas veninta.

Por. Nu, mi elvokos unu el la virgulinoj de tiu ĉi loko, kiu, se via parolado plaĉos al ŝi, enkondukos vin al la resto de la familio, laŭ la reguloj de la domo. Tiel Viglemo sonorigis sonorilon, kaj post la sono de tio ĉi elvenis el la doma pordo serioza kaj bela fraŭlino nomata Diskreteco, kiu demandas, kial oni elvokis ŝin.

La Pordisto respondas, Tiu ĉi viro vojaĝas de la Urbo Detruota ĝis Monto Ziono; sed estante lacigita, kaj ĉar fariĝas nokto, li petis min, ĉu li povas loĝi tie ĉi hodiaŭ nokte; tiel mi diris al li ke mi

elvokos cin, kiu, post kunparolado kun li, povos tiel fari kiel ŝajnas al ci bone, eĉ laŭ la leĝo de l' domo.



*Fraŭlino Diskreteco faras demandojn al la Pilgrimanto.*

Tiam demandis ŝi, de kie li venas, kaj kien li iras—kaj li diris al ŝi. Ŝi demandas lin ankaŭ kiamaniere li ekeniris la vojon, kaj li tion diris al ŝi. Tiam ŝi demandas al li, kion li vidis kaj renkontis laŭlonge de la vojo, kaj li diris ĉion al ŝi. Fine ŝi demandas al li lian nomon. Tiel li diras—Estas Kristano; kaj mi des pli deziras loĝi tie ĉi hodiaŭ nokte, ĉar de tio, kion mi ekvidas, tiu ĉi domo estis konstruita de la Sinjoro de la monteto por la helpo kaj sendanĝereco de pilgrimantoj. Je tio ŝi ridetis, sed la larmoj staris en la okuloj; kaj post paŭzeto ŝi diras—Mi elvokos du aŭ tri aliajn el la familianoj. Tiel ŝi kuris al la pordo kaj elvokis Singardemon, Piecon kaj Kariton, kiuj, post iom pli da parolado kun li, venigis lin ĉe la familion, kaj multaj el ili lin renkontante ĉe la sojlo de la domo, diras—Envenu, ci benato de l' Sinjoro. Tiun ĉi domon, ili diras, konstruis la Sinjoro de l' monteto en la celo tie ĉi regali tiajn pilgrimantojn. Tiam li klinis la kapon kaj sekvis ilin en la domon.

Nu, kiam li estas enveninta kaj sidiĝinta, ili donas al li trinkaĵon, kaj kunkonsentis ke, ĝis la vespermanĝo estos preta, kelkaj el ili faros intiman interparoladon kun Kristano, por la plej bona uzado de l' tempo; kaj oni difinis Piecon, Singardemon, kaj Kariton por kunparoli kun li; kaj tiamaniere ili komencis:—

PIECO. Nu, bona Kristano, vidante, ke ni montris nin tiel amemaj, ke ni ricevis vin en nian domon je tiu ĉi nokto, se ni per tio eble povos plibonigi nin, ni parolu kun vi pri ĉiuj la aferoj, kiuj okazis je vi en via pilgrimado.

KRIS. Tre volonte; kaj mi ĝojas, ke vi estas tiel bonvolemaj.

PIECO. Kio igis vin unue turni vin je la vivo de pilgrimanto?

KRIS. Mi estas forpelita el mia nasklando per timigega sono kiu sonis en miaj oreloj—nome, ke neevitebla detruo atendus min se mi daŭrus loĝi en la loko kie mi tiam estis.

PIECO. Sed kiel okazis, ke vi eliris el via lando per tiu ĉi vojo?

KRIS. Estis tiel, kiel Dio ĝin intencis, ĉar kiam la timoj de detruo min premis, mi ne sciis kien iri; sed per ŝanco venis viro, eĉ al mi, dum mi tremis kaj ploris, kies nomo estas Evangelisto, kaj li direktis min al la parolpordeto, kiun, alie, mi neniam estus trovinta, kaj tiamaniere metis min en la vojon, kiu min kondukis rekte ĝis tiu ĉi domo.

PIECO. Sed ĉu vi ne preterpasis la domon de la Klarigisto?

KRIS. Jes, kaj mi tiajn aferojn tie vidis, la memoro de kiuj gluiĝos al mi tiel longe kiel mi vivos, precipe tri aferoj—nome, kiel Kristo, spite de Satano, subtenas sian favorecan laboron en la koro; kiel la viro estis pekadinta tute preter la esperoj de la pardono de Dio; kaj ankaŭ la sonĝon de tiu, kiu pensis dum dormado, ke estas veninta la Juĝa Tago.

PIECO. Nu, ĉu vi aŭdis lin rakonti sian sonĝon?

KRIS. Jes, kaj timigega ĝi estas, mi pensis. Faris, ke mia koro doloris dum li rakontis pri ĝi; sed tamen mi ĝojas, ke mi ĝin aŭdis.

PIECO. Ĉu tio ĉi estas la tuto, kiun vi vidis en la domo de la Klarigisto?

KRIS. Ne; li min kondukis tien, kie li montris al mi majestan palacon, kaj kiel la homoj en ĝi estas vestitaj ore; kaj kiel alvenis riskema viro, kiu eltranĉis vojon tra la armituloj kiuj staris en la pordejo por malhelpi lin eniri; kaj kiamaniere oni envokis, ke li eniru kaj gajnu eternan gloron. Mi enpensis, ke tiuj ĉi aferoj ravas mian koron. Mi volis resti ĉe tiu bona viro dekdumonaton, sed mi sciis ke mi devas iri pli malproksimen.

PIECO. Kaj kion alian vi vidis laŭlonge de la vojo?

KRIS. Vidis! Nu, mi nur iris iom plie, kiam mi vidis iun, kiel mi pensis, kiu pendis, sangadante sur arbo; kaj la vidaĵo mem de Li faris, ke la ŝarĝo defalis de mia dorso; ĉar mi ĝemis sub tre peza ŝarĝo, sed en tiu momento ĝi falis malsupren de mi. Estis stranga afero al mi; ĉar mi neniam antaŭe vidis similaĵon. Jes, kaj dum mi staris, rigardante supren (ĉar tiam mi ne povis ne rigardi) tri Briluloj venis al mi. Unu el ili atestis, ke miaj pekoj estas pardonitaj; alia senigis min je miaj ĉifonoj, kaj donis al mi tiun ĉi broditan veston, kiun vi vidas; kaj la tria surmetis la signon, kiun vi vidas en mia frunto, kaj donis al mi tiun ĉi sigelitan rulon (kaj tion dirante li tiras ĝin el sia brustaĵo).

PIECO. Sed ĉu ne vere vi vidis pli ol tiun ĉi?

KRIS. La aferoj, kiujn mi ĵus rakontis estas la plej bonaj el ili. Tamen kelkajn aliajn aferojn mi vidis—kiel nome, mi vidis tri virojn, Naivegulon, Mallaboremon, kaj Tromemfidon, kiuj dormadis iom el la vojo en kiu mi iris, kun katenoj sur la kalkanoj; sed ĉu vi kredas, ke mi sukcesis veki ilin? Mi vidis ankaŭ Ceremoniulon kaj Hipokritecon rapide rampantajn trans la muron, por iri, kiel ili almenaŭ pretendis, ĝis Ziono; sed ili baldaŭ sin perdis, kiel mi mem ja antaŭdiris al ili, sed ili ne volis kredi. Sed super ĉio, mi trovis, ke estas malfacila laboro supreniri tiun ĉi monteton, kaj egale malfacila pasi antaŭ la buŝoj de la leonoj. Kaj vere esceptinte ke la bona viro, la Pordisto, kiu staras ĉe l' Pordo helpus min, mi ne scias ĉu, post ĉio, mi ne estus reirinta; sed nun mi dankas Dion, ke mi estas tie ĉi, kaj mi dankas vin por via akcepto de mi.

Tiam Singardemo pensis bone meti al li kelkajn demandojn, kaj deziris, ke li respondu al ili.

SIN. Ĉu vi neniam pensas pri la lando el kiu vi venas?

KRIS. Jes, sed kun multe da honto kaj malamo. Vere, se mi estus ŝatinta tiun landon, de kie mi eliris, mi povus esti trovinta okazon por reiri; sed nun mi deziras pli bonan landon, nome, ĉielan.

SIN. Ĉu vi ne ankoraŭ kunportas kun vi kelkajn el la aferoj, kun kiuj vi tiam kutimis vin?

KRIS. Jes, sed multe kontraŭvole, precipe miajn internajn kaj karnajn meditojn, kiuj tre plezurigis ĉiujn miajn samlandanojn kaj min; sed nun ĉiuj tiuj ĉi aferoj estas mia malĝojo, kaj se mi nur povus elekti miajn proprajn aferojn, mi elektus, ke mi neniam plu pensu pri tiaj; tamen kiam mi volas fari la plej bonan, la plej malbona estas ĉe mi.

SIN. Ĉu vi neniam trovas ke kvazaŭ tiuj aferoj estas venkitaj, kiuj alitempe estas via konfuzo?

Kris. Jes, sed tio malofte okazas; tamen tiuj estas oraj horoj, kiam mi tion sentas.

Sin. Ĉu vi memoras per kiaj rimedoj vi trovas kvazaŭ kelkafoje ili estas venkitaj ?

Kris. Jes: tiam, kiam mi memoras kion mi vidis ĉe la kruco, tio ĝin okazigos; kaj kiam mi rigardas mian broditan veston, tio ĝin faros; kaj kiam mi enrigardas la pergamenon, kiun mi portas en mia brustaĵo, tio ĝin faros; kaj kiam miaj pensoj ekvarmiĝas pri la loko, kien mi iras, tio ĝin okazigos.

Sin. Kaj kio ĝi estas, kiu faras vin esti tiel dezirplena por iri ĝis Monto Ziono ?

Kris. Vere, pro tio, ke tie mi esperas vidi Lin viva, kiu pendis malviva de la kruco; kaj tie mi esperas esti liberigita de ĉiuj tiuj aferoj, kiuj ĝis hodiaŭ estas en mi ĉagreno. Tie, oni diras, ne estas la morto, kaj tie mi kunvivos kun tia societo, kian mi plej bone ŝatas. Ĉar, dirante al vi la veron, mi amas Lin pro tio, ĉar mi estis de Li liberigita de mia ŝarĝo. Kaj mia interna malsano lacigas min. Mi tre deziras esti kie mi ne mortos plu, kaj kun la samideanaro, kiu ĉiam kantados Sankta, sankta, sankta !

Tiam diras Karito al Kristano, Ĉu vi havas familion ? Ĉu vi estas edziĝito ?

Kris. Mi havas edzinon kaj kvar infanojn.

Kar. Kaj kial vi ne venigas ilin kune kun vi ?

Tiam Kristano ploras kaj diras—Ho, kiel volonte mi tion estus farinta ! sed ili ĉiuj estis antipatiaj al mia pilgrimado.

Kar. Sed vi devis paroladi kun ili, kaj peni montri al ili la danĝeron restadi malantaŭe.

Kris. Tiel mi faris, kaj ankaŭ mi diris al ili tion, kion Dio montris al mi pri la detruiĝo de nia urbo; sed mi ŝajnis al ili esti kvazaŭ mokanto, kaj ili ne kredis min.

Kar. Kaj ĉu vi preĝis Dion, ke Li volu beni vian konsilon al ili ?

Kris. Jes, kaj tion mi faris kun multe da amo; ĉar vi devas kredi, ke mia edzino kaj miaj kompatindaj infanoj estas tre karaj al mi.

Kar. Sed ĉu vi montris al ili vian propran malĝojon, kaj timon pri detruiĝo ? ĉar mi supozas ke la detruiĝo estis sufiĉe videbla al vi ?

Kris. Jes, foje, kaj ree kaj ree. Ili povis ankaŭ vidi miajn timojn sur mia vizaĝo, kaj ankaŭ en mia tremado sub la antaŭsento de la juĝado, kiu pendis super niaj kapoj; sed la tuto ne estis sufiĉa por decidigi ilin veni kun mi.

Kar. Sed kion ili povis diri por si, kial ili ne venas ?

KRIS. Nu, mia edzino timis perdi tiun ĉi mondon, kaj miaj infanoj inklinis sin al la malsaĝaj plezuregoj de juneco; tial pro ia kaŭzo kaj alia ili lasis min vagi tiamaniere sola.

KAR. Sed ĉu vi ne, per via vana vivmaniero malefikis ĉion, kion vi faris, celante per altiraj vortoj venigi ilin kune kun vi?

KRIS. Mi ja ne povas laŭdi mian vivmanieron, ĉar mi tre sentas, ke estas multe da kulpoj en tio. Mi scias, ankaŭ, ke homo per sia konduto povas baldaŭ renversi tion, kion per argumento aŭ elinfluo li laboras alligi al aliaj por ilia bono. Tamen, tion ĉi mi povas diri, ke mi tre zorgis kontraŭ la prezento al ili de okazon, per ia nedeca ago, por esti antipatia al la pilgrimado. Jes, rilate al tiu ĉi afero mem, ili diris al mi, ke mi estas tro skrupulema, kaj, ke mi detenis min pro ili de aferoj, en kiuj ili vidis nenian malbonon. Ne, mi kredas, ke mi povas diri, ke se tio, kion ili vidis en mi malhelpis ilin, estis ja mia granda konscienceco pri pekado kontraŭ Dio, aŭ pri la malrajta agado kontraŭ la najbaro.

KAR. Ja Kaino malamis fraton sian, ĉar liaj propraj agoj estis malbonaj kaj tiuj de lia frato justaj—kaj se ciaj edzino kaj infanoj estas ofenditaj de ci pro tiu ĉi, ili per tio sin montras esti malplaĉeblaj je la bono, kaj ci estas savinta cian animon rilate al ilia sango.

Nun mi vidis en mia sonĝo, ke ili kunsidis interparolante ĝis la vespermanĝo estas preparita. Tiel kiam oni ĝin jam pretigas, ili sidiĝis por manĝi.

La tablo estas provizita je ŝatindaj manĝaĵoj, kaj bone rafinitaj vinoj, kaj la tuta parolado ĉe l' tablo estas pri la Sinjoro de la monteto; kiel, nome, pri kion Li estas farinta, kaj kial Li faris tion, kaj kial Li kontruis tiun domon; kaj laŭ tio, kion ili diris, mi ekvidis, ke Li estas estinta granda militisto, kaj estas batalinta kaj mortiginta lin, kiu antaŭe posedis la mortpovon, sed ne sen granda danĝero al Li mem, kio faris ke mi pli ankoraŭ amis Lin.

Ĉar, kiel ili diris, kaj kiel mi ankaŭ kredas, diras Kristano—Li tion faris kun perdo de multe da sango; sed tio, kio metis la gloron de favoro en ĉion, kion Li faris, estas tio ĉi, nome, ke Li faris ĝin pro pura amo al Sia lando. Kaj, plie, estis kelkaj el la domanoj kiuj diras, ke ili estis ĉe Li kaj parolis kun Li post Lia morto sur la kruco; kaj ili atestis, ke ili aŭdis ĝin el Liaj lipoj, ke Li tiel amas kompatindajn pilgrimantojn, ke similan oni ne povas trovi de la oriento ĝis la okcidento.

Ili, plie, donis instancon de tio, kion ili certigis; kaj tio estas, ke Li senigis Sin je Sia gloro, por ke Li povu fari tion ĉi por la malriĉuloj; kaj ke ili aŭdis Lin diri kaj certigi, ke Li ne volis loĝi

sola en la Ziona Monto. Ili diris plie, ke Li faris el multaj pilgrimantoj princojn, kvankam de naturo ili estis naskitaj almozuloj, kaj ilia deveno estis la sterkamaso.

Tiamaniere, do, ili interparoladis ĝis malfrue en la nokto; kaj post ili estas donintaj sin al la Sinjoro por protekto, ili kuŝiĝis. La pilgrimanton oni kuŝigis en granda supra ĉambro, kies fenestro malfermiĝis kontraŭ la sunleviĝo. La nomo de la ĉambro estas Paco, kie li dormadis ĝis la tagiĝo, kaj tiam vekiĝante li kantis:—

Kie mi estas nun? Ĉu tia amo
Kaj zorgo al la pilgrimanta homo
El Jesu' venas! Kaj mi pardonita,
Ĉiele loĝas kvazaŭ jam benita!

Tiel matene ili ĉiuj sin levis; kaj post pli da interparolado, ili diras al li, ke li ne devas foriri antaŭ ol ili estas montrintaj al li la maloftaĵojn de tiu loko. Kaj, unue, ili venigis lin en la studejon, kie ili montras al li raportojn de tempoj de la plej alta antikveco, en kiuj, laŭ mia memoro de la sonĝo, ili montris al li la genealogion de la Sinjoro de la monto, ke Li estas la Filo de la Antikvulo de Tagoj, kaj venis per nasko de la eterneco. Tie ĉi, ankaŭ, estas pli plene raportitaj la agoj, kiujn Li faris, kaj la nomoj de multe da centoj, kiujn Li akceptis en Sian servon; kaj kiel Li metis ilin en tiajn loĝejojn, kiaj nek per longeco de tempo, nek kadukecoj de naturo, povus esti detruitaj.

Tiam ili legas al li kelkajn el la indaj agoj faritaj de iuj el Liaj servantoj; ekzemple, kiamaniere ili submetis reĝolandojn, faris justecon, ricevis promesojn, malfermis la buŝojn de leonoj, estingis la fortegon de fajro, forkuris de la tranĉrando de la glavo, el malforteco fortiĝis, braviĝis en la batalo, kaj forkurigis la armeojn de la alilanduloj.

Kaj ili legis en alia parto de la raportoj de l' domo, kie montriĝis kiel volonte ilia Sinjoro ricevas en Sian favoron iujn ajn, kvankam en la pasinta tempo ili prezentis grandajn insultojn kontraŭ Lia persono kaj agado. Tie ĉi, ankaŭ, estis kelkaj aliaj historioj de multe da aliaj aferoj, kaj Kristano vidis la tuton; ekzemple, aferojn antikvajn kaj modernajn, kune kun profetadoj kaj antaŭdiroj pri aferoj, kiuj havas sian certan plenumon, por la timo kaj miro de malamikoj, kaj la komforto kaj kuraĝigo de pilgrimantoj.

Je la morgaŭa tago ili venigas lin en la armilejon, kie ili montras al li ĉiuspecan provizaron kiun ilia Sinjoro provizis por pilgrimantoj, ekzemple, glavon, ŝildon, kaskon, brustoŝirmilon, tutpreĝon, kaj ŝuojn, kiujn oni ne povas eluzi; kaj tie ĉi kuŝis sufiĉe da tio ĉi por

armi tiom da militistoj por la servo de ilia Sinjoro kiom sin trovas steloj en la ĉielo pro multenombro.



*Oni montras al Kristano bonajn armilojn.*

Ili ankaŭ montras al li kelkajn el la iloj, per kiuj iuj el Liaj servistoj faris mirindajn aferojn. Ili montras al li la vergon de Mozeso, la martelon kaj najlon per kiuj Jaelo mortigis Siseron ; la kruĉon, trumpetojn kaj lampojn ankaŭ, per kiuj Gideono forkurigis la armeojn de Midieno. Tiam ili montras al li la bovinstigilon per kio Ŝamgaro mortigis sescent homojn. Ili montras al li ankaŭ la makzeloston per kiu Samsono faris tiel potencajn aferojn. Ili montras al li, plie, la ŝtonĵetilon kaj ŝtonon per kiuj Davido mortigis Goliaton de Gato, kaj la glavon ankaŭ per kiu la Sinjoro mortigos la homon de Peko en tiu tago kiam Li levos Sin je la kaptaĵo. Ili montras al li, cetere, multe da bonegaj objektoj, per kiuj Kristano tre plezuriĝis. Tion farinte, ili ree kuŝiĝis.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke morgaŭe li sin levis por antaŭeniri ; sed ili deziris, ke li restu ankoraŭ ĝis la venonta tago ; kaj tiam, diras ili, ni, se la vetero estos hela, montros al vi la

Plaĉegajn Montojn; kiuj, diris ili, pli aldonos ankoraŭ al lia komforto, ĉar ili estas pli proksimaj al la dezirata haveno, ol la loko, kie nun li estas; tial li konsentis, kaj restadis. Kiam la mateno plene alvenis, oni suprenirigis lin ĉe la suprajo de l' domo, kaj ordonis, ke li rigardu suden; tiel li faris; kaj jen, tre malproksime, li vidas tre plaĉan montan landon—beligitan per arbaretoj, vinberejoj, fruktoj de ĉiuj specoj, floroj ankaŭ, kun fontoj kaj fontanoj, tre plaĉegaj por vidi. Tiam li demandis la nomon de tiu ĉi lando. Ili respondas, ke ĝi estas la Lando de Emanuelo; kaj ĝi estas tiel komuna, diras ili, kiel estas tiu ĉi monteto, por ĉiuj la pilgrimantoj; kaj kiam ci alvenos tien, de tie ci povos vidi ĝis la pordego de la Ĉiela Urbo, kiel aperigos la paŝtistoj kiuj loĝas tie.



*Vidaĵo de la Plaĉegaj Montoj.*

Nun li ekmemoras, ke li devas antaŭeniri, kaj ili volis, ke li tiel faru. Sed unue, diras ili, ni reiru en la armilejon; kaj tiel ili faris; kaj, kiam li alvenas tien, ili armas lin de la kapo ĝis la piedoj per tio, kio estas pruvita, pro timo ke li eble renkontos atakojn laŭlonge de la vojo. Tial, li estante tiel armita, elmarŝis kun siaj amikoj

ĝis la pordego, kaj tie li demandis la Pordiston, ĉu li vidis ian pilgrimanton preterpasantan. Tiam respondis la Pordisto—Jes.

Mi petas, ĉu vi konas lin ? diras li.



*Kristano ekipata por la militado.*

POR. Mi demandis lian nomon, kaj li diris al mi, ke ĝi estas Fidelulo.

Ho ! diras Kristano, mi lin konas ! li estas samurbano, mia proksima najbaro. Li venas el la loko kie mi estas naskita. Kiel malproksimen vi pensas, ke li estas antaŭirinta ?

POR. Li nuntempe estas transpasinta la pinton de l' monteto.

Nu, diris Kristano, bona Pordisto, la Sinjoro estu kun ci, kaj aldonu al ĉiuj ciaj benoj multe da plimultiĝo pro la amindeco, kiun ci estas montrinta al mi.

Tiam li komencis antaŭeniri ; sed Diskreteco, Pieco, Karito kaj Singardemo volis akompani lin ĝis la malsupro de la monteto. Tiel ili kuniris, ripetante siajn antaŭajn interparoladojn ĝis ili ekmalsuprenĭris la monteton. Tiam diras Kristano—Same kiel estis malfacila la suprenirado, tiel, ŝajnas al mi estas danĝera la malsuprenirado. Jes, diras Singardemo, tiel ĝi estas ; ĉar estas afero tre malfacila por

homo malsupreniri en la Valon de Humiliĝo, kiel ci nun faras, kaj samtempe eviti faleton ajn voje. Tial, diras ili, ni venas akompani cin malsupren de la monteto. Tiel li ekmalsupreniris la monteton, sed tre zorge ; tamen li unu- aŭ dufoje faletis.



*Helpa akompanado al la Valo de Humiliĝo.*

Tiam mi vidis en mia sonĝo ke tiuj ĉi bonaj akompanantoj (kiam Kristano atingis la malsupron de la monteto) donis al li bulkon da pano, botelon da vino, kaj vinberaron ; kaj poste li vojiradis.

---

## Ĉapitro 9a.

*En la Valo de Humiliĝo Apoljono unue flatas, poste atakas Kristanon, kiu apenaŭ venkas per sia glavo.*

Sed nun en tiu ĉi Valo de Humiliĝo kompatinda Kristano trovis kontraŭstaregon ; ĉar li nur iom vojiris antaŭ ol li ekvidis malpuran diablon transirantan la kampon por renkonti lin. Lia nomo estas Apoljono. Tiam Kristano ektimas, kaj ekpensas ĉu reveni ĉu

gardi sian piedlokon. Sed li rekonsideris, ke li ne posedas armaĵon por la dorso; kaj tial pensas, ke montri al lia kontraŭulo la dorson povus prezenti al li pli grandan oportunaĵon por trapiki lin per liaj ĵetiloj. Tial li decidis riski kaj gardi sian teron; ĉar, pensas li, se mi nur celus la savadon de mia vivo, estus plej bone staradi.



*Apoljono aperas sur la vojo.*

Tiel li iradis, kaj Apoljono renkontis lin. Nu la monstro estis ja malbelega je la vido. Li estas vestita per skvamoj kiel fiŝaj (kaj tio estas lia fieraĵo); li posedis flugilojn kiel drakajn, piedojn kiel ursajn, kaj el lia ventro eliris fajro kaj fumo, kaj lia buŝo estis kiel leona buŝo. Kiam li atingis Kristanon li rigardis lin per malestimega mieno, kaj tiamaniere ekdemandis lin:—

APOL. De kie venas vi, kaj kien vi iras?

KRIS. Mi venas el la Urbo Detruota, kiu estas la loko de ĉio malbona, kaj mi iradas al la Urbo Ziono.

APOL. Per tio ĉi mi ekvidas, ke ci estas unu el miaj regatoj, ĉar

tiu tuta lando estas la mia, kaj mi estas ĝia princo kaj dio. Kial, do, ci forkuras de cia reĝo? Se mi ne pensus, ke ci povus fari al mi plu da servado, mi nun frapus cin per unu bato ĝis la tero.

Kris. Mi ja naskiĝis en via regno; sed via servado estis severega, kaj via salajro tia, kia ne povis nutri homon; "ĉar la salajro de la peko estas la morto." Tial, kiam mi plenaĝiĝis mi agis simile je aliaj pripensuloj, nome, ĉirkaŭrigardis, se eble mi povus plibonigi mian staton.

Apol. Estas nenia princo, kiu tiel senzorge perdus siajn regatojn, nek mi volas ankoraŭ perdi cin, sed ĉar ci plendas pri cia servado kaj salajro, estu kontenta reiri; ĉion, kion nia lando povos liveri, tion, mi nun promesas doni al ci.

Kris. Sed mi dungiĝis je alia, eĉ je la Reĝo de princoj, kaj kiel mi juste povas reiri kun ci?

Apol. En tio ĉi ci agis laŭ la proverbo—"Elŝanĝis malbonan por pli malbona." Sed kutime tiuj, kiuj konfesis sin esti la liaj, post iom da tempo forkuras de li, kaj revenas denove al mi. Tiel ci faru, kaj ĉio estos bona.

Kris. Mi donis al Li mian



*Apoljono kontraŭparolas kaj minacas.*

fidon, kaj ĵuris aliĝecon al Li. Kial, do, mi povos reiri de tio ĉi, kaj ne suferi pendigon kiel perfidulo?

APOL. La same ci agis al mi; kaj tamen mi volas preterlasi la tuton, se nur ci volas turni cin kaj reiri.

KRIS. Tio, kion mi promesis al ci estis en mia neplenaĝo. Kaj, cetere, mi kredas, ke la Princo, sub kies standardo mi nun staras, povas senkulpigi min, jes, kaj pardoni ankaŭ tion, kion mi faris pri mia cedemo je ci: kaj, plie, Ho, ci detruanta Apoljono, por diri la veron, mi ŝatas la servadon de Li, Lian salajron, Liajn servistojn, Lian societon kaj landon pli bone ol ciajn. Tial ĉesu allogi min plu: mi estas Lia servisto, kaj mi volas sekvadi Lin.

APOL. Konsideru plie, dum ci havas la sangon malvarmeta, kion ci verŝajne renkontos en la vojo kie vi iros. Ci scias ke pleje Liaj servistoj atingas malbonan finon, ĉar ili ofendas kontraŭ mi kaj miaj agoj. Kiom, ja, da ili oni mortigis per hontindaj mortoj. Kaj plie, ci estimas la servadon ĉe Li pli bona ol tiu ĉe mi, dum efektive Li neniam ankoraŭ venis el la loko kie Li sidas por savi iujn ajn, kiuj servadis Lin, el la manoj de la mortigantoj; sed rilate al mi, kiom multe da fojoj—kiel la tuta mondo tre bone scias—mi savis, aŭ per povo aŭ per trompo, tiujn, kiuj fidele servis min, el la manoj de Li kaj Liaj, kvankam kaptitaj de ili—kaj tiamaniere mi savos cin.

KRIS. Lia sindetenado nune de la savado de ili estas por provi ilian amon, ĉu ili alligados sin al Li ĝis la fino. Pri la malbona fino, al kiu ci diras ke ili atingas, tio estas plej glora rilate al ili, ĉar nunan savon ili ne multe antaŭvidas; ĉar ili atendas por sia gloro, kaj poste ili ĝin havos, tiam kiam la Princo venos en Sia gloro, kaj en la gloro de la anĝeloj.

APOL. Ci jam estas malfidela en cia servado je Li, kaj kial do ci atendas ricevi salajron de Li?

KRIS. En kio, Ho Apoljono, mi estis malfidela je Li?

APOL. Ci malkuraĝiĝis je la unua ekforiro, kiam ci preskaŭ sufokiĝis en la Ŝlimejo de Senkuraĝeco. Ci provis malbonajn metodojn por malembarasi cin de cia ŝarĝo, dum efektive ci devis resti ĝis cia Princo estis depreninta ĝin. Ci peke dormadis kaj perdis ciajn multvaloran objekton. Cin oni ankaŭ preskaŭ elinfluis reveni je la vidaĵo de la leonoj; kaj kiam ci parolas pri cia vojaĝo, kaj pri tio, kion ci aŭdis kaj vidis, ci interne deziras vangloron en ĉio, kion ci diras aŭ faras.

KRIS. Ĉio tio ĉi estas vera, kaj multe plu, kion ci preterlasis. Sed la Princo, kiun mi servadas kaj honoras estas kompatema, kaj pardonema; sed plie, tiuj ĉi malfortecoj posedis min en cia lando, ĉar

tie mi ensuĉis ilin; kaj mi ĝemegis sub ili, estas malĝojinta pri ili, kaj estas ricevinta pardonon de mia Princo.

Tiam Apoljono ekkoleregis, dirante—Mi estas malamiko al tiu ĉi Princo! Mi malamas lian personon, liajn leĝojn kaj popolon, kaj mi estas elirinta por kontraŭstari cin.

Kris. Apoljono, gardu pri tio, kion vi faros; ĉar mi estas en la vojo de l' Reĝo—la vojo de sankteco; tial zorgu pri vi mem.

Tiam Apoljono krurostreĉis super la tutan larĝecon de l' vojo, kaj diris, Mi estas malplena de timo en tiu ĉi afero. Preparu cin mem por morti; ĉar mi ĵuras per mia infera kavo, ke ci ne iros plimalproksime; tie ĉi mi disverŝos cian animon! Kaj post tio li ĵetis flamantan pikilon al lia brusto; sed Kristano havis ŝildon en la mano, per kio li ekkaptis ĝin, kaj tiamaniere deturnis tiun danĝeron.

Tiam Kristano eltiris la glavon, ĉar li vidis, ke estas nun momento por sin movi; kaj egale rapide Apoljono atakas lin, ĵetante pikilojn tiel amase, kiel la hajlo, per kiuj, spite ĉio, kion Kristano faras por eviti ilin, Apoljono vundas lin en la kapo, la mano kaj la piedo. Tio ĉi devigas Kristano iom malantaŭeniri. Apoljono, tial,



*La diablaj ĵetponardoj.*

sekvas sian laboron energie, kaj Kristano reprenas kuraĝon kaj kontraŭbataladas tiel vire kiel eble. Tiu ĉi severega batalado daŭris dum pli ol duontago, eĉ ĝis Kristano estas preskaŭ ellacigita. Ĉar oni devas kredi, ke Kristano, pro siaj vundoj necese devas malfortiĝi.

Tiam Apoljono ekvidante sian oportunajon, ekalproksimiĝas al Kristano, kaj kontraŭluktante kun li, donas al li teruran falon; kaj per tio la glavo de Kristano elflugas el la mano. Tiam diras Apoljono, Mi estas certa pri ci nun, kaj tion dirante, li preskaŭ estis premeginta lin ĝis morto; tiamaniere ke Kristano ekmalesperis konservi la vivon. Sed, kiel Dio tiel intencis, dum Apoljono ekfaris sian lastan bategon, per kio fari tutan finon de tiu ĉi bona viro, Kristano lerte streĉis la manon por sia glavo kaj kaptis ĝin, dirante, Ne ĝoju kontraŭ mi, ho mia malamiko! Kiam mi falas, mi levos min; kaj tiel dirante, li donis al li pereigan puŝegon, kio devigis lin cedi, kiel unu kiu ricevis sian mortigan vundon. Kristano tion ekvidante, reatakis lin, dirante, "Ne, en ĉiuj tiuj ĉi aferoj ni estas pli ol venkantoj per Li, kiu amis nin"; kaj aŭdante tion, Apoljono etendis siajn drakajn flugilojn kaj rapidis for, kaj Kristano ne vidis lin plu.



*Kristano fine vundas Apoljonon.*

En tiu ĉi batalo, neniu povus imagi, esceptinte li vidus kaj aŭdus same kiel mi, kian kriegadon kaj terurigan blekegadon faris Apoljono dum la tuta tempo de la batalo. Li parolis drake. Kaj aliflanke, kiaj ĝemoj kaj ĝemegoj elrompis el la koro de Kristano. Mi ne vidis lin dum la tuta tempo doni unu solan dolĉan rigardon ĝis tiam, kiam li ekvidis, ke li vundis Apoljonon per sia duranda glavo. Tiam, do, li ridetis kaj suprenrigardis; sed ĝi estas la plej terura vidaĵo, kiun mi iam vidis.



*Apoljono devigita forflugi.*

Nu, kiam la batalo finiĝis Kristano diras, Mi tie ĉi donos dankojn al Li kiu savis min el la leona buŝo, al Li kiu helpis min kontraŭ Apoljono; kaj tiel li faris, dirante,

Beelzebubo, granda kapitano,
Ruinon mian celis, kaj Satano
Forsendis lin armitan; li kolere
Atakis min, kruela kaj infere!
Sed helpis min benita Miĥaelo;
Per glavo mi ĝin pelis en duelo;
Por ĉiam, do, kiel dankema homo
Mi donu laŭdon al la Dia nomo."

Tiam venis al li mano, kun kelkaj de la folioj de la arbo de la vivo, kiujn Kristano prenis, kaj almetis al la vundoj, ricevitaj de li en la batalo, kaj estis tuj resanigita. Li ankaŭ sidiĝis en tiu loko por manĝi panon, kaj trinki el la botelo, kiun oni donis al li iom antaŭe. Tiel refreŝigita, li sin metis al la vojaĝo, kun sia glavo en la mano, ĉar, diris li, mi ne scias ĉu kelka alia malamiko povas esti proksima. Sed li renkontis nenian alian insulton de Apoljono laŭlonge de la tuta valo.

Nu, ĉe la fino de tiu ĉi valo sidas alia, nomita la Valo de la Ombro de la Morto ; kaj Kristano estas devigata trairi ĝin, ĉar la vojo al la Ĉiela Urbo sidas tra la mezo de ĝi. Nu, tiu ĉi valo estas tre senhoma loko. Le profeto Jeremio tiel priskribas ĝin : " Nekulturejo, lando de dezertoj kaj de kavoj, lando de senpluveco kaj de l' ombro de la morto, lando kie neniu (escepte Kristanon) trapasas, kaj kie neniu loĝis."

---

## Ĉapitro 10a.

*La teruriga Valo de l' Ombro de la Morto, kaj la mallarĝeco de la rekta vojo.—La tentoj kaj danĝeroj kiuj apudestas.*

Nun estis Kristano tie ĉi pli embarasata ol en sia batalo kun Apoljono, kiel vi vidos en la sekvaĵo.

Mi vidis, do, en mia sonĝo, ke kiam Kristano atingis la bordojn de la Ombro de la Morto, renkontis lin du viroj, idoj de tiuj, kiuj reportis malbonan raporton pri la bona lando, rapidante por reiri, al kiuj Kristano diras jene :—

Kris. Kien vi iras ?

Ili respondas—Malantaŭen ! malantaŭen ! Kaj ni volas, ke vi tion faru ankaŭ, se vi altvaloras aŭ la vivon aŭ la pacon.

Nu, kio okazis ? diras Kristano.

Okazis ! diras ili. Ni iris tiun vojon, same kiel vi iras, kaj iris tiel malproksimen kiel ni povis kuraĝi. Kaj ja ni preskaŭ ne povis reiri ; ĉar se ni estus antaŭirintaj iom plu, ni ne estus estintaj tie ĉi por alporti la sciigon al ci.

Sed kion vi renkontis ? diras Kristano.

Viroj. Nu, ni estis preskaŭ en la Valon de l' Ombro de la Morto, sed per bona ŝanco, ni rigardis antaŭen, kaj vidis la danĝeron antaŭ ol ni atingis ĝin.

Sed kion vi vidis ? diras Kristano.

Viroj. Vidis ! Nu, la valon mem, kiu estas tiel malluma kiel peĉo. Ni ankaŭ tie vidis la koboldojn, satirusojn, kaj drakojn de la kavo.



*Kristano eniras la Valon de l' Ombro de la Morto.*

Ni aŭdis ankaŭ, en tiu valo, daŭran hundblekegon kaj kriegon, kvazaŭ de popolo sub neesprimebla mizero, kiu tie sidis, ligita en malĝojo kaj katenoj; kaj super tiu valo pendas la malkuraĝigaj nuboj de la konfuzo. La Morto, ankaŭ ĉiam etendas siajn flugilojn super ĝi. Unuvorte, ĝi estas ĉiapecete terurega, estante tute senorda:

Tiam diris Kristano—Mi nur ekvidas ankoraŭ, per tio, kion vi diris, ke tiu ĉi estas mia vojo al la dezirata haveno.

VIROJ. Estu ĝi cia vojo: ni ne volas elekti ĝin kiel nian.

Tiamaniere ili disigis, kaj Kristano vojiris, sed ankoraŭ kun sia glavo en la mano, pro timo, ke oni atakus lin.

Mi tiam vidis en mia sonĝo, ke tra la tuta longo de tiu ĉi valo sin trovis ĉe la dekstra flanko tre profunda kotejo. Tiu kotejo estas tiu, en kiun la blinduloj enkondukadis la blindulojn dum ĉiuj centjaroj, kaj en kiu ili ambaŭ mizere pereis. Plie, jen ĉe la maldekstra flanko kuŝis tre danĝera marĉejo, en kiun, se eĉ piulo falus, li trovus nenian fundon por ke lia piedo staru. En tiun marĉejon la Reĝo Davido unufoje falis, kaj sendube tie estus sufokiĝinta, se la Potenculo ne estus eltireginta lin.

La vojeto estis tie ĉi ankaŭ mallarĝega, kaj tial bona Kristano estis pli embarasata; ĉar kiam li penis en la mallumo eviti la kotejon je la unu flanko, li sentis sin preta ekfali en la marĉejon je la alia. Ankaŭ kiam li penis eviti la marĉejon, sen tre granda zorgo li estis preta fali en la kotejon. Tiamaniere li iradis, kaj mi aŭdis lin tie ĉi ekĝemi akre; ĉar krom la danĝero suprenomita, la vojeto tie ĉi estis tiel malluma, ke ofte kiam li levis la piedon por antaŭeniri, li ne sciis kien, aŭ sur kion, li povas meti ĝin poste.

Ĉirkaŭ la mezo de tiu ĉi valo mi ekvidis, ke tie ĉi staras la buŝo de la infero, kaj ĝi estas ankaŭ apud la vojflanko. Nun, pensas Kristano, kion fari? Kaj fojon post fojo la flamo kaj fumo eliris tiel suficege, kun fajreroj kaj terurigaj bruoj (aferoj kiuj ne timis la glavon de Kristano, kiel Apoljono antaŭe timis) ke li estis devigata eningigi sian glavon, kaj ekpreni alian batalilon, nomata Ĉio-preĝo; kaj li kriis, kiel mi povis aŭdi, "Ho, Sinjoro! mi petegas Cin, savu mian animon." Tiamaniere li iris kaj kriis dum longa tempo, tamen ankoraŭ la flamoj estas streĉintaj sin al li. Ankaŭ li aŭdis funebrajn voĉojn kaj kuregadojn tien ĉi kaj tien, tiamaniere, ke kelkafoje li pensas ke li estos disŝirita, aŭ disbatita per la piedoj kiel koto en la stratoj. Tiun ĉi teruriĝan vidaĵon li vidis, kaj tiujn ĉi timegigajn bruojn li aŭdis longe de kelkaj mejloj; kaj venante al loko kie li imagis ke li aŭdas bandon da diabloj venantan por renkonti lin, li haltas kaj pripensas tion, kio estas la plejbona fari. Kelkafoje li duondecidas reiri. Tiam, plie, li pensas, ke li jam estas atinginta la mezon de la valo. Li memoras, ankaŭ, kiamaniere li jam estas venkinta multe da danĝeroj, kaj ke la danĝero de la reiro eble estos multe pli ol tiu de la antaŭeniro. Tial li decidis antaŭeniri. Tamen la diabloj ŝajnis veni pli kaj pli proksime; sed kiam ili preskaŭ atingis lin, li kriis per fortega voĉo—"Mi marŝos en la forto de la Sinjoro Dio." Tiel ili cedis, kaj ne venis pli proksime.

Unu aferon mi ne volas forgesi. Mi observis, ke nun kompatinda Kristano estas tiel konfuzita, ke li ne povas rekoni voĉon sian, kaj tiamaniere mi ĝin ekvidis: Kiam li jus alvenis kontraŭ la buŝon de la brulanta kavo, unu el la malbonuloj metas sin malantaŭ li, kaj malbrue alpaŝas al li, kaj murmure inspiras multe da malĝojigaj blasfemoj al li, kiuj, li efektive pensas, eliras el sia propra animo. Tio ĉi pli dolorigas Kristanon ol io, kion li antaŭe renkontis—nur pensi, ke li nun povas blasfemi Tiun, kiun li tiel amis antaŭe. Tamen, se li povus, li ĝin ne estus farinta; sed li ne posedis la diskretecon, aŭ ŝtopi la orelojn, aŭ scii de kie venas tiuj ĉi blasfemoj.

Kiam Kristano jam vojaĝis en tiu ĉi ĉagrenega stato dum multe da tempo, li pensis, ke li aŭdas la voĉon de viro kvazaŭ antaŭiranta,

kiu diras: "Kvankam mi marŝadas tra la valo de l' ombro de la morto, mi timos nenian malbonon, ĉar Ci estas kun mi."

Tiam li estis ĝoja, kaj pro tiuj ĉi kaŭzoj—

Unue, pro tio, ke li konjektis, ke kelkaj kiuj timas al Dio estas en la valo same kiel li.

Due, pro tio, ke li ekvidas, ke Dio estas kun ili, kvankam ili estas en tiu malluma kaj funebra stato; kaj kial ne, pensas li, kun mi ankaŭ? Kvankam pro la malhelpilo kiu estas alligita al tiu ĉi loko, mi ne povas ekvidi tion.

Trie, pro tio, ke li esperas, se nur li povos atingi ilin, ke li havos kunvojaĝantojn baldaŭ.

Tiel li vojiris kaj alvokis al tiu kiu estas antaŭe; sed tiu ĉi ne sciis kion respondi, ĉar li ankaŭ pensas, ke li estas sola. Kaj baldaŭ tagiĝis. Tiam diras Kristano, "Li ŝanĝis la ombron de la morto en la matenon."



*Eliro el la Mortombra Valo.*

Estante nun la mateno, li rigardis malantaŭen, ne pro deziro reiri, sed por vidi per la taglumo, kiajn hazardojn li trairis en la mallumo. Tiel li vidis pli perfekte la kotejon, kiu kuŝas unuflanke,

kaj la marĉejon, kiu estas sur la alia, ankaŭ kiel mallarĝa la vojo estas, kiu kondukas inter ili ambaŭ. Ankaŭ nun li povas vidi la koboldojn, satirusojn kaj drakojn de la kavo, sed ĉiujn malproksime; ĉar post la tagiĝo ili ne venis proksimen, tamen ili estas montrataj al li, laŭ la skribaĵo—"Li malkaŝas profundajn aferojn el la mallumo, kaj eltiras ĝis la lumo la ombron de la morto."

Nun estis Kristano tre kortuŝita per sia saviĝo el la danĝeroj de sia sola irado, kiujn danĝerojn, kvankam li timis ilin pli antaŭe, tamen li vidas pli klare nun, ĉar la taglumo faras ilin videgeblaj al li. Kaj ĉirkaŭ tiu ĉi momento la suno levis sin, kaj tio ĉi estas alia favoro al Kristano; ĉar oni devas rimarki, ke kvankam la unua parto de l' valo de la Ombro de la Morto estas danĝera, tamen tiu ĉi dua parto, kiun li devas nun trairi, estas, se eble, multe pli danĝera; ĉar de la loko en kiu li trovas sin, eĉ ĝis la fino de la valo, la tuta vojo estas tiel plenigita per ŝnuretpreniloj, kaptiloj, trompiloj kaj retoj tie ĉi, kaj tiel plenigita per kavoj, enfalujoj, profundejoj kaj krutaĵoj tie, ke, se estus nun tiel malluma kiel dum lia irado tra la unua parto de l' valo, li sendube estus perdinta milon da animoj, se li estus posedinta ilin; sed, kiel mi ĵus diris, la suno estas leviĝanta. Tiam diras li, "Lia kandelo brilas sur mian kapon, kaj per Lia lumo mi trairas la mallumon."

En tiu ĉi lumo, tial, li jam alvenas je la fino de la valo. Nu mi vidis en mia sonĝo, ke ĉe la fino de la valo kuŝas sango, ostoj, cindroj kaj disrompitaj korpoj de homoj, eĉ de pilgrimantoj, kiuj antaŭe iris laŭlonge de la vojo; kaj dum mi pensadis pri la kaŭzo, mi ekvidis iom antaŭ mi, kavon kie loĝas du gigantoj, Papo kaj Idolano, en antikvaj tempoj, per kies potenco kaj tiraneco la homoj, kies ostoj, sango, cindroj, k.a., kuŝis tie, estis kruele mortigitaj. Sed Kristano preterpasis tiun ĉi lokon sen multe da danĝero, je kio mi miris iom. Sed mi poste eksciis, ke Idolano estas mortinta de longa tempo, kaj rilate al la alia, kvankam li estas ankoraŭ viva, li estas, pro aĝo, kaj pro la multaj gravaj bataloj, kiujn li renkontis en la tagoj de juneco, fariĝinta tiel malforta kaj rigida en siaj artikoj, ke li nun povas fari ne multe pli ol sidi en la buŝo de l' kavo kaj montri la dentojn al pilgrimantoj kiam ili preterpasas, kaj mordi la ungojn pro tio, ke li ne povas atingi ilin.

Tiel mi vidis, ke Kristano vojiris; tamen je la vidaĵo de la maljunulo, kiu sidis je la buŝo de l' kavo li ne sciis kion pensi, precipe ĉar la giganto parolis kun li—kvankam li ne povis ĉasi lin—dirante, Vi neniam pliboniĝos antaŭ ol plu el vi estos bruligitaj. Sed li silentiĝis, kaj rigardis la situacion kuraĝe, kaj tiamaniere preterpasis kaj prenis nenian difekton. Tiam kantis Kristano—

" Mirinda mondo ! ke min oni savis
En mizerego tia, kian mi havis ;
Benata estu Mano, kiu, forta
Min gardis tra malluma valo morta,
De la infero, diabloj, pekado,
Min ĉirkaŭantaj, kaj la atakado
Per kaptilaro diable farita ;
Eble malsaĝa mi estus ŝnurita,
Ĝis pereiĝo, sed mi trovis bonon ;
Mi vivas, do, Jesuo, portu kronon ! "

---

## Ĉapitro 11a.

*Kristano atingas kunpilgrimanton, Fidelulon, kiu sciigas lin pri Fleksemo, kaj rakontas siajn proprajn spertojn.—Li parolas pri Delogistino, Adamo la Unua kaj Honto.*

Nu, kiel Kristano vojiris, li atingis malgrandan suprenirejon, kiun oni suprekonstruis pro tio, ke pilgrimantoj povu rigardi antaŭen. Supren tien, do, iris Kristano, kaj rigardante antaŭen, li vidas Fidelulon antaŭ li vojirantan. Tiam diras Kristano laŭte, Ho, ho ! atentu ! Haltu, kaj mi estos via akompananto. Je tio, Fidelulo rigardas malantaŭen, al kiu Kristano rekrias, Haltu, haltu, ĝis mi atingos vin. Sed Fidelulo respondas, Ne : rilatas al mia vivo, kaj la venĝanto de sango estas malantaŭ mi.

Je tio, Kristano estas iom pikita, kaj eltirante siajn tutajn fortojn, li rapide atingis Fidelulon, kaj ankaŭ preterkuris lin ; tiamaniere, ke la lasta fariĝis la unua. Tiam ridis Kristano el vangloro, ĉar li sukcesis preterkuri sian fraton ; sed ne zorgante pri siaj piedoj, li subite faletis kaj falis, kaj povis levi sin nur kiam Fidelulo venis por helpi lin.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke ili kuniris tre ame, kaj faris dolĉan interparoladon pri ĉiuj la aferoj, kiuj okazis ĉe ili dum ilia pilgrimo ; kaj tiamaniere Kristano komencis :—

Kris. Mia honorata kaj tre amata frato Fidelulo, mi ĝojas, ke mi sukcesis atingi vin, kaj ke Dio tiel agordis niajn animojn, ke ni povas iri kiel kunvojaĝantoj en tiu ĉi tiel agrabla vojo.

Fidel. Mi estis pensinta, kara amiko, havi vian kunecon laŭlonge de la tuta vojo de nia urbo, sed vi ekiris antaŭ mi ; tial mi estis devigata veni ĝis tie ĉi sola.



*Kristano interparoladas kun kunpilgrimanto Fidelulo.*

KRIS. Ĝis kiam vi restis en la Urbo Detruota antaŭ ol vi eliris post mi sur la pilgrimo?

FIDEL. Ĝis mi ne povis resti plu; ĉar oni multe parolis, tuj post via eliro, ke nia urbo devos esti, post nelonga tempo, bruligita teren per ĉiela fajro.

KRIS. Kredeble? Ĉu viaj najbaroj tiel parolis?

FIDEL. Jes; estis dum kelka tempo en ĉiuj buŝoj.

KRIS. Ĉu povas esti? Kaj ĉu neniaj pli el ili krom vi eliris por forkuri la danĝeron?

FIDEL. Kvankam estis, kiel mi diris, multe da parolado pri tio, tamen mi ne kredas ke ili tute kredis ĝin; ĉar en la varmeco de la disputado mi aŭdis kelkajn el ili moke paroli pri vi, kaj pri mia hazardega vojaĝo (ĉar tiel ili nomis tiun ĉi, vian pilgrimon): sed mi ja kredis, kaj ankoraŭ kredas, ke la finiĝo de nia urbo estos per fajro kaj fajroŝtono de supre; kaj tial mi faris mian forkuron.

KRIS. Ĉu vi ne aŭdis parolon pri najbaro Fleksemo?

FIDEL. Jes, Kristano, mi aŭdis, ke li sekvis vin ĝis li atingis la Ŝlimejon de Malkuraĝeco, kien, diras kelkaj, li enfalis; sed li ne

volis ke iu sciu, ke li tion faris. Sed mi certiĝas, ke li estis elkotita per tiu speco de malpuraĵo.

KRIS. Kaj kion diris la najbaroj al li?

FIDEL. De lia reveno, oni multe ridas je li, ja tio inter ĉiuj gradoj de personoj. Kelkaj mokas kaj malestimas lin, kaj apenaŭ iu dungos lin. Lia stato estas sepoble pli malbona ol se li neniam estus foririnta la urbon.

KRIS. Sed kial ili tiel deturnas sin de li, vidante ke ili ankaŭ malestimas la vojon, kiun li forlasis?

FIDEL. Ho, ili diras, pendigu lin! li estas turnvestulo: li ne estas fidela al sia konfeso! Mi kredas, ke Dio estas incitinta eĉ liajn malamikojn sibli kontraŭ li, kaj fari el li proverbon, tial ke li forlasis la vojon.

KRIS. Ĉu vi ne interparolis kun li antaŭ ol vi elvenis?

FIDEL. Mi unufoje renkontis lin sur la strato, sed li sin deturnis ĝis la alia flanko kvazaŭ honta pri tio, kion li faris, tial mi ne parolis kun li.

KRIS. Nu, kiam mi ekvojiris, mi sentis esperojn pri tiu viro; sed nun mi timas, ke li pereos en la renverso de la urbo. Ĉar okazis al li laŭ la vera proverbo, "La hundo revenis al sia vomaĵo, kaj la porkino, kiun oni lavis, ĝis sia ruliĝado en la ŝlimo."

FIDEL. Tiuj ĉi estas miaj timoj pri li ankaŭ; sed kiu povas malhelpi tion, kio devos esti?

Nu, najbaro Fidelulo, diris Kristano, ni lasu lin, kaj parolu pri aferoj, kiuj pli proksime koncernas nin mem. Diru al mi, nun, kion vi renkontis en la vojo, dum vi venis; ĉar mi scias, ke vi renkontis kelkajn aferojn, alie oni povus ĝin skribi kvazaŭ ĝi estus mirindaĵo.

FIDEL. Mi evitis la Ŝlimejon, en kion, mi ekvidas, ke vi enfalis, kaj atingis la pordeton ne renkontinte tiun danĝeron; tamen mi renkontis iun, kies nomo estas Delogistino, kiu ŝajnis esti faronta al mi malbonon.

KRIS. Bone, ke vi evitis ŝian reton. Jozefo estis forte atakita de ŝi, kaj li forkuris ŝin, kiel vi ankaŭ faris; sed okazis, ke pro tio li preskaŭ perdis la vivon. Sed kion ŝi faris al vi?

FIDEL. Vi ne povas kredi (sed, ja, vi iom konas pri tio), kian flateman langon ŝi posedas. Ŝi tre sieĝis min, ke mi flankenturnu kun ŝi, promesante doni al mi ĉiaspecajn plezurojn.

KRIS. Ne, ŝi ne ja promesis doni al vi la kontentecon de la bona konscienco.

FIDEL. Vi konas, ke mi signifas per tio, ĉian karnan kontentecon.

KRIS. Dank' al Dio, ke vi forkuris de ŝi. La malamegitaj de la Sinjoro enfalos en ŝian kotejon.

FIDEL. Ne, vere, mi ne scias ĉu mi tute evitis ŝin aŭ ne.

KRIS. Nu, mi kredas, ke vi ne konsentis je ŝia deziro ?

FIDEL. Ne, ne por malpurigi min, ĉar mi memoris antikvan skribaĵon, kiun mi iam vidis, kiu diras, "Ŝiaj paŝoj iras ĝis la Infero"; tial mi fermis la okulojn, ĉar mi ne volis esti ensorĉita per ŝiaj rigardoj. Tiam ŝi mokis min, kaj mi vojiris.

KRIS. Ĉu vi ne renkontis alian ajn atakon laŭlonge de la vojo ?

FIDEL. Kiam mi venis ĉe la malsupro de la monteto nomita Malfacileco, mi renkontis tre maljunan viron, kiu demandis min, kiu mi estas, kaj kien mi iras ? Mi diris, Ke mi estas pilgrimanto, kiu iras ĝis la Ĉiela Urbo. Tiam diras la maljunulo, Ci ŝajnas esti honesta homo. Ĉu ci estos kontenta loĝi ĉe mi por la salajro, kiun mi donos al ci ? Tiam mi demandis lian nomon, kaj kie li loĝas. Li respondis, ke lia nomo estas Adamo la Unua, kaj ke li loĝas en la urbeto de Trompo. Mi demandis lin tiam, kia estas lia laboro, kaj kiom la salajro, kiun li donus. Li diris, ke lia laboro estas multaj ĉarmegaĵoj, kaj mia salajro estus, ke mi estus lia heredanto en la fino. Mi plie demandis lin, kian domon li havas, kaj kiajn aliajn servistojn li posedas. Tiel li diris al mi, ke oni provizigas lian domon per ĉiuj frandaĵoj de l' mondo, kaj ke liaj servistoj estas liaj propraj idoj. Tiam mi demandis, kiom da idoj, li havas. Li diris, ke li havas nur tri filinojn, la Karnan Avidecon, la Okulan Avidecon, kaj la Vivan Fierecon, kaj ke mi povus edziĝi kun ili se plaĉus al mi. Tiam mi demandis, kiom da tempo li deziras, ke mi kunvivus kun li. Kaj li diris, tiel longe kiel li vivus mem.

KRIS. Nu, kaj kian konkludon la maljunulo kaj vi fine faris ?

FIDEL. Nu, mi unue trovis min iom inklinita iri kun la homo, ĉar mi pensis, ke li parolas tre verŝajne ; sed rigardante lian frunton dum mi interparoladis kun li, mi vidis tie, kvazaŭ skribitajn, la vortojn "Demetu la malnovan homon, kune kun liaj faroj."

KRIS. Kaj kiel poste ?

FIDEL. Tiam envenis brule en mian animon, ke kion ajn li dirus, kaj kiel ajn li flatus min, post li havigus min hejme ĉe li, min li vendus por esti sklavo. Mi tial ordonis, ke li ĉesu paroli, ĉar mi ne volas alproksimiĝi al la pordo de lia domo. Tiam li mallaŭdegis min, kaj diris, ke li sendos tian personon post mi, kia faros mian vojon esti akra al mia animo. Tial mi deturnis min por deiri de li ; sed kiam mi jus tiel faris, mi sentis lin ekpreni mian karnon, kaj doni al mi tian mortan tiregon posten, ke mi pensis, ke li eltiris parton de mi post si. Tio kriigis min, "Ho, mizera homo !" Tiel mi daŭrigis la supreniradon de la monteto.

Nu kiam mi iris ĉirkaŭ duonon de la irado, mi postenrigardis, kaj

vidis homon, kiu sekvis min tiel rapide kiel la vento; tiel li atingis min ĉirkaŭ la loko kie staras la sofo.

Kris. Ĉuste tie, diris Kristano, mi sidiĝis por ripozigi min; sed, venkita de la dormo, mi tie perdis tiun ĉi pergamenon el mia brustaĵo.

Fidel. Sed, bona frato, elaŭskultu min. Tuj kiam la viro atingis min, li faris samtempe parolon kaj baton, ĉar li faligis min kaj faris min kvazaŭ senviva. Sed kiam mi iom rekonsciiĝis, mi demandis de li, kial li tiel malbone agas kontraŭ mi. Li respondis, ke tio estas, pro mia sekreta inklino al Adamo la Unua; kaj tiel dirinte, li donis al mi alian morteman bategon sur la bruston, kaj elbatis min malantaŭen, tiamaniere, ke mi kuŝis ĉe liaj piedoj kvazaŭ senviva, kiel antaŭe. Tiel, kiam mi rekonsciiĝis denove, mi petis de li kompaton; sed li respondis, Mi ne scias kiel montri kompaton, kaj, tiel dirinte, li refaligis min. Sendube li estus fininta mian vivon, se homo ne estus preterpasinta kaj ordoninta, ke li ĉesu.

Kris. Kiu estis tiu, kiu ordonis lin ĉesi?

Fidel. Mi ne unue rekonis Lin, sed dum Li preterpasis, mi ekvidis la truojn en Liaj manoj, kaj en Lia flanko; tiam mi konkludis ke Li estas nia Sinjoro. Poste mi supreniris la monteton.

Kris. La viro kiu atingis vin estas Mozeso. Li pardonas neniun, nek scias li kiel montri kompatemon al tiuj, kiuj ofendas kontraŭ lia leĝo.

Fidel. Mi tion bone scias; ne estis la unua fojo, kiam li renkontis min. Estis la sama homo kiu venis al mi kiam mi restis trankvile hejme, kaj diris al mi, ke li bruligos la domon, kiu ŝirmas mian kapon, se mi restados tie.

Kris. Sed ĉu vi ne vidis la domon, kiu staris tie, sur la supro de l' monteto, sur kies flanko Mozeso renkontis vin?

Fidel. Jes, kaj la leonojn ankaŭ, antaŭ ol mi atingis ĝin; sed rilate al la leonoj, mi pensas, ke ili dormis, ĉar estas ĉirkaŭ posttagmezo; kaj ĉar mi havis tiom multe de la tago antaŭ mi, mi preterpasis la pordiston, kaj malsupreniris la monteton.

Kris. Li ja diris al mi, ke li vidis vin preterpasi, sed mi volus ke vi estus vizitinta la domon, ĉar tia okaze oni estus montrinta al vi tiom da maloftaĵoj, ke vi apenaŭ povus forgesi ilin ĝis via mortotago. Sed mi petas vin, diru al mi, ĉu vi ne renkontis iun en la Valo de Humiliĝo?

Fidel. Jes, mi renkontis unu nomitan Malkontento, kiu tre volonte estus elinfluinta min reveni kun li; lia argumento estis tio, ke ĉe la valo tute mankas honoro. Li diris al mi, plie, ke iri tien

estus malobei ĉiujn miajn amikojn, ekzemple Fiero, Aroganto, Tromemfido, Mondgloro, kun aliaj, kiuj—tion li diras—estus tre ofenditaj, se mi iĝus tia malsaĝulo, kia volus travadi tiun ĉi valon.

KRIS. Nu, kiamaniere vi respondis al li?

FIDEL. Mi diris al li, ke kvankam ĉiuj tiuj ĉi, kiujn li nomis, povas pretendi parencecon kun mi, kaj rajte, ĉar ili ja estas miaj parencoj laŭ la karno, tamen post mia pilgrimantiĝo, ili forlasis min, kiel ankaŭ mi forĵetis ilin; kaj pro tio ili estas al mi nun kvazaŭ ili neniam apartenis al mia gento.

Mi diris al li, plie, ke pri tiu ĉi valo, li tute falseprezentis la aferon; "ĉar antaŭ ol la honoro estas la humileco, kaj aroganta animo antaŭ ol falo." Tial, mi diris, ke mi plivole trairus tiun ĉi valon ĝis tio, kion la plej saĝaj estimas esti honoro, ol elekti tion, kion li estimas plej inda de nia amo.

KRIS. Ĉu vi nenion plu renkontis en tiu ĉi valo?

FIDEL. Jes, mi renkontis Honton; sed el ĉiuj la homoj, kiujn mi renkontis dum mia pilgrimo, li, kiel mi pensas, portas la malveran nomon. La aliajn, oni povis ĉesigi, post iom da argumento kaj iom da alia, sed tiu ĉi maltimvizaĝa Honto neniam volas ĉesi.

KRIS. Nu, kion li diris al vi?

FIDEL. Kion! li ja kontraŭparolis kontraŭ religio mem; li diris, ke ĝi estas malestiminda, malnobla, rampa afero, ke oni atentu al religio; li diris, ke sentema konscienco estas nevirajo; kaj, ke oni zorgu pri siaj vortoj kaj faroj ĝis la sindetenado de tiu hektora libereco, al kiu la bravuloj de la tempo kutimas sin, farus el li la ridindaĵon de la tempo. Li kontraŭparolis ankaŭ, ke nur malmultaj el la potenculoj, riĉuloj, aŭ saĝuloj iam estis de mia opinio; nek iu el ili, antaŭ ol oni elinfluis ilin esti malsaĝuloj kaj esti volonte simplanimuloj, volus riski ĉion por gajni, neniu scias kion. Li plie kontraŭparolis pri la malnobla kaj malalta stato kaj etato de tiuj, kiuj estas la plimulto el la pilgrimantoj de la tempoj kiam ili vivadas; ankaŭ ilia nescio kaj manko de klereco en ĉia natura scienco. Vere, li kontraŭbatalis tiamaniere ankaŭ pri multe pli da aferoj ol mi nun rakontas; ekzemple, ke estas hontaĵo, ke oni sidu bleketante kaj malĝojante dum la predikado, kaj hontaĵo reveni hejmen ekĝemante kaj ĝemante; ke estas hontaĵo peti de la najbaro pardonon por kulpetoj, aŭ fari redonadon kiam mi forprenis de iu. Li diris ankaŭ, ke religio devigas iun fariĝi strangulo al la potenculoj, pro malmultaj malvirtoj, kiujn li nomis per pli delikataj nomoj; kaj devigas lin konatiĝi kaj estimi la malaltulojn, ĉar ili apartenas al la sama religia frataro. Kaj, diras li, ĉu tio ĉi ne estas hontaĵo?

Kris. Kaj kion vi diris al li?

Fidel. Diris! Mi unue ne sciis kion diri. Vere, li tiel konfuzis min, ke la sango supreniris en mian vizaĝon; ja eĉ tiu ĉi Honto suprenirigis ĝin, kaj preskaŭ forbatis min. Sed fine mi ekkonsideris, ke, "tio, kio estas estimegata inter la homoj, estas abomeninda ĉe Dio." Kaj mi pensis, plie, ke tiu ĉi Honto priskribas al mi tion, kio la homoj estas; sed diras al mi nenion pri tio, kio Dio, aŭ la vorto de Dio, estas. Kaj mi pensis, plie, ke je la tago de juĝado, oni ne estos aljuĝita aŭ al la morto aŭ al la vivo laŭ la pensoj de la hektorantaj bravuloj de l' mondo, sed laŭ la saĝeco kaj leĝo de la Plejalta. Tial, pensis mi, tio, kion diras Dio, estas la plej bona, nepre estas la plej bona, kvankam la tuta homaro estus kontraŭ ĝi. Vidante, do, ke Dio preferas Sian religion; vidante ke Dio preferas senteman konsciencon; vidante ke tiuj kiuj faras sin malsaĝuloj pro la regno de l' ĉielo estas la plej saĝaj; kaj ke la malriĉulo, kiu amas Kriston estas pli riĉa ol la plej granda homo en la mondo kiu malamas Lin: Honto, foriru, ci estas malamiko al mia saviĝo. Ĉu mi akceptus cin kontraŭ mia suverena Sinjoro? Kiel en tiu okazo mi povus rigardi lian vizaĝon je lia veno? Se mi nun hontus pri liaj faroj kaj servistoj, kiel mi povus atendi la benon? Sed ja tiu Honto estis kuraĝa kanajlo; mi apenaŭ povis elskui lin el mia kuneco; vere li persistis akompanadi min kaj ĉiam murmuradi en mian orelon pri tia aŭ alia el la malfortecoj kiuj akompanas la religion. Sed mi fine diris al li, ke li vane atencas plie en tiu ĉi entrepreno; ĉar pri tiuj ĉi aferoj, kiujn li malestimas, en la samaj mi vidas la plej multan gloron, kaj tiamaniere en la fino mi preterpasis tiun ĉi trudeman homon. Kaj post mi sukcesis forskui lin, mi ekkantis:

La provoj, kiujn ofte homoj trovas,
Kiam voĉo ilin el ĉielo movas,
Multiĝas, kaj al karno tre insidas,
Kaj ofte, kaj denove, nin perfidas,
Se oni lasos sin esti venkita,
Per delogiloj esti forĵetita;
Viglaj, do, estu ĉiuj pilgrimantoj,
Fariĝu ili fine la venkantoj!

Kris. Mi ĝojas, frato mia, ke ci kontraŭstaris tiel brave tiun ĉi kanajlon; ĉar el ĉiuj, kiel ci diras, mi kredas, ke li havas la plej maloportunan nomon; ĉar li estas tiel maltima, ke li sekvas nin tra la stratoj, kaj penas hontigi nin antaŭ la homoj; tio estas, hontigi

nin pri tio, kio estas bona; sed se li ne estus mem maltimega, li neniam atencus tion fari, kion li kutimas. Sed ni ankoraŭ kontraŭstaru lin; ĉar spite ĉiuj siaj maltimegaĵoj, li plialtigas la malsaĝulon kaj neniun alian. "La saĝulo heredos gloron," diris Solomono, "sed la honto estos la plialtiĝo de la malsaĝuloj."

FIDEL. Mi pensas, ke ni devas krii por helpo kontraŭ Honto, al Tiu, Kiu deziras, ke ni estu bravaj por la vero sur la tero.

KRIS. Vi diras vere. Sed ĉu vi renkontis neniun alian en tiu valo?

FIDEL. Ne vere; ĉar mi havis sunbrilon la tutan reston de l' vojo tra tio, kaj ankaŭ tra la Valo de l' Ombro de la Morto.

KRIS. Estis bone por vi; mi estas certa, ke okazis tute alie kun mi. Mi longe, preskaŭ de mia eniro en tiun valon, kontraŭbatalis tiun malpuran diablon, Apoljono; ja, mi vere pensis, ke li mortigos min, precipe kiam li faligis min kaj premis min sub li kvazaŭ li volus subpremi min en pecetojn. Ĉar jus kiam li elskuis min, mia glavo forflugis el mia mano; ja li diris, ke mi estas certege en lia povo; sed mi kriis al Dio, kiu aŭdis min, kaj liberigis min el ĉiuj miaj danĝeroj. Tiam mi eniris la Valon de l' Ombro de la Morto, kaj havis nenian lumon ĝis preskaŭ la duono de la trairado. Mi multfoje timis, ke mi estos mortigita; sed fine tagiĝis, kaj la suno leviĝis, kaj mi trairis la postaĵon multe pli facile kaj trankvile.

---

## ĈAPITRO 12ª.

*La pilgrimantoj konatiĝas kun Parolemo, kiu sufiĉe montras sian karakteron, kaj li diras adiaŭ.*

PLIE, mi vidis en mia sonĝo, ke dum ili kuniris, Fidelulo, ekrigardante unuflanke, vidis viron nomatan Parolemo, kiu piediris malproksime sed flanke de ili, ĉar en tiu ĉi loko sin trovis sufiĉe da spaco por ke ili ĉiuj povis kuniri. Li estas altkreskulo, kaj ŝajnis esti iom pli bela en la malproksimo ol kiam apude. Al tiu ĉi viro Fidelulo sin turnis tiamaniere:—

FIDEL. Amiko, kien iranta? Ĉu vi iras ĝis la ĉiela lando?

PAROL. Mi iras ĝis tiu sama loko.

FIDEL. Bone; tiaokaze mi esperas, ke ni havos vian bonan akompanadon.

PAROL. Kun tre bona volo, mi estos via akompananto.

FIDEL. Venu, do, ni iru kune, kaj ni pasigu la tempon interparolante pri aferoj profitaj.



*Fidelulo konatiĝas kun Parolemo.*

Parol. Paroli pri aferoj bonaj, estas al mi tre agrable, kun vi, aŭ kun alia ajn; kaj mi ĝojas, ke mi renkontis tiujn, kiuj sin inklinas al tiel bona laboro; ĉar, la veron diri, estas nur malmultaj, kiuj deziras tiamaniere pasigi la tempon (dum ili vojaĝadas), sed elektas plivole esti parolantaj pri aferoj neprofitaj; kaj tio ĉi malĝojigas min.

Fidel. Tio estas ja bedaŭrindaĵo; ĉar kiaj aferoj estas tiel indaj por la uzado de la homa lango kaj buŝo kiel estas la aferoj de la ĉiela Dio?

Parol. Mi tre ŝatas vin, ĉar viaj diroj estas konvinkplenaj; kaj mi volas aldoni la demandon jenan: kia afero estas tiel plezuriga kaj tiel profita, kiel paroli pri la Diaj aferoj?—Kiaj aferoj tiel plezurigaj, mi ripetas, se nur oni trovas plaĉegon en aferoj, kiuj estas mirindaj? Ekzemple, se plaĉas al iu paroli pri la historio aŭ la mistero de aferoj; aŭ se iu amas paroli pri mirakloj, mirindaĵoj aŭ signoj, kie, mi demandas, li povas trovi aferojn enskribitajn tiel plaĉegajn kaj tiel dolĉe raportitajn kiel en la Sanktaj Skribaĵoj?

Fidel. Estas vere; sed esti profititaj per tiaj aferoj en nia interparolado, tio devas esti nia celo.

Parol. Estas tio, kion mi diris; ĉar paroli pri tiaj aferoj estas

plej profite, ĉar, tiel farante, oni povas atingi konon pri multaj aferoj; ekzemple pri la vaneco de teraj aferoj, kaj la bono de aferoj supraj. Tiom ĝenerale; sed pli speciale, per tio oni povas ekscii la necesecon de l' nova naskiĝo, la nesufiĉecon de niaj bonagoj, la bezonon de l' justeco de Kristo, k.c. Plie, per la interparolado oni povas sciiĝi pri kio estas penti, kredi, preĝi, suferi, aŭ similajn aferojn; per tio ĉi, ankaŭ, homo povas lerni kiaj estas la grandaj promesoj kaj konsolaĵoj de la Evangelio, por lia komforto. Plie, per tio ĉi, homo povas lerni refuti malpravajn opiniojn, defendi la veron, kaj ankaŭ instrui la malklerulojn.

FIDEL. Ĉio tio ĉi estas vera, kaj mi ĝojas aŭdi ĝin de vi.

PAROL. Ho ve! la manko de tio ĉi estas la kaŭzo kial tiom malmultaj komprenas la bezonon de fido, kaj la neceson de Difarado en siaj animoj, por, ke ili povu atingi la eternan vivon; sed ili nesciante vivadas en la faradoj leĝaj, per kiuj homo neniel povas atingi la ĉielan reĝolandon.

FIDEL. Sed, permesu min, la ĉiela konado de tiuj ĉi estas la donaco de Dio; neniu atingas ilin per homa diligenteco, aŭ nur per parolado pri ili.

PAROL. Ĉion tion ĉi mi bone scias. Ĉar homo ne povas ricevi ion, esceptinte ke oni donacu ĝin al li el la ĉielo; ĉio estas de la Dia favoro, ne de faroj. Mi povis citi centon da skribaĵoj sanktaj por la certigo de tio ĉi.

FIDEL. Nu, do, diras Fidelulo, kio estas tiu unu afero sur kiu ni nuntempe starigos nian interparoladon?

PAROL. Tio, kion vi volas. Mi parolos pri aferoj ĉielaj, aŭ aferoj mondaj; aferoj moralaj, aŭ aferoj evangeliaj; aferoj sanktaj aŭ aferoj nesanktaj; aferoj pasintaj aŭ aferoj venontaj; aferoj alilandaj aŭ aferoj hejmaj; aferoj pli esencaj, aŭ aferoj cirkonstancaj; se nur ĉio estu farota por nia profito.

FIDEL. Nun Fidelulo ekmiris; kaj paŝante al Kristano (ĉar tiu ĉi marŝis sola la tutan tempon), li diras al li (sed mallaŭte), Kian bonan kunvojaĝanton ni trovis! Certe tiu ĉi homo fariĝos tre bonega pilgrimanto.

KRIS. Je tio Kristano modeste ridetas, kaj diras, Tiu ĉi homo, de kiu vi estas tiel ĉarmita, trompos per tiu sia lango dudekon da tiuj kiuj ne konas lin.

FIDEL. Ĉu vi, do, konas lin?

KRIS. Konas lin! Jes, pli bone ol li konas sin mem.

FIDEL. Diru, mi petas, tian, kia li estas.

KRIS. Lia nomo estas Parolemo; li loĝas en nia urbo; mi miras, ke vi estas fremdulo rilate al li, sed mi konsideras, ke nia urbo estas ja granda.

Fidel. Kies filo li estas? Kaj en kia loko li loĝas?

Kris. Li estas filo de iu, Diribone; li loĝis en Babileca Domvico; kaj liaj konatuloj bone konas lin per la nomo de Parolemo de Babileca Domvico; kaj spite lia lerta lango, li estas nur malŝatindulo.

Fidel. Nu, li ŝajnas esti tre altira homo.



*Iom plu pri Parolemo.*

Kris. Li tio estas, ĉe ili, kiuj ne posedas tutan konon de li; ĉar li estas plej bona malhejme; en la hejmo li ja estas tre malbela. Via diro, ke li estas altira homo, rememorigas min pri tio, kion mi rimarkis en la verko de la pentristo, kies pentraĵoj ŝajnas esti plej bonaj malproksime, sed kiam tre proksime, malpli plaĉaj.

Fidel. Sed mi estas preta ekpensi, ke vi nur ŝercas, pro tio, ke vi ridetis.

Kris. Dio malpermesu, ke mi ŝercu (kvankam mi certe ridetis) en tiu ĉi afero, aŭ ke mi kulpigu iun ajn nejuste. Mi faros al vi pluan malkaŝon pri li. Tiu ĉi homo estas preta por ia kunularo ajn, kaj por ia interparolado ajn; kiel li interparoladas kun vi nun, tiel

li parolados kiam li sidos sur la benko de la bierejo; kaj ju pli da biero li havas en la kapo, des pli da tiuj ĉi aferoj li havas en la buŝo; religio havas nenian lokon en lia koro, aŭ domo, aŭ vivado; ĉio, kion li posedas kuŝas en lia lango, kaj lia religio estas, fari bruon per ĝi.

FIDEL. Ĉu vi tion diras! en tiu okazo mi estas pri tiu ĉi homo grande trompita.

KRIS. Trompita, vi estu certigita; rememoru la proverbon, "Ili diras, kaj ne faras." Sed "la regno de Dio ne konsistas en la parolo sed en la povo." Li parolas pri la preĝo, la pento, la fido, kaj pri la nova naskiĝo; sed li scias tiujn nur por paroli pri ili. Mi ĉeestis ĉe lia familio, kaj observis lin hejme kaj ekstere; kaj mi ja scias, ke tio, kion mi diras pri li estas la vero. Lia domo estas tiel malplena je religio kiel mankas gusto ĉe ovblanko. Tie oni trovas nek preĝon nek signon de pento pri pekado; jes la bruto siamaniere servas Dion multe pli bone ol li. Li estas la vera makulo, riproĉo kaj honto de religio en la opinio de ĉiuj, kiuj lin konas. Pro li, ĝi apenaŭ povas ricevi eĉ unu laŭdan vorton en la kvartalo kie li loĝas. Estas la popola diro inter tiuj, kiuj lin konas, Sanktulo fore, diablo hejme.



*La hipokritulo hejme kaj fore.*

Lia kompatinda familio tiel trovas la aferon; li estas tia malagrablulo, tia riproĉema al, kaj tiel tropostulema rilate al, siaj servistoj, ke ili nek scias kiel agi por, nek paroli al li. Homoj kiuj traktas kun li, diras ke, pli preferinde estas trakti kun Turko ol kun li; ĉar el la manoj de tiaj ili ricevos pli justajn farojn. Tiu ĉi Parolemo (se tio estas ebla) superos ilin, trompos, delogos kaj superruzos ilin. Cetere, li edukas siajn filojn por sekvi siajn piedsignojn; kaj se iam li trovas en ili malsaĝan timecon (ĉar tia li nomas la ekaperon de sentema konscienco), li nomas ilin malsaĝuloj kaj ŝtipkapuloj, kaj poste nek okupigos ilin en gravaj aferoj, nek parolos laŭde pri ili antaŭ aliaj. Miaparte, mi opinias, ke, per lia malbona vivado, li faletigis kaj faligis multajn; kaj, se Dio ne malpermesos, kaŭzos la ruinon de multaj plu.

FIDEL. Nu, frato mia, devas esti, ke mi vin kredu; ne nur ĉar vi diras, ke vi bone konas lin, sed ankaŭ ke, vi kristane raportas pri homoj. Ĉar mi ne povas kredi, ke vi diras tiujn ĉi aferojn pro malbonvolo, sed ĉar estas eĉ tiel, kiel vi diras.

KRIS. Se mi estus koninta lin ne pli ol vi, eble mi estus pensinta pri li same kiel vi tion unue faris; ja, se mi estus ricevinta tiun ĉi raporton sole el la manoj de tiuj, kiuj estas malamikoj al religio, mi estus konkludinta, ke ĝi estas kalumnio—tia, kia ofte falas el la buŝoj de malbonuloj sur la nomojn kaj konfesiojn de la bonuloj; sed pri ĉiuj tiuj ĉi aferoj, jes kaj pri tre multaj plu egale malbonaj, mi, el mia propra sciado povas pruvi lin kulpa. Plie, bonuloj hontas pri li; ili ne povas nomi lin frato nek amiko; eĉ la nomado de li inter ili ruĝigas ilin, se nur ili konas lin.

FIDEL. Nu, mi komprenas, ke la dirado kaj la farado estas du apartaj aferoj; kaj poste mi pli bone notos la diferencon.

KRIS. Ili ja estas du aferoj, kaj estas tiel diversaj kiel estas la animo kaj la korpo; ĉar kiel la korpo sen la animo estas nur senviva kadavro, tiel la dirado, se ĝi estas sola, estas nur senviva kadavro ankaŭ. L' animo de religio estas la praktika parto; pura religio kaj senmakula, antaŭ Dio kaj la Patro estas tio ĉi; viziti la senpatrajn kaj vidvinojn en ilia malĝojo, kaj konservi sin senmakulita de la mondo. Tion ĉi Parolemo ne ekscias; li supozas, ke, la aŭdado kaj la dirado mem faros bonan Kristanon, kaj tiamaniere li trompas animon sian. La aŭdado nur similas la semadon da la semo; la parolado ne estas sufiĉa por pruvi, ke frukto ekzistas en la koro kaj la vivo, kaj ni certigu nin ke, je la juĝa tago, homoj devos esti juĝata laŭ sia frukto. Oni ne diros al ili tiam, Ĉu vi kredis? sed, Ĉu vi estis farantoj aŭ nur parolantoj? kaj laŭ tio oni juĝos ilin. La finon de l' mondo oni komparas kun

nia rikolto; kaj je la rikolta tempo oni valoras nenion ekster la frukto. Kaj kvankam nenio povas esti tiam akceptata sen fido, mi diras tion ĉi por montri kiel sensignifa estos la konfeso de Parolemo en tiu tago.

FIDEL. Tiuj ĉi paroloj memorigas min pri la priskribo de Mozeso pri la besto pura kaj permesita. Ĝi estas dividahufulo kaj remaĉadulo; ne nur dividahufulo, aŭ nur remaĉadulo. La leporo remaĉadas, tamen ĝi estas malpura ĉar ĝi ne dividas la hufon. Kaj tiu besto vere similas Parolemon: li remaĉadas, li serĉas nur sciadon; li maĉadas pri la Vorto, sed li ne dividas la hufon, li ne dividas sin de la vojo de l' pekuloj; sed, simile al la leporo, li konservas la piedon de la hundo aŭ de la urso, kaj tial li estas malpura.

KRIS. Vi estas parolinta, laŭ mia scio, la veran evangelian sencon de tiuj ĉi citaĵoj. Kaj mi aldonos alian aferon: Paŭlo nomas iajn homojn, kaj ja tiujn, kiuj estas tre parolemaj, "sonanta ŝlavkupro kaj tintaj cimbaloj," t.e. kiel li klarigas aliloke, "aferoj senvivaj," nome, aferoj, kiujn oni neniam lokigos en la ĉielan regnon inter tiuj kiuj estas la infanoj de la vivo, kvankam ilia sono, laŭ la parolado, estas kvazaŭ el la lango aŭ la voĉo de anĝelo.

FIDEL. Nu, mi ne unue tre ŝatis lian akompanadon, sed mi nun estas naŭzita per ĝi. Kion fari, por malembarasi nin de li?

KRIS. Prenu mian konsilon, kaj faru kion mi ordonos, kaj poste vi trovos ke siavice li estos naŭzita pri via akompanado se Dio ne tuŝos lian koron kaj turnos ĝin.

FIDEL. Kion vi konsilus al mi fari?

KRIS. Nu, iru al li kaj entreprenu ian seriozan paroladon pri la potenco de la religio; kaj demandu al li, malkaŝe (post lia aprobado de ĝi, ĉar tion li faros) ĉu li starigas tion ĉi en sia koro, domo aŭ vivado.

Tiam Fidelulo ree antaŭenpaŝis, kaj diras al Parolemo, Nu, kio okazas? Kiel vi iras?

PAROL. Mi dankas, bone; mi pensis, ke ĝis nuntempo ni estos parolinta multe.

FIDEL. Bone, se plaĉas al vi, ni ekfaros tion nun; kaj ĉar vi lasas al mi proponi la demandon, estu ĝi tiu ĉi—Kiel la savanta favoro de Dio montras sin, kiam ĝi estas en la homa koro?

PAROL. Mi ekvidas, do, ke nia interparolado devas esti pri la potenco de aferoj. Nu, tio estas bona demando, kaj mi volonte respondos al vi; kaj prenu mian respondon mallongan tiele: Unue, kiam la favoro de Dio estas en la koro ĝi tie kaŭzas grandan malaprobon de pekado. Due——

FIDEL. Ne, tenu; ni konsideru ilin po unu. Mi pensas, ke vi

plibone devas diri, Ĝi sin montras per klinigo de la animo malamegi sian pekadon.

PAROL. Nu, kia diferenco ekzistas inter la malaprobo de pekado kaj la malamego de pekado?

FIDEL. Ho, tre multe. Homo povas ekkrii kontraŭ pekado el singardeco, sed tiu ne povas malamegi ĝin escepte per dia antipatio kontraŭ ĝi. Mi estas aŭdinta multajn, kiuj kriis kontraŭ la pekado el la prediksèĝo kiuj tamen povas ĝin toleri ja bone en la koro, la domo, kaj la vivado. La mastrino de Jozefo elkriis per granda voĉo kvazaŭ ŝi estis tre sindetenema; sed ŝi volonte, spite tio, estus farinta malpurajon kun li. Iuj elkrias kontraŭ la pekado same kiel patrino krias kontraŭ la infaneto en siaj brakoj, kiam ŝi nomas gin malpuretino kaj malbona knabino, kaj tuj ĉirkaŭprenas kaj kisas ĝin.

PAROL. Vi montras vin iom ekkaptema, mi vidas.

FIDEL. Ne vere! Mi nur deziras rektigi aferojn. Sed kio estas la dua afero, per kiu vi pruvus trovon de faro de favoro en la koro?

PAROL. Granda scio de evangeliaj misteroj.

FIDEL. Tiu ĉi signo devis esti la unua; sed la unua aŭ la lasta, ĝi estas iaokaze falsa; ĉar scion, grandan scion, oni povas atingi pri la misteroj evangeliaj, tamen sen ia faro de favoro dia en sia animo. Ja se homo posedas ĉian scion, tiu povas esti nenio, kaj sekve ne esti infano de Dio. Kiam Kristo diris, "Ĉu vi scias ĉiujn, tiujn ĉi aferojn?" kaj la lernistoj estas respondintaj "Jes," Li aldonis, "Benitaj estas vi, se vi ilin faras." Li ne metas la benon en la sciadon pri ili, sed en la faradon de ili; ĉar ekzistas sciado kiu ne estas akompanata de la farado, "Tiu kiu scias la volon de sia mastro kaj ne ĝin faras." Homo povas scii kvazaŭ anĝelo, kaj tamen ne esti kristano; tial via signo de ĝi ne estas vera. Ja nur scii estas afero kiu plaĉas parolemulojn kaj fanfaronulojn; sed la farado mem estas tio, kio plaĉas Dion. Mi ne diras, ke la koro povas esti bona sen la scio; ĉar sen tio la koro valoras nenion. Estas tial du specoj da scio—scio kiu restas en la senfrukta imagado pri aferoj, kaj scio akompanata de la favoroj de la fido kaj la amo, kiuj incitas homon plenumi la volon de Dio el la koro. La unua de tiuj ĉi ŝatigas la parolemulon; sed sen la alia, la vera kristano ne estas kontenta. "Donu al mi la komprenadon, kaj mi tenos Cian leĝon; mi ja obeos ĝin kun mia tuta koro."

PAROL. Vi ree preparas por mi kaptilojn: tio ĉi ne edifas.

FIDEL. Nu, se plaĉos al vi, proponu alian signon, per kiu, tiu ĉi faro de favoro dia sin montras en la koro.

PAROL. Tute ne; ĉar mi vidas, ke ni ne interkonsentos.

FIDEL. Nu, se vi ne volas, ĉu vi volas permesi al mi fari tion ?

PAROL. Vi povas uzi vian liberecon.

FIDEL. Faro de favoro en la animo sin montras aŭ al la posedanto, aŭ al la apudstarantoj. Ĉe tiu, kiu ĝin posedas, tiamaniere: Ĝi donas al tiu konvinkon pri pekado, precipe pri la malpureco de lia naturo, kaj pri la peko de malkredeco, pro kiu oni certe estos elkondamnita, se tiu ne trovos pardonon el la mano de Dio, per fido en Jesuo Kristo. La vidaĵo kaj sento de tiuj ĉi produktas ĉe tia homo bedaŭron kaj malĝojon pro la pekado. Oni plie trovas esti montrata en si la Savinton de l' mondo, kaj la absolutan necesecon de vivlonga interkonsento kun Li; kaj tuj oni trovas malsatojn kaj soifojn rilate al Li; pri kiuj mankoj estas donita la promeso. Nu, kiel estas la forto aŭ malforto de ies fido, tiel estas lia ĝojo kaj paco, tiel estas ties amo al sankteco, kaj tiel estas ties deziroj por koni Lin plu, kaj ankaŭ servi Lin en tiu ĉi mondo. Sed, kvankam, diras mi, ĝi sin montras al tia homo tiamaniere, tamen malofte tiu povas konkludi, ke tio ĉi estas faro de favoro, ĉar liaj malvirtoj nun, kaj lia malbonuzita racio, erarigas lian spiriton. Tial en tiu, kiu sentas tian faradon, estas bezonata tre sana prudento antaŭ ol oni povas senŝancele konkludi, ke tio ĉi estas faro de favoro.

Ĉe aliaj ĝi sin montras tiamaniere:—(1e). Per efektiva konfeso de fido en Kristo. (2e). Per vivado konvena al tiu konfeso—nome, vivado de sankteco, korsankteco, familia sankteco, se oni havas familion, kaj per vivada sankteco en la mondo; kio, ĝenerale, instruas iun interne malamegi sian pekadon, kaj sin mem pro tio, sekrete; subpremi ĝin inter sia familo, kaj antaŭenigi sanktecon en la mondo, ne nur per parolado, kiel povas fari hipokritulo aŭ parolemulo, sed per praktika submeteco, en fido kaj amo, al la potenco de la vorto. Kaj nun, sinjoro, ĉu vi trovas ion kontraŭstareblan en tiu ĉi mallonga priskribo de la faro de favoro, kaj ankaŭ la montrado de ĝi ? Se ne, tiam permesu min proponi al vi duan demandon.

PAROL. Ne, mia rolo nun ne estas kontraŭparoli, sed aŭskulti. Lasu, tial, ke mi havu vian duan demandon.

FIDEL. Estas tiu ĉi: Ĉu vi sentas tiun ĉi unuan parton de la priskribo de ĝi, kaj ĉu via vivo kaj vivmaniero atestas la saman ? Aŭ ĉu via religio staras nur per parolo aŭ per la lango, kaj ne en farado kaj vero ? Mi petas, se vi inklinas respondi al mi pri tiu ĉi, parolu ne pli ol tio, al kio vi scias, ke la Dio supre diros "Amen," kaj nenion krom tio, pri kio via konscienco pravigos vin; "Ĉar ne tiun, kiu sin laŭdas oni pravigas, sed tiun, kiun la Sinjoro laŭdas." Plie, diri, ke mi estas tia kaj tia, kiam mia vivado kaj ĉiuj miaj najbaroj diras ke mi mensogas, estas malbonegeco.

Tiam Parolemo ekruĝiĝis; sed retrovante sian trankvilecon, li respondis tiamaniere: Vi nun venas al sperto, al konscienco, kaj al Dio; kaj turnas vin al Li por pravigo de tio, kio estas dirita. Tiun ĉi specon de parolado, mi ne atendis; nek mi estas inklinita respondi al tiaj demandoj, ĉar mi ne sentas min devigata tion fari, se vi ne prenas sur vin esti katehizisto, kaj kvankam vi tiel agus, mi tamen povus rifuzi akcepti vin kiel juĝiston. Sed, mi petas, ĉu vi volas diri, kial vi faras al mi tiajn demandojn?

Fidel. Pro tio, ke mi vidis, ke vi estas parolema, kaj ĉar mi ne sciis, ĉu vi posedas ion ajn krom ekkono. Plie, por diri la veron, mi aŭdis pri vi, ke vi estas homo kies religio kuŝas en parolado, kaj ke via ĉiutaga vivado malverigas tiun ĉi, vian buŝkonfeson. Oni diras, ke vi estas makulo inter kristanoj, kaj ke religio des pli malbone iras pro via malpia vivado; ke kelkaj jam faletis, vidante viajn malbonajn farojn; kaj ke pluaj homoj estas en danĝero de detruo per tiuj. Via religio kaj bierejo, kaj avideco, kaj malpureco, kaj blasfemado, kaj mensogado, kaj kutimiĝo je malbonaj kunuloj, k.c., kunstaros. La proverbo estas vera pri vi, kiun oni diras pri prostituilino, nome—"Ke ŝi estas honto al ĉiuj virinoj"; tiel estas vi honto al ĉiuj konfesantoj.

Parol. Ĉar vi estas tiel preta akcepti raportojn, kaj juĝi tiel rapide, mi ne povas ne konkludi, ke vi estas ia malafabla aŭ malĝoja homo, kiu ne taŭgas por interparolado; kaj tial adiaŭ!

Tiam alvenis Kristano, kaj diras al sia frato—Mi diris al vi kiel okazus; viaj paroloj kaj liaj karnaj avidecoj ne povis interkonsenti. Li pli preferas forlasi vian kunulecon, ol reformi sian vivmanieron. Sed li estas foririnta, kiel mi diris; lasu lin foriri; la perdo estas nenies escepte la lian. Li ŝparis nin la ĝenon de la forlaso de li; ĉar se li estus daŭriginta esti kiel li ja estas, li estus estinta nur makulo en nia societo; cetere la apostolo diras, "De tiaj eligu vin."

Fidel. Sed mi ĝojas, ke ni faris tiun ĉi paroladeton kun li; eble okazos ke li repensos pri ĝi; tamen mi estas parolinta malkaŝe kun li, kaj tial mi estas senkulpa pri lia sango, se li estos perdita.

Kris. Vi bone agis, parolante tiel malkaŝe kun li, kiel okazis. Oni trovas nemulte da tia fidela admonado de homoj en la nunaj tagoj, kaj la manko de ĝi malbonodorigas religion en la naztruoj de multaj; ĉar tiaj homoj estas tiuj ĉi parolemaj malsaĝuloj kies religio kuŝas nur en la parolo, kaj estas diboĉaj kaj vanaj en sia vivmaniero, kiuj—kiam allasitaj en la kunecon de la sanktuloj—konfuzas la mondon, makulas Kristanismon, kaj malĝojigas la sincerulojn. Mi deziras, ke ĉiuj homoj agu kontraŭ tiaj, kiel vi agis; tiam aŭ ili pli

konformiĝus al religio, aŭ la apudesto de la sanktuloj estus tro varma por ili.

Tiam diris Fidelulo :—

Jen Parolemo ekparolas brave !
Sed ofte tro memfide kaj malprave,
Kvazaŭ superi ĉiun, sed, tuj kiam
Traktas koraĵojn Fidelulo, tiam
Li malkreskadon montras, lunsimile,
Ĉar li ne kore sentas tiastile.

Tiamaniere ili vojiradis, parolante pri ĉio, kion ili vidis en la vojo, kaj tiel faciligis la iradon, kiu alie sendube estus teda al ili ; ĉar ili nun trairas dezerton.

---

## ĈAPITRO 13a.

*Evangelisto reaperas, komfortas kaj refortikigas la pilgrimantojn, kaj montras, ke unu el ili estos mortigata.—Vaneca Foiro kaj ĝiaj allogaĵoj.—Oni ridas kontraŭ la pilgrimantojn, atakas ilin, faras proceson kontraŭ ilin, kaj poste mortigas Fidelulon.—Kristano forkuras.*

NUN kiam ili estis preskaŭ tute elirintaj el la dezerto, Fidelulo ekturnis okulon sian posten, kaj ekvidis unu kiu sekvadas ilin ; kaj rekonis lin. Ho, diris Fidelulo al sia frato, kiu venas tie ? Tiam Kristano rigardis, kaj diras—Estas mia bona amiko, Evangelisto. Jes, kaj mia bona amiko ankaŭ, diras Fidelulo ; ĉar estas li kiu direktis min sur la vojo ĝis la pordeto. Nun Evangelisto estas atinginta ilin, kaj tiamaniere salutis ilin :—

EVAN. La paco estu ĉe vi tre amataj, kaj paco ĉe viaj helpantoj.

KRIS. Bonvenon, bonvenon, mia bona Evangelisto. La vidaĵo de cia vizaĝo rememorigas min pri cia antaŭa bonkoreco kaj nelacaj laboroj por mia eterna bono.

Kaj milfoje bonvenon, diras bona Fidelulo. Cia societo, ho dolĉa Evangelisto, kiel dezirinda ĝi estas por ni, kompatindaj pilgrimantoj !

Tiam diras Evangelisto——Kio okazis ĉe vi, amikoj miaj, de la tempo de nia lasta disiro ? Kion vi renkontis, kaj kiel vi kondutis ?

Tiam rakontis Kristano kaj Fidelulo pri ĉiuj aferoj, kiuj okazis ĉe

ili en la vojirado, kaj kiamaniere, kaj kiel malfacile, ili alvenis al la nuna loko.

Tre ĝoja mi estas, diras Evangelisto, ne ke vi renkontis provojn, sed ke vi estas venkintoj; kaj ĉar, malgraŭ multaj malfortoj, vi daŭrigis vian iradon en la vojo ĝis hodiaŭ mem. Mi ripetas, mi estas tre ĝoja pri tio ĉi, kaj tio egale pro mi kaj pro vi. Mi semis, kaj vi estas rikoltintaj; kaj venas la tago, kiam la seminto kaj la rikoltantoj ĝojos kune; tio estas, se vi daŭrigos; ĉar en la difinita sezono vi rikoltos se vi ne timas. La krono estas antaŭ vi, kaj estas io neputrebla; kuru tiamaniere, ke vi povos ricevi ĝin. Kelkaj ja ekiras por atingi tiun ĉi kronon, kaj post ili estas vojirintaj multe por ĝi, alia envenas kaj forprenas ĝin de ili. Tenu firme, do, kion vi havas. Nenia homo prenu vian kronon. Vi estas ankoraŭ trafebla de la diabla pafado; vi ne ankoraŭ kontraŭstaris ĝis la sango, penadante kontraŭ la pekado. La regno ĉiam estu antaŭ vi, kaj konstante kredu pri la aferoj, kiuj ne estas videblaj: ne permesu ke io ĉe tiu ĉi flanko de la alia mondo eniru interne de vi; kaj krom ĉio, zorgu bone pri viaj propraj koroj, kaj pri la avidecoj de ili, ĉar ili "estas pli trompemaj ol ĉio, kaj malespereble malbonaj." Fiksu viajn vizaĝojn kvazaŭ faritaj el siliko; vi havas ĉiun potencon en la ĉielo kaj sur la tero, ĉe via flanko.

Tiam dankis lin Kristano por lia konsilado; sed diris al li ankaŭ, ke ili deziras lin paroli plie kun ili por helpi ilin dum la resto de la vojirado; kaj preferinde, ĉar ili bone scias, ke li estas profeto, kaj povas diri al ili pri aferoj, kiuj povos okazi al ili, kaj ankaŭ kiamaniere ili povos kontraŭstari kaj venki tiajn; al kiu peto Fidelulo ankaŭ konsentis. Evangelisto do komencis jene:—

Filoj miaj, vi aŭdis en la vortoj de la vereco de la evangelio, ke vi devas tra multaj suferadoj eniri la regnon de la ĉielo. Kaj plie, ke en ĉiu urbo atendas vin katenoj kaj malĝojoj; kaj tial vi ne povas supozi, ke vi povas pilgrimadi multe ne renkontante ilin de unu speco aŭ alia. Vi jam trovis iom pri la vereco de tiuj ĉi atestoj, kaj plu tuj sekvos; ĉar nun, kiel vi vidas, vi preskaŭ estas elirintaj el tiu ĉi dezerto, kaj tial vi baldaŭ venos en urbon, kiun vi post nelonge vidos antaŭ vi; kaj en tiu urbo vi estos preme ĉirkaŭataj per malamikoj, kiuj penegos mortigi vin; kaj estu vi certaj, ke aŭ unu aŭ ambaŭ devas sigeli la ateston, kiun vi tenas, per la sango; sed vi estu fidelaj ĝis la morto, kaj la Reĝo donos al vi kronon de la vivo. Tiu kiu tie mortos, kvankam lia morto estos nenatura, kaj lia doloro eble granda, ankoraŭ superos sian kunulon, ne nur pro tio, ke li estos alveninta plej baldaŭ en la Ĉielan Urbon, sed ĉar li forkuros de multaj mizeroj, kiujn la alia renkontos en la

restaĵo de sia vojaĝo. Sed kiam vi estos alvenintaj al la urbo, kaj tie trovos plenumata, kion mi nun rakontas, tiam memoru vian amikon kaj kondutu vire, kaj konfidu la zorgon pri viaj animoj al Dio en bonfarado, kiel al fidela Kreinto.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke kiam ili estis elirintaj el la dezerto, ili tuj vidis urbon antaŭ ili, kaj la nomo de tiu urbo estas Vaneco; kaj ĉe l' urbo okazas foiro, nomata Vaneca Foiro. Oni tenas la foiron dum la tuta jaro. Oni nomas ĝin Vaneca Foiro pro tio, ke la urbo kie oni trovas ĝin, estas pli malpeza ol la vaneco, kaj ankaŭ ĉar ĉio, kion oni tie vendas, aŭ kio venas tien, estas vaneco; kiel diris la saĝuloj, "Ĉio kio venas estas vaneco."



*La vendema kaj alloga urbo Vaneca Foiro.*

Tiu ĉi foiro estas nenia novestarigita afero, sed institucio de antikveco. Mi montros al vi ĝian devenon. Antaŭ preskaŭ kvin mil jaroj sin trovis pilgrimantoj, kiuj piediris al la Ĉiela Urbo, same kiel tiuj ĉi du honestuloj, kaj Beelzebubo, Apoljono, kaj Legio, kune kun siaj kunuloj, ekvidante per la vojeto, kiun piedbatis la pilgrimantoj, ke ilia vojo ĝis la Urbo kuŝis tra tiu ĉi urbo de Vaneco, ili elpensis la starigon tie ĉi de foiro—foiro en kiu oni vendus ĉiuspecajn vanajojn, kaj ke ĝi daŭrus dum la tuta jaro. Tial en tiu

ĉi foiro estas vendataj ĉiuj tiaj komercaĵoj, kiaj ekzemple domoj, teroj, metioj, oficoj, honoroj, altaj rangoj, titoloj, landoj, reĝolandoj, avidecoj, plezuroj, kaj ĉarmegaĵoj ĉiuspecaj, nome, publikulinoj, publikuloj, edzinoj, edzoj, infanoj, mastroj, servistoj, vivoj, sango, korpoj, animoj, arĝento, oro, perloj, multvaloraj ŝtonoj, kaj mi ne scias kion.



*La marĉando de Vaneca Foiro.*

Kaj plie en tiu ĉi foiro oni ĉiam povas vidi ĵongladojn, trompojn, ludojn, dramojn, ŝercemulojn, simiojn, trompistojn kaj friponojn ĉiuspecajn.

Oni povas ankaŭ tie ĉi vidi, kaj senpage, ŝtelojn, mortigojn, adultojn, falsatestantojn, kaj tiujn ĉi de sangokoloro.

Kaj, same kiel en aliaj malpli gravaj foiroj, sin trovas kelkaj butikaroj kaj stratoj sub siaj propraj nomoj, kie tiajn aŭ aliajn komercaĵojn oni vendas ; tiel tie ĉi oni same trovas la decajn lokojn, butikarojn, stratojn (nomitajn laŭ la landoj kaj reĝolandoj) kie oni plej baldaŭ povas trovi la foirajn komercajojn. Tie ĉi sin trovas la Brita butikaro, la Franca butikaro, la Itala butikaro, la Hispana

butikaro, la Germana butikaro, kie kelkaj specoj da vanecoj estas vendataj. Sed, kiel en aliaj foiroj, unu aparta komercaĵo estas la ĉefo el la tuta foiro, sammaniere la produktaĵon Roman, kaj ŝian komercaĵon oni multe promocias en tiu ĉi foiro; sed nia angla nacio, kune kun kelkaj aliaj, malŝatas ĝin.

Nu, kiel mi diris, la vojo al la Ĉiela Urbo kuŝas rekte tra tiu ĉi urbo, kie oni tenas tiun ĉi fortan foiron, kaj tiu, kiu volos iri ĝis la urbo, kaj tamen ne iri tra tiu ĉi urbo devos ja eliri el la mondo. La Princo de princoj mem, kiam Li estis en la mondo, trairis tiun ĉi urbon ĝis sia propra lando, kaj faris tion, ankaŭ, dum speciala foira tago. Kaj mi ja pensas, ke estis Beelzebubo, la ĉefa Sinjoro de l' foiro, kiu invitis Lin aĉeti el siaj vanecoj; sed Li ne ŝatis la komercaĵojn, kaj tial forlasis la urbon ne elspezinte tiel multe kiel kvarono de penco por tiuj ĉi vanaĵoj. Tiu ĉi foiro, do, estas antikva afero de longa daŭro, kaj tre granda foiro.



*Lingvo kaj vesto ne laŭ la monda fasono.*

Nu, tiuj ĉi pilgrimantoj, kiel mi diris, devas trairi la foiron. Kaj tion ili faris: sed jen, kiam ili ĵus eniris la foiron, la ĉiuj foiraj

ĉeestantoj ekscitiĝis, kaj la urbanoj ankaŭ, en maltrankvileco pro ili, kaj tio pro kelkaj kaŭzoj, ĉar——

Unue, La pilgrimantoj estas vestitaj per tiaj vestaĵoj, kiaj estas diversaj de la vestaĵo de iu ajn kiu komercadas en tiu foiro. La foiranoj, tial, rigardegis ilin. Kelkaj diris, ke ili estas malsaĝuloj; aliaj, ke ili estas frenezuloj; kaj aliaj, ke ili estas alilanduloj.

Due, Kaj dum oni miris pri ilia vesto, same oni miris pri ilia parolado; ĉar malmulte povis kompreni kion ili diras; ili nature parolis la Kananan lingvon, sed tiuj, kiuj kondukis la foiron estis homoj de l' mondo; tiel de unu bordo de l' foiro ĝis la alia, ili ŝajnis esti barbaroj ĉiu al la alia.

Trie, Sed tio, kio amuzis la pleje la marĉandistojn estis, ke tiuj ĉi pilgrimantoj malmulte ŝatas ĉiujn iliajn objektojn; ili ne deziris eĉ rigardi ilin; kaj se la vendistoj alvokus ilin por aĉeti, ili enmetus la fingrojn en la orelojn kaj ekkrius, "Deturnu miajn okulojn de la rigardo de vaneco"; kaj rigardus supren, signifante ke ilia komerco kaj negoco estas en la ĉielo.

Unu vidante la konduton de la homoj, ŝancis moke diri al ili, "Kion vi aĉetos?" Sed ili, rigardante lin serioze diras, "Ni aĉetas la veron."

Je tio, oni prenis la okazon malestimi pli la virojn, kelkaj mokantaj, kelkaj dirantaj sarkasmojn, kelkaj parolantaj riproĉe, kaj kelkaj incitantaj aliajn frapi ilin. Fine fariĝis bruado, tiamaniere ke ĉia ordo estas konfuzegita. Nun oni tuj avertis la grandulon de l' foiro, kiu rapide malsupreniris kaj ordonis, ke kelkaj el siaj konfidataj amikoj ekzamenu tiujn homojn, pri kiuj la foiro estas preskaŭ renversita. Tiel oni alportis la virojn por ekzamenado; kaj la juĝantoj demandas, de kie ili venas, kien ili iras, kaj kion ili tie faras en tia nekutima vesto. La viroj diras al ili, ke ili estas pilgrimantoj kaj fremduloj en la mondo, kaj ke ili iras al sia propra lando, kiu estas la ĉiela Jerusalemo; kaj ke ili ne donis okazon ajn al la urbanoj, nek al la vendistoj, tiel riproĉi ilin kaj malhelpi ilin en ilia vojaĝo; esceptinte ke kiam oni demandis ilin pri kion ili volas aĉeti, ili respondis, ke ili volas "aĉeti la veron." Sed tiuj, kiuj estis difinitaj por ekzameni ilin kredis ke ili ne estas aliaj ol frenezuloj kaj malsaĝaj, aŭ alie tiaj kiaj venas konfuzi ĉion en la foiro. Tial oni prenas ilin, batas ilin, kaj elŝmiras ilin per koto, kaj poste ilin enmetas en la kaĝon por ke ili estu spektaklo por ĉiuj homoj en la foiro. Tie, do, ili kuŝis kelkan tempon, kaj fariĝis objektoj de la sporto, aŭ de la malico, aŭ de la venĝemo de iu ajn, la foirestro dume ridante pri ĉio, kio okazas al ili. Sed ĉar tiuj ĉi estis paciencemaj, kaj ne redonis riproĉojn kontraŭ riproĉoj,



*La Pilgrimantoj enkaĝitaj.*

sed kontraŭe benadon, kaj donis bonajn vortojn por malbonaj, kaj bonkorecon por vundoj ricevitaj, tial kelkaj homoj de la foiro, kiuj estis pli observemaj kaj malpli antaŭjuĝemaj ol la ceteraj, komencis ekhalti kaj mallaŭdi la pli malnoblan parton por iliaj ĉiamaj insultoj, faritaj de ili al la malliberuloj. Tiuj je tio kolere reatakis ilin, kalkulante ilin esti egale malbonaj kiel la viroj en la kaĝo, kaj diris al ili, ke ili ŝajnis esti konfederuloj, kaj devus, ja, partopreni en iliaj malfeliĉoj. La aliaj respondas, ke, laŭ ilia vidado la homoj estas trankvilemaj kaj sobraj, kaj ne intencis malutilon al iu ajn; kaj ke estis multaj komercantaj en la foiro, kiuj estas pli indaj esti enmetitaj en la kaĝon, ja, kaj en la pilorion (punmontrilon) ankaŭ, ol la homoj, kiujn ili estas insultintaj. Tiel post diversaj vortoj estas elŝangitaj ambaŭflanke (kaj la malliberuloj dume kondutis tre saĝe kaj sobre antaŭ ili), ili interbatalis inter si, kaj malutilis unuj la aliajn. Tiam tiuj ĉi kompatinduloj estis realportitaj antaŭ siaj ekzamenantoj, kaj oni plendis, ke ili estas kulpaj rilate al la lasta konfuziĝo, kiu okazis en la foiro. Oni do fortege batis ilin, kaj pendis katenojn sur ilin, kaj ilin kondukis,

ĉenitaj, ĉien tra la foiro, kiel ekzemplo kaj timigilo por la aliaj, por ke neniu petu pro ili, aŭ aliĝu al ili. Sed Kristano kaj Fidelulo kondutis ankoraŭ pli saĝe, kaj ricevis la malnobligon kaj honton, kiujn oni ĵetis sur ilin per tiom da malfiereco kaj pacienco, ke ĝi gajnis je ilia flanko (kvankam nur malmulte rilate al la ceteraj) kelkajn el la homoj en la foiro. Tio ĉi tiel plikolerigis la aliajn, ke ili decidis mortigi la du virojn. Tial, ili minacis, ke nek kaĝo nek katenoj plenumus iliajn dezirojn, sed ke la viroj devus morti por la insulto, kiun ili estas farintaj, kaj ĉar ili trompis la foirulojn.

Tiam ili estis remetitaj en la kaĝon ĝis oni povos plie decidi pri ilia sorto. Tial oni remetis ilin, kaj fiksis iliajn piedojn en la punajn piedingojn.

Tie ĉi, do, ili rememoris tion, kion ili aŭdis de sia amiko Evangelisto, kaj pli firmiĝis en sia konduto kaj suferado per tio, kio, li antaŭdiris, okazos al ili. Ankaŭ ili nun komfortis unu la alian tiamaniere: dirante, ke li, kies la sorto estos morti, eĉ trovos la pli bonan sorton; tial ĉiu sekrete deziris, ke li ricevos tiun preferindaĵon; tamen ili humile submetis sin al la tutesaĝa disponado de Li, kiu superregas ĉion, kaj tial ili tre pacience loĝis en tia stato, en kia ili sin trovis, ĝis oni alie disponus ilin.

Poste, kiam oni trovis konvenan tempon, oni elkondukis ilin, por ke oni kondamnu ilin. Kiam la tempo alvenis, do, ili estas metitaj antaŭ siaj malamikoj, kaj kulpigitaj. La nomo de la juĝisto estas Lordo Malambono; la kulpiga dokumento estas substance la sama pri ambaŭ, kvankam ĝi diversis iom en formo; ĝia enhavo estas jene :—

"Ke ili estas malamikoj kaj maltrankviligantoj de la komerco; ke ili faris tumultojn kaj dividojn en la urbo, kaj gajnis partion al siaj propraj kaj danĝeregaj opinioj, kaj tiel malestimis la leĝon de ilia Princo."

Tiam Fidelulo ekrespondas—Ke li nur kontraŭstaris tion, kio sin kontraŭmetis al Li, kiu estas pli alta ol la plej altaj. Kaj, diras li, pri la tumulto, mi nenian faras, estante homo pacema; la partio gajnita al ni, estas gajnita per la vido de nia vero kaj senkulpeco, kaj ili nur estas turnitaj de la pli malbona al la pli bona. Kaj pri via reĝo, ĉar li estas Beelzebubo, la malamiko de nia Sinjoro, mi kontraŭstaregas lin kaj lian tutan anĝelaron.

Tiam oni proklamadis, ke tiuj, kiuj povas diri ion ajn pro sia sinjoro la reĝo kontraŭ la malliberulo ĉe la barilo, devas aperi kaj doni sian ateston. Tiel eniris tri atestantoj—nome, Envio, Superstiĉo kaj Flatservulo. Oni tiam demandas al tiuj, ĉu ili konas la malliberulon ĉe l' barilo, kaj kion oni povas diri kontraŭ li pro sia sinjoro la reĝo.

Tiam elstaras Envio, kaj diras jene —Mia lordo, mi konas tiun ĉi viron de longa tempo, kaj ĵure atestos antaŭ tiu ĉi honorinda juĝistaro ke li estas——

Juĝisto. Tenu! ĵurigu lin.

Tial oni ĵurigis lin. Tiam li diras—Mia lordo, tiu ĉi homo, spite lia verŝajna nomo, estas unu el la plej malvirtaj homoj; li estimas nek la princon nek la popolon, la leĝon nek la kutimon; sed faras eblon sian posedigi al ĉiuj homoj kelkajn el siaj mallojalaj ideoj, kiujn li, ĝenerale, nomas principojn de fido kaj sankteco. Kaj, speciale, mi unufoje mem aŭdis lin certigi, ke Kristaneco kaj la kutimoj de nia Vaneca Urbo estas diametre kontraŭaj, kaj ne povas esti konsentigitaj; per kiu diro, mia lordo, li samtempe ne nur kondamnas ĉiujn niajn laŭdindajn farojn, sed nin en la farado de ili.

Tiam diras la juĝisto al li—Ĉu vi havas plu por diri?

Envio. Mia lordo, mi multe pli povus diri, sed mi ne deziras esti teda al la kortego; tamen se bezonus, kiam la aliaj sinjoroj estos farinta ilian ateston, plivole ol lasi mankon de io, kio detruus lin, mi pligrandigus mian ateston kontraŭ li. Tiel oni ordonis, ke li staru flanken.

Tiam Superstiĉo estas alvokita, kaj oni ordonis, ke li rigardu la malliberulon ĉe l' barilo; oni ankaŭ demandis, kion li povas diri pro sia lordo la reĝo kontraŭ li? Tiam oni ĵurigis lin; tiel li tiamaniere komencis:—

Super. Mia lordo, mi ne bone konatiĝas kun tiu ĉi homo, kaj mi ne deziras havi pluan konon de li; tamen, tion ĉi mi scias, ke li estas vera infektigulo, kiel mi konkludas el ia interparolado, kion mi faris kun li alitage en tiu ĉi urbo; ĉar tiam parolante kun li, mi aŭdis lin diri, ke nia religio estas nenio, kaj tia, kia ke per ĝi homo povas neniel plaĉi Dion; de kiu diro lia, mia lordo, via moŝto tre bone scias kion necese devas sekvi—nome, ke ni ankoraŭ preĝas vane, restas ankoraŭ en niaj pekoj, kaj fine estos elkondamnitaj. Kaj tio ĉi estas ĉio kion mi havas por diri.

Tiam oni ĵurigis Flatservulon, kaj oni ordonis ke li diru ĉion, kion li scias pro ilia lordo la reĝo, kontraŭ la malliberulo ĉe l' barilo.

Flat. Mia lordo, kaj vi ĉiuj sinjoroj, kun tiu ĉi sentaŭgulo mi konatiĝis antaŭ longa tempo, kaj aŭdis lin paroli aferojn, pri kiuj decas, ke oni ne parolu; ĉar li mokis je nia nobla princo Beelzebubo, kaj parolis malestime pri liaj honorindaj amikoj, kies nomoj estas la Lordo Naturahomo, la Lordo Karna Ĉarmego, la Lordo Luksemo, la Lordo Deziro por Vangloro, mia maljuna Lordo Malĉasteco, Siro Posedavido, kun ĉiuj ceteraj nia nobelaro; kaj li diris, plue, ke se

ĉiuj homoj estus samideanoj siaj, se eble, neniu el tiuj nobeloj ekzistus plu en tiu ĉi urbo. Plie, li ne timis moki vin, mia lordo kiun oni nun difinas por juĝi lin, nominte vin malpia kanajlo, kaj aldoninte multe da similaj riproĉaj terminoj, per kiuj li surŝprucis la plimulton da la sinjoraro de nia urbo.

Kiam tiu ĉi Flatservulo finis rakonton sian, la juĝisto direktis sian parolon al la malliberulo ĉe l' barilo, dirante—Ci apostata herezulo kaj perfidulo, ĉu ci aŭdis kion tiuj ĉi honestaj sinjoroj atestis kontraŭ ci ?

FIDEL. Ĉu mi povas diri kelkajn parolojn je mia propra defendo ?

JUĜ. Senindulo ! senindulo ! ci meritas vivi ne pli longe, sed esti tuj mortigata sur la loko ; tamen por ke ĉiuj vidu nian dolĉecon al ci, ni aŭdu kion ci, malvirta malfidulo, havas por diri.

FIDEL. 1e. Mi diras do, respondante pri tio, kion So. Envio parolis, mi neniam ion diris krom tio ĉi, Ke tiaj regulo aŭ leĝoj, aŭ kutimo, aŭ popolo, kiaj sin metas tute kontraŭ la parolo de Dio, estas diametre kontraŭ Kristaneco. Se mi diris ion nebonan en tio ĉi, konvinku min pri mia eraro, kaj mi estas preta, tie ĉi antaŭ vi, fari mian malkonfeson.

2e. Pri la dua—nome, Sro Superstiĉo kaj lia kulpigo kontraŭ mi, Mi diris nur tion ĉi, Ke en la adorado de Dio estas postulata dian fidon ; sed povas ekzisti nenia dia fido sen dia elmontrado de la volo de Dio. Tial kion ajn oni puŝas en la adoradon de Dio, kio ne konvenas kun dia elmontrado, tio nur povas esti farata per homa fido ; kia fido ne profitos je la eterna vivo.

3e. Pri tio, kion diris Sinjoro Flatservulo, mi diras (evitante terminojn tiajn, kiajn oni diras ke mi uzis moke, kaj similajn) ke la princo de tiu ĉi urbo, kune kun la tuta popolamaso, liaj servantoj, nomitaj de tiu ĉi sinjoro, pli meritas esti en la infero ol en tiu ĉi urbo kaj lando ; kaj tial La Sinjoro kompatu min.

Tiam la juĝisto diras al la juĝantaro, kiu la tutan tempon staris apude por aŭdi kaj observi—Sinjoroj de la juĝantaro, vi vidas tiun ĉi homon, pri kiu oni faris tiel grandan tumulton en tiu ĉi urbo ; vi ankaŭ aŭdis kion tiuj ĉi indaj sinjoroj atestis kontraŭ li ; ankaŭ vi aŭdis lian respondon kaj konfeson. Kuŝas nun en viaj brustoj, aŭ pendigi lin, aŭ savi lian vivon ; sed tamen miaopinie decas instrui vin pri nia leĝo.

Statuton oni faris en la tagoj de Farao la Granda, servisto de nia princo, ke de timo ke tiuj de kontraŭa religio multiĝu, kaj fariĝu tro fortaj, iliaj virseksuloj estu elĵetitaj en la riveron. Estis ankaŭ statuto farita en la tagoj de Nebukadnezaro la Granda, alia el liaj servistoj, ke kiu ajn ne volis terenkliniĝi kaj adori lian oran statuon,

tiu devas esti elĵetita en brulantan fornon. Estis ankaŭ statuto farita en la tagoj de Dario, ke kiu ajn, dum kelka tempo, alvokus ian dion ajn krom li, oni devas ĵeti lin en la leonan nestegon. Nun, la substancon de tiuj ĉi leĝoj, tiu ĉi ribelanto estas rompinta, ne nur pense (kion oni ja ne povas subporti) sed ankaŭ per parolo kaj faro; kio estas nepre netolerebla.

Pri la leĝo de Farao, tion oni faris en la celo malhelpi malbonecon, kiam oni ne ankoraŭ povis ĝin vidi; sed tie ĉi krimo estas videbla. Pri la dua kaj tria punktoj, vi vidas, ke li disputas kontraŭ nia religio; kaj rilate al la malfido, kion li konfesas, li meritas elmorti.

Tiam eliris la juĝantaro, kies nomoj estis Sinjoro Blindulo, Sinjoro Nebono, Sinjoro Malico, Sinjoro Malĉastamo, Sinjoro Maldetenulo, Sinjoro Hazardulo, Sinjoro Arogantulo, Sinjoro Malamikeco, Sinjoro Mensogulo, Sinjoro Krueleco, Sinjoro Malamlumo, kaj Sinjoro Neplaĉeblulo; kiuj ĉiuj donis sian privatan juĝon kontraŭ lin inter si, kaj poste unuanime konkludis prezenti lin kulpa antaŭ la juĝisto. Kaj unue, inter si, Sinjoro Blindulo, la estro, diras—Mi klare vidas, ke tiu ĉi homo estas herezulo. Tiam diras Sinjoro Nebono—Forigu tian malbonulon el la mondo. Jes, diras Sinjoro Malico, ĉar mi malamas eĉ la trajtojn mem de li. Tiam diras Sinjoro Malĉastamo—Mi neniam povis toleri lin. Nek mi, diras Sinjoro Maldetenulo, ĉar li ĉiam kondamnus mian vivmanieron. Pendigu lin, pendigu lin, diras Sinjoro Hazardulo. Malindulo, diras Sinjoro Arogantulo. Mia koro levigas sin kontraŭ li, diras Sinjoro Malamikeco. Li estas fripono, diras Sinjoro Mensogulo. Pendigado estas tro bona por li, diras Sinjoro Krueleco. Ni elmortigu lin, diras Sinjoro Malamlumo. Tiam diras Sinjoro Neplaĉeblulo, se oni donacus al mi la tutan mondon, mi ne povus esti interpacigita kun li; tial ni tuj aljuĝu lin mortiginda. Kaj ili tiel faris. Tial oni tuj kondamnis lin, ke li estu portata al la loko de kie li venis, kaj tie oni mortigu lin per la plej kruela morto elpensebla.

Ili tial elportis lin por agi kontraŭ lin laŭ ilia leĝo; kaj unue ili vipis lin, poste ili batadis lin, poste ili ektranĉis karnon lian per tranĉiloj, post ili estas ŝtonumintaj lin per ŝtonoj, tiam ili pikis lin per siaj glavoj, kaj laste de ĉio, ili elbruligis lin ĝis cindroj ĉe la fosto. Tiamaniere alvenis Fidelulo al sia fino.

Nun mi vidis, ke post la popolamaso staris ĉaro duĉevala, atendante Fidelulon, kiun, tuj kiam liaj malamikoj estas mortigintaj lin, oni entiris en ĝin, kaj tuj li estis portata supren tra la nuboj kun sonado de trumpeto laŭlonge de la plej proksima vojo al la Ĉiela Pordego.



*La elbruligo de Fidelulo.*

Sed pri Kristano, oni donis al li iom da prokrasto, kaj li estis resendita en la malliberejon; tiel li restis dum iom da tempo; sed Li kiu superregas ĉiujn aferojn, tenante en siaj propraj manoj la povon de ilia kolerego, tiel farigis, ke Kristano tiufoje forkuris de ili kaj vojiradis.

Kaj dum la irado li kantis, dirante—

Konfeson ci fidele al la Dio
Faris, Fidelo, kaj ĉe Li nenio
Benon malhelpos cian, sed malpiaj
Ĝemadas sub suferoj nun iliaj,
Inferaj; dum kvankam ci mortigita
Estis, ci vivas ĉiam kaj benita.

---

## Ĉapitro 14a.

*Kristano estas sekvata de novevarbita pilgrimanto, Esperemo.—Flankencelanto ankaŭ faras pilgrimon, sed li havas animon fremdan, kaj ne ŝatas la principojn de la aliaj.—Demaso kaj mondaj aferoj altiras lin kaj liajn kunulojn.*

Nu mi vidis en mia sonĝado, ke Kristano ne eliris sola; ĉar estis unu kies nomo estis Esperemo—tiel fariĝinte per la rigardo al Kristano kaj Fidelulo en iliaj paroloj kaj konduto dum ilia doloroj en la foiro—kiu aligis sin al li, kaj farante interkonsenton fratan, diris al li, ke li estos lia akompananto. Tiel unu mortis por atesti la veron, kaj alia aperas el liaj cindroj por esti akompananto kun Kristano en lia pilgrimo. Tiu ĉi Esperemo ankaŭ diras al Kristano, ke sin trovas multaj aliaj el la homoj en la foiro kiuj siatempe sekvos.

Tiel mi vidis, ke, tuj kiam ili estas elirintaj el la foiro, ili atingis unu, kiu antaŭiras ilin, kies nomo estas Flankencelanto; tiel ili al li diras—Kia provinculo, Sinjoro? kaj kiel malproksime vi iras



*Kristano trovas novan akompananton, nomitan Esperemo.*

ĉitiuvoje ? Li diras al ili, ke li venas el la urbeto de Verŝajnparolo, kaj ke li iradas ĝis la Ĉiela Urbo, sed li ne donis al ili nomon sian.

El Verŝajnparolo, diras Kristano: Ĉu iaj bonuloj tie loĝas ?

Jes, mi tion esperas, diras Flankencelanto.

Kiel, mi petas, mi devas nomi vin ? diras Kristano.

FLANK. Mi estas nekonatulo al vi, kaj vi al mi; se vi iradas tiun ĉi vojon, mi ĝuos vian akompanadon; se ne, mi devas tamen esti kontenta.

Pri tiu ĉi urbeto de Verŝajnparolo, diras Kristano, mi aŭdis, kaj laŭ mia memoro, oni diras, ke ĝi estas loko de riĉuloj.

FLANK. Jes, mi tion certigas, kaj mi havas tie riĉan multenombran parencaron.

KRIS. Diru, mi petas, al mi tiujn, kiuj tie estas viaj parencoj, se oni povas esti tiel postulema ?

FLANK. Preskaŭ la tuta urbeto; kaj precipe mia Lordo Ŝanĝemo, mia Lordo Oportunulo, mia Lordo Verŝajnparolo, de kies praavoj la urbeto ricevis unue nomon sian; ankaŭ Sinjoro Glatparolulo, Sinjoro Duvizaĝo, Sinjoro Ĉiukredo; kaj la pastro de mia paroĥo, Sinjoro Dulango, estas la bofrato mem de mia patrino, ĉar li estas frato de mia patro; kaj, por diri la veron, mi estas fariĝinta altrangulo; tamen mia avo nur estis boatisto, kiu rigardis unuvoje kaj remis aliavoje; kaj mi gajnis la plimulton da mia bieno samamaniere.

KRIS. Ĉu vi estas edzo ?

FLANK. Jes, kaj mia edzino estas tre virta virino; ŝi estas filino de mia Lordino Ŝajnigo; tial ŝi devenis de tre honorinda familio, kaj estas alveninta al tia grado de edukiteco, ke ŝi bone scias kiel sin teni al ĉiuj, ĉu al princo aŭ al kamparano. Estas vere, ke ni iom diferencas religie de la severuloj; sed nur pri du malgrandaj punktoj—Unue, ni neniam kontraŭstaras la venton aŭ la tajdon (maralfluon). Due, ni ĉiam estas plej fervoraj kiam la religio promenadas vestitaj en arĝentaj pantofloj; ni tre amas marŝi kun li sur la strato, se la suno brilas, kaj la popolo aplaŭdas lin.

Tiam Kristano iom flankenpaŝis al sia kunulo Esperemo, dirante, Kuras tra mia spirito la penso, ke tiu ĉi estas unu Flankencelanto el Verŝajnparolo: kaj se jes, ni posedas tian veran friponon en nia societo, kia loĝas en la tuta regiono. Tiam diras Esperemo—Demandu al li; mi pensas, ke li ne hontus diri sian nomon. Tiel Kristano reatingis lin, kaj diras—Sinjoro, vi parolas kvazaŭ vi scias pli ol la tuta mondo; kaj se mi ne maltrafas, mi konkludas, ke mi duone divenas kiun vi estas. Ĉu via nomo ne estas Sinjoro Flankencelanto de Verŝajnparolo ?

FLANK. Tiu ĉi ne estas mia nomo; sed ĝi ja estas moknomo, kiun

donis al mi kelkaj, kiuj ne povas toleri min; kaj mi devas esti kontenta porti ĝin kiel riproĉajon, same kiel aliaj bonuloj estas portintaj siajn antaŭe.

KRIS. Sed ĉu vi neniam tiel agis, ke homoj prave donis al vi tian nomon?

FLANK. Neniam, neniam! La plej malbona faro, kiun mi montris rilate al tio, estis, ke mi ĉiam trovis la bonŝancon ekjuĝi same kiel la komunaj juĝoj, kiaj ajn ili estis, kaj mi ŝancis gajni per tio; sed se oni tiujn aferojn ĵetas sur min, decas ke mi kalkulu ilin kiel benoj, sed la maliculoj ne pro tio ŝarĝu min per riproĉoj.

KRIS. Mi ja pensis, ke vi estas la homo, pri kiu mi aŭdis; kaj por diri al vi mian penson, mi timas, ke tiu ĉi nomo pli dece apartenas al vi, ol vi volas, ke ni tion pensu.

FLANK. Nu, se vi tiel volas imagi, mi ne povas ĝin malhelpi. Vi trovos min sufiĉe bona akompananto, se vi ankoraŭ akceptos min kiel vian kunulon.

KRIS. Se vi volas kuniri kun ni, necese estas, ke vi iru kontraŭ ambaŭ vento kaj tajdo (marfluo), kio estas, mi ekvidas, kontraŭ via opinio; vi ankaŭ devos rekoni religion kiam ĉifonvestita, same kiel tiam, kiam li promenadas en arĝentaj pantofloj; kaj stari apud li, ankaŭ, kiam li estas katenita, same kiel kiam li promenadas la stratojn laŭdate.

FLANK. Vi ne devas postuli, nek superregi super mia fido; lasu al mi la liberecon, kaj permesu ke mi kuniru kun vi.

KRIS. Ne unu paŝo plu, escepte ke vi agos simile je ni, en tio, kion mi ĵus proponis.

En tiu okazo, diras Flankencelanto, mi neniam forlasos miajn malnovajn principojn, tial ke ili estas maldifektigaj kaj profitaj. Se mi ne povos iri kun vi, mi devos tion fari, kion mi faris antaŭ ol vi min atingis, eĉ iri sola, ĝis iu, kiu ĝojos pri mia societo atingos min.

Nu mi vidis dum mia sonĝo ke Kristano kaj Esperemo forlasis lin, kaj konservis interspacon sian antaŭ li; sed unu el ili rerigardante, vidis tri virojn, kiuj sekvis Sinjoron Flankencelanton; kaj jen, kiam ili atingas lin, li profunde sin klinas, kaj ili ankaŭ salutas lin.

La nomoj de l' homoj estas Sinjoro Mondŝatulo, Sinjoro Monamo, kaj Sinjoro Ŝparegemo—homoj, kiujn Sinjoro Flankencelanto antaŭe konis; ĉar dum sia neplenaĝo ili estis kunlernantoj, kaj instruis ilin unu Sinjoro Ĉiotenulo, instruisto en Gajnamo, kiu estas vendejurbeto en la provinco de Avido en la nordo. Tiu ĉi instruisto lernigis al ili la arton de akiro, ĉu per perforto, trompado, flatado, mensogado, aŭ per ŝajna religieco; kaj tiuj ĉi sinjoroj tiel bone

akiris la arton de sia majstro, ke ĉiu el ili povis instrui en simila lernejo.

Nu, kiam ili tiel reciproke sin salutis, kiel mi jus estas dirinta, Sinjoro Monamo diras al Sinjoro Flankencelanto—Kiuj estas tiuj, sur la vojo antaŭ ni ? ĉar Kristano kaj Esperemo estis ankoraŭ videblaj.

FLANK. Ili estas duo da provincanoj de malproksime, kiuj, laŭ sia maniero, pilgrimadas.

MON. Ho, ve ! kiel ili ne haltis por ke ni povu havi ilian societon ; ĉar ili, kaj ni, kaj vi, Sinjoro, mi esperas, ĉiuj pilgrimadas.

FLANK. Ni ja tion faras ; sed la homoj antaŭ ni estas tiel rigidaj, kaj tiel amas ekkonojn siajn, kaj tiel malpli estimas la opiniojn de aliaj, ke se estas homo kiu, kvankam tre pia, ne same pensas kun ili pri ĉiuj aferoj, li estas elpuŝita el ilia societo.

ŜPAREG. Estas malbone ! sed oni legas pri kelkaj kiuj estas troe justaj ; kaj la rigideco de tiaj decidas ilin juĝi kaj kondamni ĉiujn krom ili mem. Sed, mi petas, kiaj kaj kiom estis la aferoj pri kiuj vi malkonsentis ?

FLANK. Nu ili, laŭ sia obstina maniero, konkludas ke, devo estas kure vojaĝi en ĉiuspecaj veteroj, dum miaparte mi volas atendi favoran venton kaj tajdon. Ili riskus ĉion pro Dio per unu atenco, dum mi preferas la prenadon de ĉiuj favoraĵoj por asekuri mian vivon kaj bienon. Ili volus teni siajn opiniojn, kvankam ĉiuj aliaj homoj kontraŭstarus, sed mi estas por la religio en tio, kaj laŭ tio, kio konvenas al la tempoj kaj al mia sendanĝereco. Ili estas por la religio kiam li estas ĉifonvestita kaj malestimata ; sed mi estas por li, kiam li promenadas en siaj oraj pantofloj, en la sunbrilo, kaj kun aplaŭdoj.

MONDŜAT. Jes, kaj tenu tie ankoraŭ, bona Sinjoro Flankencelanto ! ĉar, miaparte, mi estimus lin nur malsaĝulo, kiu, posedante liberecon teni kion li havas, estus tiel malsaĝa kiel perdi ĝin. Ni estu saĝaj kiel serpentoj ; estas plej bone maturigi la fojnon dum la suno brilas ; vi vidas kiel la abelo restas senmove dum la vintro kaj montras sin agema nur kiam ĝi povas trovi gajnon kun plezuro. Dio sendas jen pluvon, jen sunbrilon ; se ili estas tiel malsaĝaj kiel vojiri tra la unua, ni tamen estu kontentaj iri kun seka vetero. Miaparte, mi ŝatas plej bone tian religion, kia aliĝas al la certigo de l' benoj de Dio al ni ; ĉar kiu ne povas ne kredi, se lia prudento regas lin, ke, ĉar Dio estas donacinta al ni la bonaĵojn de tiu ĉi vivo, Li volas, ke ni tenu ilin pro Li ? Abrahamo kaj Solomono riĉiĝis en la religio ; kaj Jobo diras, ke piulo "amasigos oron kvazaŭ polvon." Sed tiu ne devas esti tia kia la duo antaŭ ni, se ili estas laŭ via priskribo.

ŜPAREG. Mi pensas, ke ni kunkonsentas pri tiu ĉi afero, kaj tial plu da paroloj pri ĝi ne estas bezonata.

MON. Ne, plu da paroloj pri tiu ĉi afero ja ne estas bezonata; ĉar tiu, kiu kredas nek Sanktan Skribaĵon nek la rezonon—kaj vi vidas, ke ni havas ambaŭ sur nia flanko—nek scias sian propran liberecon, nek serĉas sian sendanĝerecon.

FLANK. Fratoj miaj, ni estas, kiel vi vidas, ĉiuj pilgrimantaj, kaj por nia plibona distrado de nebonaj aferoj, permesu, ke mi proponu al vi tiun ĉi demandon :—

Supozu ke homo, ekzemple pastro aŭ komercisto, k.c., havu antaŭ li favoran okazon por akiri la bonajn benaĵojn de tiu ĉi vivo, tamen ke li nepre nur povos akiri ilin se li, per ŝajno almenaŭ, fariĝos eksterordinare fervora pri kelkaj punktoj de la religio, en kiuj li ne antaŭe sin intermiksis ; ĉu ĝi ne povos uzi tiun ĉi rimedon por atingi la celon, kaj ankoraŭ resti tre honesta homo ?

MON. Mi vidas la fundon de via demando ; kaj per la bona permeso de tiuj ĉi sinjoroj mi penos formi respondon al vi. Kaj unue, paroli pri via demando kiel ĝi koncernas pastron mem. Supozu pastron, indulo, kiu posedas nur tre malgrandan bienon pastran, kaj rigardas en sia okulo bienon multe pli grasan kaj dikan ; li nun renkontas okazon por atingi ĝin, sed nur per pli da studado, per predikado pli ofta kaj pli fervora, kaj—ĉar la gusto de l' popolo ĝin postulas—per la aliformigo de kelkaj el liaj principoj. Miaparte, mi vidas nenian rezonon kial oni ne devus tiel agi, se nur li ricevus alvokon ; kaj fari multe pli ankaŭ, kaj ankoraŭ resti honestulo. Kial——

1e. Lia deziro por pli granda pastra vivbieno estas rajta ; oni ne povas tiun ĉi kontraŭparoli, ĉar ĝi estas metita antaŭ li de la Provizanteco ; li pro tio estas permesata atingi ĝin, se eble, proponante nenian demandon ajn pro konscienco.

2e. Cetere, lia deziro al tiu vivbieno faras lin pli studema, pli fervora predikanto, k.t.p., kaj tiel faras lin pli bona homo ; faras ke li ja plibonigu siajn akirojn kaj talentojn, kio estas laŭ la Dia volo.

3e. Nu, pri lia cedo al la ŝato de lia zorgitaro, forlasante, por ilin servi, kelkajn el siaj principoj, tiu ĉi montras, 1e. Ke li estas de memforgesema karaktero ; 2e. De dolĉa kaj plaĉa sintenado ; kaj 3e. Tial li estas pli taŭga por la pastra funkcio.

4e. Mi konkludas, do, ke pastro kiu elŝanĝas malgrandan bienon por granda ne meritas pro tio esti rigardata kiel avida ; sed prefere, ĉar li estas plibonigita en siaj akiroj kaj laboremo per tio, oni devas kalkuli lin kiel tiun, kiu obeas alvokon sian, kaj prenas la okazon metitan en sian manon por fari la bonon.

Kaj nun pri la dua parto de l' demando, kiu koncernas la komercistojn kiujn vi citis. Supozu, ke tia homo havus nur nebone pagitan oficon en la mondo, sed farante religiulo li povus plibonigi sian vendadon, eble ricevus riĉan edzinon, aŭ pli multajn aŭ pli bonajn klientojn ĉe sian butikon; miaparte mi vidas nenian kaŭzon kial oni ne povus agi tiamaniere. Kial——

1e. Fariĝi religia estas virto per kiaj rimedoj ajn homo tia fariĝu.

2e. Nek ĝi estas kontraŭleĝa ricevi riĉan edzinon, aŭ pli da klientoj ĉe mia butiko.

3e. Cetere, homo kiu tiujn ĉi atingas, pro tio, ke li fariĝas religia, atingas tion, kio estas bona el la bonuloj per la fariĝo bona mem; tial, do, jen estas bona edzino, kaj bonaj klientoj, kaj bona gajno; kaj ĉio tio, ke oni fariĝis bona, kio estas bona. Tial, fariĝi religia por atingi ĉiujn tiujn ĉi estas bona kaj profita intenco.

Tiu ĉi respondo tiel farita de Sinjoro Monamo je la demando de Sinjoro Flankencelanto, estis tre aplaŭdata de ĉiuj; tial ili konkludis ke, tute konsiderite, ĝi estas plej saneca kaj utila. Kaj ĉar, kiel ili pensis, neniu povis ĝin kontraŭdiri, kaj ĉar Kristano kaj Esperemo estis ankoraŭ alvokeblaj, oni kune konsentis ataki ilin per la demando, ĵus kiam ili estos atingintaj ilin; kaj pli volonte ĉar tiuj ĉi estis antaŭe kontraŭstarintaj Sinjoron Flankencelanton.

Tiel ili kriis al la aliaj, kaj la pilgrimantoj haltis kaj staris senmove ĝis la unuj atingis ilin; sed la propononto konsentis, dum sia irado, ke ne Sinjoro Flankencelanto, sed maljuna Sinjoro Mondamo proponu la demandon al ili; ĉar, kiel ili almenaŭ kredis, al la respondo al li de la pilgrimantoj mankus la restaĵo de tiu kolereto, kiu ekbruliĝis inter Sinjoro Flankencelanto kaj ili antaŭ iom da tempo.

Tiel ili atingis unuj la aliajn; kaj post mallonga saluto Sinjoro Mondamo proponas la demandon al Kristano kaj lia kunulo, kaj invitas ilin respondi al ĝi, se eble.

Tiam diras Kristano—Eĉ infaneto en la religio povus respondi dek mil tiajn demandojn; ĉar se estas kontraŭleĝa sekvi Kriston por ricevi bulkojn, kiel ĝi ja estas, kiel multe pli abomeninde estas fari el Li kaj la religio trompĉevalon por posedi kaj ĝui la mondon! Nek ni trovas iujn ajn, krom idolanoj, hipokrituloj, diabloj, kaj sorĉistinoj, kiuj tenas tiun ĉi opinion.

1e. Idolanoj: ĉar kiam Hamoro kaj Ŝekemo ŝategis la filinojn kaj bovaron de Jakobo, kaj vidis, ke neniel povis oni ilin atingi escepte per submetiĝo al ĉirkaŭtranĉo, ili diris al siaj kunuloj: "Se ĉiu virseksulo el ni ĉirkaŭtranĉiĝus, ĉu ne ilia bovaro kaj posedaĵoj kaj ĉiu ilia besto apartenus al ni!" La Jakobaj filinoj kaj bestaro estis

tiuj, kiujn oni penis ricevi, kaj ilia religio estis la trompĉevalo, uzita por ilin atingi. Legu la tutan rakonton, Gen. ĉap. 24, v. 20—24.

2e. La hipokritemaj Fariseoj apartenis ankaŭ al tiu ĉi religio. Longaj preĝoj estis ilia pretendo, sed ilia celo estis ricevi domojn de vidvinoj; kaj la pli granda elkondamno de Dio estis ilia sorto.

3e. Judaso, la diablo, estis ankaŭ de tiu ĉi religio: li estis religieca pro la monsako, por ke li povu posedi la enhavon; sed li estas perdita, forĵetita, kaj la vera filo de elperdo.

4e. Simono la sorĉisto aliĝis al tiu ĉi religio ankaŭ, ĉar li volis posedi la Sanktan Spiriton, por ke li per Li povu ricevi monon; kaj lia kondamno el la buŝo de Petro estis laŭa.

5e. Nek mi povas elpuŝi el miaj pensoj la konvinkon, ke tiu, kiu ekprenus religion pro la mondo, forĵetus religion pro la mondo; ĉar tiel certe kiel Judaso celis la mondon fariĝante religiulo, tiel certe li ankaŭ vendis religion kaj sian Majstron pro la sama. Por respondi, do, la demandon jese, kiel mi ekvidas vi estas farintaj, kaj por akcepti, kiel aŭtentikan, tian respondon, estas samtempe idolaneca, hipokrita kaj diableca; kaj via rekompenco estos laŭ viaj faroj.

Tiam staris ili rigardante unu la alian, sed ne trovis respondon ian al Kristano. Esperemo ankaŭ aprobis la pravecon de la respondo de Kristano; tiel okazas granda silentado inter ili. Sinjoro Flankencelanto kaj sia kunularo ankaŭ ŝanceliĝis kaj sekvis malantaŭe, por ke Kristano kaj Esperemo antaŭeniru. Tiam diras Kristano al sia kunulo—Se tiuj ĉi homoj ne povas stari antaŭ la juĝo de homoj, kion ili faros rilate al la juĝo de Dio? Kaj se ili restas mutaj kiam ili estas juĝitaj per argilaj vazoj, kion ili faros kiam riproĉos ilin la flamoj de konsumiga fajro?

Tiam Kristano kaj Esperemo pliantaŭeniris ilin denove kaj iradis ĝis ili venis al delikata ebenaĵo nomita Ripozo, kie ili iradis tre kontente: sed tiu ebenaĵo estis nur mallarĝa, tial ili rapide transiris ĝin. Nu ĉe l' pli malproksima bordo de tiu ebenaĵo troviĝis malgranda monteto nomita Profitaĉo, kaj en tiu monteto arĝentminejo, kiun, kelkaj antaŭirintoj, pro ĝia malofteco, estas flankenturnintaj por vidi; sed ĉar tiuj tro alproksimiĝis al la rando de la fosaĵo, la tero, kiu estis trompiga sub ili, rompiĝis, kaj ili estas mortigitaj. Kelkaj ankaŭ estas lamigitaj tie, kaj ili ne povis ĝis la tago de sia morto retrovi sian antaŭan bonsanecon.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke iom apud la vojo kontraŭ la arĝentminejo staras Demaso, sinjore, por alvoki pasantojn veni kaj vidi; kiu diras al Kristano kaj al lia kunulo—Ho! turnu flanken ĝis tie ĉi, kaj mi montros al vi aferon.

Kris. Kian aferon tiel meritan ke ni flanken turnus por ĝin vidi?



*Demaso provas delogi la Pilgrimantojn.*

Dem. Tie ĉi estas arĝentminejo, kaj kelkaj fosantaj en ĝi por la trezoro; se vi volas veni, per malmultaj penoj vi povos riĉe provizigi vin. Tiam diras Esperemo,—Ni iru kaj vidu.

Kris. Ne mi, diras Kristano; mi aŭdis pri tiu ĉi loko antaŭe, kaj kiom da homoj tie estas mortigitaj; kaj krom tio, tiu trezoro estas delogilo al tiuj, kiuj serĉas ĝin, ĉar ĝi malhelpas ilin en ilia pilgrimado.

Tiam Kristano vokas al Demaso, dirante—Ĉu la loko ne estas danĝera? Ĉu ĝi ne malhelpis multajn en ilia pilgrimado?

Dem. Ne tre danĝera, nur al la nezorguloj. Sed je tio li ruĝiĝis dum li parolis.

Tiam diras Kristano al Esperemo, Ni ne movu unu paŝon, sed ankoraŭ rekte vojiru.

Espkr. Mi certigos vin, ke kiam Flankencelanto venos ĝis tie ĉi, se oni same invitos lin, li sin enturnos por vidi.

Kris. Mi ne dubas pri tio, ĉar liaj principoj kondukas lin tiele, kaj cent kontraŭ unu li tie mortos.

Tiam Demaso vokis denove, dirante—Sed ĉu vi ne volas transveni, kaj vidi?

Tiam Kristano malkaŝe respondas, dirante—Demaso, ci estas malamiko rilate al la rektaj reguloj de la Sinjoro de tiu ĉi vojo, kaj estas jam kondamnita pri cia propra flanken turniĝo per unu el la juĝistoj de Lia Moŝto; kaj kial ci penadas venigi nin en similan kondamnon? Cetere, se ni iel flankenturnus, nia Sinjoro la Reĝo certe aŭdus pri tio, kaj tie hontigus nin, kie ni kuraĝe volus stari antaŭ Li.

Demaso rekriis, ke li estas unu el ilia frataro; kaj ke, se ili restus iom, li mem ankaŭ marŝadus kun ili.

Tiam diras Kristano—Kio estas cia nomo? Ĉu ĝi ne estas la sama, per kiu mi jam nomis cin?

DEM. Jes, mia nomo estas Demaso; mi estas filo de Abrahamo.

KRIS. Mi konas vin; Gehazo estis via praavo, kaj Judaso via patro, kaj vi iris en iliaj piedsignoj. Estas nur diabla artifiko, kiun ci uzas. Cian patron oni pendigis kiel perfidulon, kaj ci meritas ne pli bonan rekompencon. Certigu vin, ke kiam ni venos al la Reĝo ni sciigos Lin pri tio ĉi, cia konduto. Tiel ili vojiradis. Je tiu ĉi tempo Flankencelanto kaj liaj akompanantoj estas enirintaj ree en la vidkampon, kaj ili je la unua alvoksigno transiris al Demaso. Nu, ĉu ili falis en la elfosaĵon rigardante sur ĝia rando, aŭ ĉu ili malsupreniris por fosi, aŭ ĉu ili estas sufokitaj en la fundo per la vaporoj, kiuj kutime sin levas, mi pri tiuj ĉi punktoj ne estas certa; sed tion ĉi mi observis, ke oni neniam poste vidis ilin sur la vojo. Tiam kantis Kristano—

Flankencelanto kun Demaso agas;
Alvokas unu, kaj l' alia vagas,
Por partopreni gajnon la malbonan;
El mondoj, ili ŝatas nur la monan.

Nun mi vidis, ke ĝuste ĉe la alia bordo de tiu ĉi ebenaĵo la pilgrimantoj venas al loko kie staras malnova monumento apud la vojflanko, kaj vidante tiun, ili estas tre malkvietigitaj pro la strangeco de ĝia formo; ĉar ŝajnas al ili, ke ĝi estas kvazaŭ virino aliformigita en la formon de kolono. Tie ĉi, do, ili staras, rigardantaj kaj rigardantaj ĝin, sed ne povas dum kelka tempo diveni kion ĝi estas. Fine Esperemo ekvidas skribaĵon nekutime skribitan, kiu estis sur la kapaĵo; sed ne estante instruitulo, li alvokas Kristanon, ĉar tiu estas klerulo, por trovi ĉu li povas elserĉi la signifon; tiel li venis, kaj post iom da kunmetado de la literoj, li trovas ke la senco estas la jena: Memoru la edzinon de Loto. Tiel li legis ĝin al sia kunulo; post kio ili ambaŭ konkludis, ke tio estas la sala kolono en kiun oni aliformigis la edzinon de Loto pro tio, ke ŝi rigardis posten pro

avida koro kiam ŝi deiris de Sodomo por saveco; kiu subita kaj miriga vidaĵo donis al ili okazon por la jena parolado:—

KRIS. Ha! frato mia, tiu ĉi estas ĝustatempa vidaĵo; ĝi estas veninta oportune al ni post la invito, kiun donis al ni Demaso, transveni por vidi la monteton Profitaĉon; kaj se ni estus transirintaj, kiel li deziris nin fari, kaj kiel vi inklinis fari, mia frato, ni estus laŭ mia penso, farintaj, same kiel tiu ĉi virino, spektaklon por la rigardado de niaj sekvontoj.

ESPER. Mi bedaŭras, ke mi estis tiel malsaĝa, kaj mi estas mirigita, ke mi ne nun similas al la edzino de Loto, ĉar en kio kuŝas la diferenco inter ŝia peko kaj la mia? Ŝi nur postenrigardis, kaj mi sentis deziron iri kaj vidi. Ke la favoro estu adorata, kaj ke mi hontu pri tio, ke tia penso iel estis en mia koro.

KRIS. Notu ni bone, kion ni tie ĉi vidas por nia helpo en la venonta tempo. Tiu ĉi virino forkuris de unu juĝaĵo, ĉar ŝi ne pereis per la Sodoma detruiĝo; tamen ŝi estas detruita per alia. Kiel ni vidas, ŝi aliformiĝis en salan kolonon.

ESPER. Vere, kaj ŝi povas esti al ni samtempe averto kaj ekzemplo—averto, ke ni evitu ŝian pekon; aŭ alie signo de kia juĝaĵo atingos tiujn, kiuj ne estos malhelpitaj per tiu ĉi averto. Tiel Korao, Datano kaj Abiramo, kune kun la ducent kvindek homoj kiuj pereis en sia peko fariĝis ankaŭ ekzemplo por aliaj, ke ili sin gardu. Sed antaŭ ĉio mi pensas pri unu afero—nome kiel Demaso kaj liaj kunuloj povas tie stari tiel memfide por serĉi tiun saman trezoron, kiun nur rerigardante—ĉar ni ne legas, ke ŝi flankenturnis eĉ unu futon—tiu ĉi virino estas ŝanĝita en salan kolonon; precipe ĉar la juĝaĵo kiu atingis ŝin faris el ŝi ekzemplon videblan de tie, kie ili estas; ĉar ili ne povas elekti ne vidi ŝin se ili nur levas la okulojn.

KRIS. Estas mirinde, kaj ĝi kredigas, ke iliaj koroj fariĝas senesperaj en la afero; kaj mi ne povas pensi kun kiu kompari ilin tiel ĝuste, kiel al tiuj, kiuj poŝoŝtelados en la ĉeesto de l' juĝisto, aŭ eltranĉas monujojn sub la pendigilo. Oni diris pri la Sodomaj homoj "ke ili pekadis treege," ĉar ili estis pekantoj antaŭ la Sinjoro, t.e., en Lia okulvido, kaj malgraŭ la bonecoj, kiujn Li faris al ili: ĉar la lando de Sodomo estis simila je la ĝardeno de Edeno antaŭe. Tiu ĉi konduto, tial, incitis Lin ju pli al la ĵaluzo, kaj faris ke ilia turmento fariĝis tiel varmega kiel la fajro de l' Sinjoro el la ĉielo povis ĝin fari. Kaj oni povas plej racie konkludi, ke tiaj, eĉ tiaj, kiaj tiuj ĉi estas, kiuj pekados en Lia vido, jes, kaj tion faros ankaŭ malgraŭ tiaj ekzemploj, kiuj estas starigitaj antaŭ ili por averti ilin agi kontraŭe, devas esti partoprenontaj de la plej severaj juĝaĵoj.

Esper. Sendube ci diris la veron; sed kia kompateco estas! ke nek ci, sed precipe mi, ne estas farita esti tia ekzemplo! Tio ĉi donas al ni okazon por danki Dion, por timi antaŭ Li, kaj ĉiam memori la edzinon de Loto.

---

## Ĉapitro 15ª.

*Flankvojeta Herbejo kondukas al Duba Kastelo, kie Giganto Malespero enŝlosas la pilgrimantojn, sed fine per la Ŝlosilo Promeso, ili forkuras.*

Mi vidis tiam, ke ili vojiris al plaĉa rivero, kion Davido la reĝo nomis "la rivero de Dio"; sed Johano, "la rivero de l' akvo de la vivo." Nu, ilia vojo etendis sin ĝuste sur la bordo de tiu ĉi rivero; tie ĉi, tial, Kristano kaj sia akompananto marŝis plezurege; ili ankaŭ trinkis de la akvo de l' rivero, kiu estis plaĉa kaj viviga je iliaj lacaj animoj. Cetere, sur la bordoj de tiu ĉi rivero ambaŭflanke troviĝis verdaj arboj, kiuj portis fruktojn ĉiaspecajn, kaj la folioj de l' arboj estis bonaj por saniloj. Per la fruktoj de tiuj ĉi arboj ili ankaŭ estis plezurigitaj; kaj la foliojn ili manĝis por eviti tromultmanĝadon kaj aliajn malsanojn, kiuj kutime atakas tiujn kies sango estas hejtita per la vojaĝado. Sur ĉiu flanko de la rivero troviĝis ankaŭ herbejo, kurioze belegitaj per lilioj, kaj ĝi estas verda dum la tuta jaro. En tiu ĉi herbejo ili sin kuŝis kaj dormis, ĉar tie ĉi oni povis kuŝiĝi sentime. Kiam ili vekiĝis, ili kolektis ree de la fruktoj de la arboj, kaj trinkis ree de la akvo de l' rivero, kaj tiam rekuŝiĝis por dormi. Tiamaniere ili faris dum kelkaj tagoj kaj noktoj.

Tiam kantis ili—

> Jen flanke de la vojo akvoj fluas
> Kristalaj, kaj la pilgrimantoj ĝuas
> Herbejojn verdajn, kiuj bonodoron,
> Frandaĵojn ankaŭ portas, kaj la oron
> Fruktan; kaj tiu, kiu konas tion,
> La kampon por aĉeti vendos ĉion.

Tiel kiam ili estis inklinitaj foriri, ĉar ili ne estis ankoraŭ ĉe l' fino de sia vojaĝo, ili manĝis kaj trinkis, kaj poste foriris.

Nu mi vidis en mia sonĝo, ke ili ne estis irintaj malproksime, kiam ili vidis, ke la rivero kaj la vojo apartiĝas, je kio ili estis malĝojaj, tamen ili ne kuraĝis flankeniri. Nu la vojo for de la rivero estas malglata, kaj iliaj piedoj estas sentemaj pro ilia vojaĝado; tiel la koroj de la pilgrimantoj estas tre senkuraĝigitaj pro la irado; tial,

dum ankoraŭ ili iradis, ili deziris pli bonan vojon. Nu, iom antaŭ ili troviĝis, maldekstre de la vojo herbejo kaj trairejo por eniri en ĝin, kaj tiun herbejon oni nomas Flankvojeta Herbejo. Tiam diras Kristano al sia kunulo, Se tiu ĉi herbejo kuŝas laŭlonge de nia vojo, ni suriru en ĝin. Tiam ili iris al la trairejo por vidi, kaj jen vojeto kuŝis laŭlonge la vojon sur la alia flanko de l' barilo. Estas laŭ mia deziro, diras Kristano ; jen la plej facila iro. Venu, bona Esperemo, ni suriru.



*La trairejo en Flankvojetan Herbejon.*

ESPER. Sed kiel, se tiu ĉi vojeto nin kondukus el la vojo ?

Tio ne estas verŝajna, diras la alia. Rigardu, ĉu ĝi ne iras laŭlonge la vojon. Tiel Esperemo, elkonsilite de sia kunulo, sekvis lin tra la trairejon. Kiam ili estas suririntaj, kaj estas venintaj en la vojeton, ili ĝin trovis tre komforta por siaj piedoj ; kaj plie, ili, rigardante antaŭen, ekvidis viron marŝantan kiel ili, kaj lia nomo estas Vanakonfido ; ili do alvokas lin, kaj demandas al li, kien tiu vojo kondukas ? Li diras, al la Ĉiela Pordego. Jen, diras Kristano, ĉu mi ne tiel informis vin ? Per tio ĉi oni povas vidi, ke ni estas

pravaj. Tiel ili iradis, kaj li iris antaŭ ili. Sed jen noktiĝis kaj fariĝis tre malluma; tiamaniere ke tiuj, kiuj estis malantaŭe perdis la vidaĵon de tiu, kiu antaŭeniris.

Li, tial, kiu antaŭeniris—Vanakonfido laŭ nomo—ne vidante la vojon antaŭ li, falis en profundan fosaĵon, kiu estis intence tie farita de la Princo de tiuj teroj, por kapti vantajn malsaĝulojn, kaj Vanakonfido estis pecetigita per sia falo



*La fino de Vanakonfido.*

Nu Kristano kaj lia kunulo aŭdis lian falon. Tiel ili kriis al li por scii la aferon, sed neniu respondis, nur ili aŭdis ĝemegadon. Tiam diras Esperemo, En kia loko ni nin trovas nun? Tiam lia kunulo silentiĝis, ĉar li timis, ke li estas elkondukinta lin el la vojo. Nun ekpluvas kaj ekfulmotondras terurege, kaj la akvo tre leviĝas.

Tiam ĝemegis Esperemo en si, dirante—Ho! ke mi estis teninta mian rektan vojon!

Kris. Kiu povis pensi ke tiu ĉi vojeto nin elkondukus el la ĝusta vojo?

Esper. Mi timis pri tio de la komenco, kaj tial mi donis al vi tiun

ĝentilan averton. Mi estus parolinta pli malkaŝe, sed vi estas pli maljuna ol mi.

KRIS. Bona frato, ne estu ofendita. Mi bedaŭras, ke mi cin flankenirigis el la vojo, kaj ke mi metis cin en tian minacan danĝeron. Mia frato, pardonu min, mi petas ; mi ne tiel faris malbonintence.

ESPER. Estu konsolita, frato mia, ĉar mi cin pardonas ; kaj mi kredas plie, ke tio ĉi estos por nia bono.



*Flankenvojoj ne estas ĉiam bonaj.*

KRIS. Mi ĝojas, ke mi havas kun mi pardoneman fraton ; sed ni ne devas tie ĉi stari ; ni penu reiri.

ESPER. Sed, frato bona, permesu min antaŭeniri.

KRIS. Ne, se plaĉas al vi, permesu ke mi antaŭeniru, tial ke se troviĝas ia danĝero, mi povos esti la unua en tion, ĉar per mi ni estas ambaŭ elirintaj el la ĝusta vojo.

Ne, diras Esperemo, oni ne permesas, ke vi iru la unua ; ĉar, via spirito, estante malĝojigita, povos ree nin konduki el la vojo.

Tiam por sia kuraĝiĝo ili aŭdis la voĉon de iu dirantan, "Metu cian koron al la vojo, eĉ la vojo per kiu ci iris ; returnu." Sed

nuntempe la akvoj estas tre leviĝintaj; pro kio la vojo de reirado fariĝas tre danĝera. Tiam kredis mi, ke estas pli facile eliri el la ĝusta vojo, kiam oni estas en ĝi, ol tien eniri post ni nin trovas ekstere. Tamen ili provis reiri; sed estas tiel mallume kaj la riverfluo tiel alta, ke, reirante, ili preskaŭ estis dronintaj naŭ- aŭ dek-foje.

Nek povis ili, per sia tuta sperto, reatingi la enirejon dum tiu nokto. Tial, fine, trovinte ŝirmejeton, ili tie kuŝis ĝis tagiĝo; sed estante lacaj ili ekdormis. Nu troviĝis ne malproksime de tiu ĉi loko, kastelo, nomita Duba Kastelo, kies posedanto estis Giganto Malespero, kaj estis sur lia bieno ke ili nun dormas; tial li, levinte sin je la frua mateno, kaj promenante sur siaj kampoj, kaptis Kristanon kaj Esperemon dormantajn sur liaj teroj. Tiam,



*Giganto Malespero kaj la Vagintoj.*

per timiga kaj malamika voĉo li ordonis, ke ili vekiĝu, kaj demandis ilin, de kie ili venas, kaj kion ili faras sur liaj teroj? Ili respondis, ke ili estas pilgrimantoj, kaj ke ili perdis la vojon. Tiam diras la

Giganto, Vi dum tiu ĉi nokto pekis kontraŭ min, piedbatante kaj kuŝante sur miaj teroj, kaj tial vi devas iri kun mi. Tiel ili estis devigataj iri, ĉar li estis pli fortika ol ili. Ankaŭ ili povis nur iom kontraŭdiri, ĉar ili sin sciis esti kulpaj. La Giganto tiamaniere forpelis ilin antaŭ li, enmetis ilin en sian Kastelon en tre malluman subteran malliberejon, kiu estis malkomforta kaj malbonodora je la animoj de tiuj ĉi du homoj. Tie ĉi, do, ili kuŝadis de merkredo matene ĝis sabato nokte, sen unu peco da pano aŭ guto da trinkaĵo, aŭ lumo, aŭ iu por demandi kiel ili sanas. Ili estis, do, en malbona stato, kaj malproksime de amikoj kaj konatuloj. Nu, en tiu ĉi loko Kristano sentis duoblan malĝojon, ĉar estis per lia nekonsiderita konsilo, ke ili estis alportitaj en tiun ĉi mizeregon.

Nu, Giganto Malespero havis edzinon, kaj ŝia nomo estas Senkonfido. Tiam, kiam li estas kuŝiĝinta, li rakontis al sia edzino tion, kion li faris—nome, ke li prenis duon da kaptitoj, kaj ĵetis ilin en sian malliberejon, ĉar ili senpermese piediris sur liajn terojn. Tiam li demandas al ŝi, ankaŭ, kion li plej bone devas fari je ili?



*La Pilgrimantoj en malespera malliberejo.*

Tiel ŝi demandis al li, kiaj ili estas, de kie ili venas, kaj kien ili iras; kaj li diras al ŝi (ĉion). Tiam ŝi konsilis lin, ke, tuj kiam li estos leviĝinta je la morgaŭa mateno, li devas bati ilin senkompate. Tiam, kiam li estas leviĝinta, li alprenas al si pezan sovaĝpomarban bastonegon, kaj malsupreniras en la malliberejon ĉe ili, kaj tie unue riproĉas ilin kvazaŭ ili estas hundoj, kvankam ili neniam diris al li unu malŝatindan vorton; tiam li atakas ilin kaj bategas ilin tiamaniere, ke ili ne povas helpi sin aŭ sin turni sur la planko. Tion farinte, li eliras, kaj lasas ilin kunsimpatii ilian doloron, kaj malĝoji sub ilia mizerego; tiel dum la tuta tiu tago ili pasigis tempon sian, nenion farante, sed sopirantaj kaj ploregantaj. La proksiman nokton, ŝi interparolante kun sia edzo plie pri ili, kaj sciiĝante ke ili ankoraŭ vivas, inspiras al li, ke li konsilu ilin mortigi sin; tiel kiam tagiĝis li iras al ili en malamika maniero kiel antaŭe, kaj ekvidante, ke ili estas tre doloraj pro la batoj, kiujn li donis al ili la antaŭan tagon, li diras al ili, ke, ĉar ili esperebIe neniam povos eliri el tiu loko, ilia sola rimedo estos tuj fari finon de ilia vivo aŭ per tranĉilo aŭ ŝnuro aŭ veneno; ĉar kial, diras li, vi elektus vivadi, vidante ke la vivo estas akompanata de tiom da maldolĉeco? Sed ili petis, ke li liberigu ilin. Je tio, li malbelege rigardis ilin, kaj ĵetante sin sur ilin, sendube li mem estus mortiginta ilin, se ne anstataŭe li estus falinta en unu el siaj kutimaj konvulsioj (ĉar kelkafoje en sunbrila vetero li falis en konvulsioj) kaj perdis dum kelke da tempo la uzon de siaj manoj; tial li sin eltiris kaj lasis ilin, kiel antaŭe, konsideri kion fari. Tiam la malliberuloj interparoladis inter si ĉu estas pli bone preni lian konsilon aŭ ne; kaj tiamaniere ili ekparoladis:—Frato, diras Kristano, kion fari? La vivado, kiun ni nun vivas estas mizera. Miaparte, mi ne scias, ĉu estas pli bone vivadi tiamaniere, aŭ morti tuj. "Mia animo elektas sufokiĝon plivole ol vivadon"; kaj la tombo estas pli senĝena por mi ol tiu ĉi kelmalliberejo! Ĉu ni devas esti konsilataj de la Giganto?

ESPER. Certe, nia nuna stato estas terura, kaj morto estus multe pli bonvena al mi ol ĉiam tiele resti. Sed ankoraŭ ni konsideru, la Sinjoro de la lando kien ni iras estas dirinta, "Ci devas fari nenian mortigon," ne, ne al alia homo; multe pli, do, ni estas malpermesitaj preni la konsilon de la Giganto mortigi nin. Cetere, li kiu mortigas alian nur faras mortigon sur la korpon, sed kiam oni mortigas sin, tia estas mortigi samtempe la korpon kaj la animon. Kaj plie, mia frato, ci parolas pri senĝeno en la tombo; sed ĉu ci forgesas la inferon, kien certe la mortiginto iros? Ĉar "nenia mortiginto havos eternan vivon." Kaj ni konsideru ree, ke la tuta



*Malespero konsilas memmortigon.*

leĝo ne estas en la mano de Giganto Malespero. Aliaj, ĝis tio, kion mi povas konstati, kaptiĝis de li tiel same kiel ni, kaj ili ankoraŭ forkuris el manoj liaj. Kiu scias, ĉu Dio, kiu la mondon kreis, ne volos agi tiamaniere, ke Giganto Malespero mortu; aŭ iafoje ke tiu ĉi forgesu enŝlosi nin; aŭ ke li baldaŭ estu prenita de alia el siaj konvulsioj antaŭ ni, kaj li perdu la uzon de siaj membroj? Kaj se iam ajn tio reokazos, miaparte mi decidiĝas fortigi mian viran koron kaj fari mian eblon por eliri el lia mano. Mi estas malsaĝulo, ke mi ne provis ĝin fari antaŭe; sed tamen, mia frato, ni estu paciencaj, kaj ni suferadu iom plu; eble la tempo alvenos kiu donos al ni ĝojan liberecon; sed ni ne fariĝu niaj memmortigantoj. Per tiuj ĉi vortoj Esperemo nuntempe moderigis la animon de sia frato; kaj tiamaniere ili daŭris kune en la mallumo tiun ĉi tagon en ilia malĝoja kaj dolora stato.

Nu, kiam la nokto alproksimiĝis, la Giganto ree malsupreniras en la kelon, por vidi ĉu liaj kaptitoj ankoraŭ estas prenintaj lian konsilon; sed kiam li estas tien alveninta, li trovas ilin vivaj, kvankam vere nur vivaj; ĉar nun pro manko de pano kaj akvo, kaj pro la vundoj ricevitaj kiam li bategis ilin, ili apenaŭ povas pli

fari ol spiri. Sed mi ripetas, li trovis ilin vivaj; je kio li ekkoleregis kaj diris al ili, ke, ĉar ili malobeas konsilon lian, estos pli malbone por ili ol se ili neniam estus naskitaj.

Je tio ĉi, ili tre tremis, kaj mi pensas, ke Kristano svenis; sed post li estas retrovinta sin iom, ili reprenas sian interparoladon pri la konsilo de la Giganto, kaj ĉu ankoraŭ estus pli bone ĝin sekvi aŭ ne. Nun Kristano ree ŝajnis esti preta tiel fari, sed Esperemo faris sian duan respondon jene:—

Mia frato, diras li, ĉu ci ne rememoras kiel kuraĝa ci estis antaŭe? Apoljono ne povis premegi cin; nek tiel povis fari ĉio, kion ci aŭdis, aŭ vidis, aŭ sentis en la Valo de l' Ombro de la Morto. Kiajn malfacilaĵojn, teruron kaj miregon ci jam trapasis, kaj ĉu ci estas nun nur timoj? Ci vidas, ke mi ankaŭ estas en la subtera malliberejo kun ci, mi, kiu estas nature homo multe pli malforta ol ci; ankaŭ tiu ĉi giganto vundis min same kiel cin, kaj forprenis la panon kaj akvon de mia buŝo, kaj kun ci mi malĝojas pro manko de la lumo. Sed iom plu ni ekzercu la paciencon. Rememoru kiel ci kondutis vire ĉe Vaneca Foiro, kaj ne estis timigita nek per la Ĉeno nek la Kaĝo, nek ankoraŭ per la sanga morto. Tial, almenaŭ por eviti la honton, en kiu ne decas, ke oni trovu Kristanon, ni fortigu nin pacience kiel eble plej bone.

Nu, kiam la nokto denove revenis, kaj la Giganto kaj lia edzino rekuŝiĝis, ŝi demandas al li pri la kaptitoj, kaj ĉu ili ankoraŭ estas prenintaj lian konsilon. Pri kio li respondas—Ili estas obstinaj friponoj; ili elektas prefere porti ĉiujn ajn mizerojn ol formortigi sin. Tiam diras ŝi—Konduku ilin en la kastelan korton morgaŭ, kaj montru al ili la ostojn kaj kraniojn de tiuj, kiujn ci jam estas mortigintaj; kaj kredigu ilin ke, antaŭ semajno finiĝos, ci disŝiros ilin, same kiel ci faris al iliaj kunuloj antaŭe.

Tiel, kiam tagiĝis, la Giganto reiras ĉe ili, kaj kondukas ilin en la kastelan korton, kaj montras al ili laŭ la ordono de lia edzino. Tiuj ĉi, diras li, estis antaŭe pilgrimantoj kiel vi; kaj ili pekiris sur miajn terojn, kiel vi faris; kaj kiam plaĉis al mi, mi disŝiris ilin, kaj tiamaniere mi faros al vi post dek tagoj. Reiru malsupren al via kelo! Kaj tiel dirante, li batadas ilin laŭlonge de la tuta vojo tien. Ili kuŝis, do, la tutan sabaton en dolerega stato kiel antaŭe. Nu, kiam alvenis la nokto, kaj kiam Sinjorino Senkonfido kaj ŝia edzo la Giganto kuŝiĝis, ili rekomencis interparoladon sian pri siaj malliberuloj; kaj plie la maljuna Giganto miris, ke li povis nek per siaj batoj nek konsilo finigi ilin. Je tio, lia edzino respondas—Mi timas, ŝi diras, ke ili vivadas esperante, ke oni alvenos kaj liberigos ilin, aŭ ke ili posedas ŝlosajn malfermilojn ie, per kiuj ili esperas

povi forkuri. Ĉu vi tiel diras, karulino mia ? respondas la Giganto ; mi ekzamenos ilin la proksiman matenon.

Nu, sabate, ĉirkaŭ noktomezo, ili komencis preĝi, kaj daŭrigis preĝi ĝis preskaŭ tagiĝo.



*La plej bona rimedo por malesperuloj.*

Nu, iom antaŭ ol la taglumo, la bona Kristano, kiel iu duonmirigita, eksplodis en tiun ĉi pasian paroladon—Kia malsaĝulo, diras li, mi estas ! tiamaniere kuŝi en malbonodora kelmalliberejo kiam mi povus egale promenadi en libereco ! Mi havas ŝlosilon en mia brusto, nomitan Promeso, kiu malfermos, mi estas certigita, ian ŝloson ajn en Duba Kastelo. Tiam diras Esperemo—Tio ĉi estas bona sciigo : bona frato, ektiru ĝin el sia brusto kaj provu.

Tiam Kristano eltiris ĝin el sia brusto, kaj komencis provi ĉe la pordo de la kelo, kies riglilo, kiam li turnis la ŝlosilon, cedis, kaj la pordo subite kaj facile malfermiĝis, kaj Kristano kaj Esperemo ambaŭ eliris. Tiam li iris al la ekstera pordo, kiu kondukas en la kastelan korton, kaj per sia ŝlosilo li malfermis tiun pordon ankaŭ.

Post tio, li iris al la fera pordego, ĉar estis necese, ke oni malfermu tiun ankaŭ; sed tiu seruro funkciis infere malfacile, tamen la ŝlosilo malfermis ĝin. Tiam ili elpuŝis la pordegon malferme por forkuri rapide; sed tiu pordego, malfermante, faris tian krakadon, ke ĝi vekis Giganton Malesperon, kiu rapide levante sin por sekvi siajn kaptitojn, sentis siajn membrojn malapogi sin; ĉar liaj konvulsioj lin reprenis tiel, ke li ne iel povis kuri post ili. Tiam ili piediris kaj atingis la Reĝan ĉefvojon, kaj tiel estis savaj, ĉar ili estis ekster la giganta reĝeco.



*Post preĝo, libereco el malespera teritorio.*

Nu, kiam ili estas trapasinta la transirejon ili komencis plani inter si, kion ili faros ĉe tiu transirejo por malhelpi, ke tiuj, kiuj sekvos poste, falos en la manojn de Giganto Malespero. Tiel ili konsentis starigi tie kolonon, kaj gravuri sur la flankon de ĝi tiun ĉi frazon :— "Trans tiu ĉi transirejo estas la vojo al Duba Kastelo, kiun tenas Giganto Malespero, kiu malestimas la Reĝon de la Ĉiela Lando, kaj penas detrui liajn sanktajn pilgrimantojn." Multaj, tial, kiuj sekvis,

legis tion, kio estas skribita, kaj evitis la danĝeron. Tion ĉi farinte, ili kantis jene—

Ni tuj sciiĝis post la flankeniro
Signifon de malpermesita tero;
Kaj la sekvontoj sin tre bone gardu,
Pro timo, ke simile ili perdu
La liberecon en malluma kelo,
De Dubo kaj Giganto la Kastelo.

---

## Ĉapitro 16a.

*La Plaĉegaj Montoj kaj la Paŝtistoj refreŝigas la pilgrimantojn, kiuj ekvidas en la malproksimo la pordegon de la Ĉiela Urbo.*

Ili iris, do, ĝis ili venis al la Plaĉegaj Montoj; kiuj montoj apartenas al la Sinjoro de tiu monto, pri kiu ni antaŭe parolis; tiel ili ĝisiris la montojn por rigardi la ĝardenojn kaj fruktejojn, la vinberejojn kaj akvajn fontojn, kie ankaŭ ili trinkis, kaj sin lavis, kaj libere manĝis de la vinberoj. Nu sin trovis sur la montsupraĵoj Paŝtistoj kiuj paŝtis bestarojn siajn, kaj ili apudestis la vojon. La



*La paŝtistoj de la Plaĉegaj Montoj.*

pilgrimantoj iris do al ili, kaj apogante sin per siaj bastonoj—laŭ la maniero de la lacaj pilgrimantoj, kiam tiuj ĉi deziras interparoli kun iu laŭlonge de la vojo—ili demandas, Kies Plaĉegaj Montoj estas tiuj ĉi? kaj kies la ŝafoj, kiuj tie paŝtas?

PAŜT. Tiuj ĉi montoj estas la tero de Emanuelo, kaj oni povas de Lia urbo ilin vidi: kaj la ŝafoj ankaŭ estas Liaj, kaj pro ili, Li oferis vivon Sian.

KRIS. Ĉu tiu ĉi estas la vojo al la Ĉiela Urbo?

PAŜT. Vi estas vere en la ĝusta vojo.

KRIS. Kiel malproksime estas ĝis tie?

PAŜT. Tro malproksime por iuj ajn esceptinte nur ilin kiuj ja atingos ĝin.

Plaĉegajn montojn ili supreniras,
Kie Paŝtistoj bonkonsilon diras,
Pri allogaĵoj kaj pri avertiloj—
Fido kaj timo estas firmigiloj.

KRIS. Ĉu la vojo estas sendanĝera aŭ danĝera?

PAŜT. Sendanĝera por tiuj, por kiuj oni difinis ĝin sendanĝera, "sed ofendantoj en ĝi ja falos."

KRIS. Ĉu en tiu ĉi loko troviĝas refresiĝo ajn por pilgrimantoj lacigitaj kaj malfortigitaj per la vojirado?

PAŜT. La Sinjoro de l' montoj ordonis al ni, "ne esti forgesemaj pri gastamo je nekonatuloj"; tial la bonaĵoj de la loko estas antaŭ vi.

Mi vidis ankaŭ en mia sonĝo, ke kiam la Paŝtistoj ekvidis, ke ili estas vojirantoj, tiuj ankaŭ faris demandojn al ili, je kiuj ili faris respondojn kiel aliloke; ekzemple—De kie venas vi? kaj kiel vi ekeniris la vojon? kaj kiamaniere vi persistis en tio? ĉar tre malmulte el tiuj, kiuj komencas iri tien ĉi montras siajn vizaĝojn sur tiuj ĉi montoj. Sed kiam la Paŝtistoj aŭdis iliajn respondojn, kaj estis pri tiuj ĉi plezurigitaj, ili regardis la pilgrimantojn tre bonkore, kaj diris, Bonvenu al la Plaĉegaj Montoj!

La Paŝtistoj, mi diras, kies nomoj estis Scio, Sperto, Viglemo, kaj Sincereco, manprenis ilin, kaj ilin kondukis al siaj tendoj, kaj partoprenigis ilin de la pretaj manĝaĵoj. Ili diris plue—Ni volas, ke vi restu iom tie ĉi por konatiĝi kun ni, kaj, krom tio, por komforti vin per la bono de tiuj ĉi Plaĉegaj Montoj. Tiam diris la pilgrimantoj, ke ili estos kontentaj restadi; tiel ili kuŝiĝis, ĉar estis tre malfrue.

Tiam vidis mi en mia sonĝo, ke la morgaŭan matenon la Paŝtistoj vekis Kristanon kaj Esperemon por promenadi kun ili sur la montoj; tial ili foriris kune kaj dum kelka tempo promenadis, kun ŝatindaj



*Oni vekas la Pilgrimantojn.*

vidaĵoj ĉiuflanke. Tiam diris la Paŝtistoj unu al la aliaj,—Ĉu ni devas montri mirindaĵojn al tiuj ĉi pilgrimantoj? Tiel, kiam estas decidite tion fari, ili suprenirigis la pilgrimantojn ĝis la pinto de monteto nomita Eraro, kiu estis krutega sur la plej malproksima flanko, kaj ordonis, ke ili rigardu ĝin ĝis la fundon. Tiel Kristano kaj Esperemo malsupren rigardis, kaj vidis en la fundo kelkajn homojn dispecigitajn per falo de la supro. Tiam diras Kristano—Kion tio ĉi signifas? La Paŝtistoj respondis—Ĉu vi ne aŭdis pri tiuj, kiuj estis erarigitaj per aŭskultado al Hajmeneo kaj Filetuso rilate al la kredo pri la reviviĝo de l' korpo? Ili respondas,—Jes. Tiam diris la Paŝtistoj—Tiuj, kiujn vi vidas, dispecigitajn ĉe la fundo de tiu ĉi monto estas tiuj homoj; kaj ili restas ĝis hodiaŭ neenterigitaj, kiel vi vidas, por ekzemplo al aliaj, ke ili zorgu, ke ili ne suprenrampu tro alten, aŭ ke ili ne venu tro proksime de la rando de la krutegaĵo.

Tiam mi vidis, ke oni kondukis ilin ĝis la pinto de alia monto, kaj ĝia nomo estas Singardemo, kaj ordonis, ke oni rigardu malproksimen? kion, kiam ili estas farintaj, ili ekvidis, kiel ili almenaŭ pensas, kelkajn

virojn, kiuj vagadas inter la tieaj tomboj; kaj ili ekvidis, ke la homoj estas blindaj, ĉar okazis, ke ili faletis foje sur la tombojn, kaj ĉar ili ne povis eliri el la tombejo. Tiam diras Kristano—Kion signifas tio ĉi?

La Paŝtistoj tiam diras—Ĉu vi ne vidis iom malsupre de tiuj ĉi montoj, transirejon, kiu kondukas en herbejon sur la maldekstra flanko de l' vojo? Ili respondas—Jes. Tiam diras la Paŝtistoj—De tiu transirejo iras vojeto rekte ĝis Duba Kastelo, kie loĝas Ĝiganto Malespero, kaj tiuj ĉi homoj (montrante sur la tombuloj) iafoje pilgrimiris kiel vi nun faras, ĝis ili eĉ atingis tiun saman transirejon. Kaj, ĉar la ĝusta vojo estas kruta en tiu loko, ili elektis flankeniri en tiun ĉi herbejon, kaj tie ilin kaptis Giganto Malespero, kaj ĵetis ilin en Duban Kastelon; kie, post enŝlosado dum kelke da tempo en malliberejon, li fine eltiris okulojn liajn, kaj forkondukis ilin inter tiujn ĉi tombojn, kie li lasis ilin vagadi ĝis hodiaŭ; por ke la antaŭdiro de l' saĝulo estu plenumita, "Tiu, kiu elvagadas el la vojo de saĝeco restados en la kongregacio de l' senvivuloj." Tiam Kristano kaj Esperemo rigardis unu la alian dum la larmoj ekfluis, sed ankoraŭ diris nenion al la Paŝtistoj.

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke la Paŝtistoj ilin kondukis ĉe alian lokon en unu fundon, kie troviĝis pordo en la flanko de monteto; kaj oni malfermis la pordon kaj invitis ilin enrigardi. Ili tial enrigardis, kaj vidis, ke la internaĵo estas tre malluma kaj fumeca; ili ankaŭ kredis aŭdi tie bruegadon kvazaŭ de fajro, kaj krion kvazaŭ de turmentato, kaj ke ili flaris sulfurŝtonon.

Tiam diras Kristano—Kion tio signifas? La Paŝtistoj klarigis,—Tiu ĉi estas flankvojo ĝis la infero; vojo kiun hipokrituloj eniras—nome tiaj, kiaj vendas Ezaŭsimile sian naskrajton; kiaj, Judasosimile, vendas sian Majstron; kiaj blasfemos la Evangelion kun Aleksandro; kaj mensogas kaj hipokritas kun Ananiaso kaj lia edzino Safirio.

Tiam diras Esperemo al la Paŝtistoj—Mi ekvidas, ke tiuj ĉi, ja ĉiu, portis signojn de pilgrimado, kiel ni nun; ĉu ne vere?

PAŜT. Jes, kaj ankaŭ tion faris longatempe.

ESPER. Kaj ĝis kie ili faris pilgrimadon sian, siatempe, kaj tamen ili spite tio estis tiel mizere forĵetitaj?

PAST. Kelkaj pli malproksimen, kaj aliaj ne tiel longe kiel ĝis tiuj ĉi montoj.

Tiam diras la pilgrimantoj unu al la alia—Ni ja bezonas krii al La Fortulo por la forto.

PAST. Jes, kaj vi ankaŭ bezonos uzi ĝin, kiam vi ĝin havos!

Je tiu ĉi momento la pilgrimantoj sentis deziron antaŭeniri, kaj

la Paŝtistoj deziron, ke ili tion faru; tial ili kuniradis al la fino de l' montoj. Tiam diras la Paŝtistoj unu al la aliaj, Ni tie ĉi montru al la pilgrimantoj la pordegojn de la Ĉiela Urbo, se ili posedas la lertecon por vidi tra nia teleskopo. La pilgrimantoj ame akceptis la proponon; tial oni venigis ilin ĝis la pinto de alta monteto nomita Klareco, kaj donis al ili la teleskopon por travidi.

Tiam ili provis vidi; sed la memoro de tiu lasta afero, montrita al ili de la Paŝtistoj, skuetis manojn iliajn; per kiu malhelpo ili ne povis fikse rigardi tra la teleskopo; tamen ili kredis vidi ion similan al la pordego, kaj ankaŭ iom de la gloro de la loko. Tiam ili foriris kaj kantis la jenan kanton:—

Paŝtistoj montras al ni la sekretojn,
Sed de malbonaj ne plenumas petojn;
Venu, tial, por koni profundaĵojn,
Misterojn, kaj similajn kaŝitaĵojn.

Kiam ili estas ekforirintaj, unu el la Paŝtistoj donis al ili klarigon pri la vojo. Alia avertis ilin pri la Flatisto. La tria konsilis ilin esti avertataj ne dormi sur la Ensorĉita Tero; kaj la kvara deziris por ili diprosperon. Tiel mi vekiĝis el mia sonĝo.

---

## Ĉapitro 17a.

*Nescio faras pilgrimon siamaniere.—La Flatisto kaj lia reto.—Ateisto.—La Ensorĉita Tero, kaj vigliga interparolado de la pilgrimantoj.—Kiel Esperemo fariĝis pilgrimanto.—Nescio montras opiniojn siajn pri diaj kaj animaj aferoj.*

Kaj mi dormis kaj resonĝis, kaj tiam mi vidis la samajn du pilgrimantojn malsuprenirantajn la montojn, laŭlonge de la vojo al la Urbo. Nun iom malsupre de tiuj ĉi montoj, maldekstre, kuŝas la lando de Tromemfido; de kiu lando eliras ĝis la vojo en kiu marŝis la pilgrimantoj mallarĝa serpentira vojeto. Tie ĉi, do, ili renkontis viglan knabon, kiu eliris el tiu ĉi lando, kaj oni nomis lin Nescio. Tiel Kristano demandis al li, el kiu distrikto li venas, kaj kien li iras?

Nescio. Sinjoro, mi naskiĝis en la lando kiu kuŝas tie, iom maldekstre; kaj mi iras al la Ĉiela Urbo.

Kris. Sed kiamaniere vi kredas sukcesi eniri la pordegon? ĉar eble vi trovos iom da malfacileco tie.

Kiel faras aliaj, diras li.

KRIS. Sed kion vi havas por montri ĉe la pordego, por ke oni malfermu la pordegon je vi ?

NESCIO. Mi scias la volon de mia Sinjoro, kaj estas kondutinta bone ; mi pagas al ĉiu, kion al tiu apartenas ; mi preĝas, fastas, pagas la dekonojn, kaj donas almozojn, kaj mi estas forlasinta mian patrujon por tiu, kien mi iras.

KRIS. Sed ci ne eniris per la pordeto kiu troviĝas ĉe la komenco de tiu ĉi vojo ; ci venis tien ci per tiu sama malrekta vojeto ; kaj tial mi timas, kiel ajn vi pensas pri vi mem, kiam venos la kalkula tago, oni kulpigos cin pri tio, ke ci estas ŝtelisto kaj rabisto, anstataŭ ke ci trovos eniron en la Urbon.

NESCIO. Sinjoroj, vi al mi estas tutaj fremduloj ; mi ne konas vin ; estu kontentaj sekvi la religion de via propra lando, kaj mi sekvos tion de la mia. Mi esperas, ke ĉio estos bona. Kaj pri la pordego pri kiu vi parolas, la tuta mondo scias, ke ĝi estas tre malproksima de nia lando. Mi ne povas kredi, ke iu ajn en nia najbaraĵo konas eĉ la vojon al ĝi ; nek estas grave ĉu ili tion scias aŭ ne, tial ke ni havas, kiel vi vidas, belan plaĉan vojeton, kiu venas el nia lando per la proksima vojo en la vojon.

Kiam Kristano vidis, ke la viro estas saĝa laŭ sia propra memestimo, li diris al Esperemo mallaŭte, Estas pli da espero pri malsaĝulo ol pri li ; kaj aldonis, Kiam tiu, kiu estas malsaĝulo vojiradas, ties saĝo mankas, kaj tiu proklamas al ĉiu, ke li estas malsaĝulo. Nu ! ĉu ni volas interparoladi plu kun li, aŭ pretermarŝi lin nun, kaj tiel forlasi lin pensi pri tio, kion li jam estas aŭdinta, kaj poste halti por li, kaj observi ĉu ni povos grade fari ian bonon ajn al li ? Tiam diris Esperemo—

Nescio bone agus, pripensante
Pri la dirado, kaj ne rifuzante
Akcepti bonkonsilon ; rifuzita,
La ĉefa gajno estas nesciita.
La Dio diras, ke la nesciuloj,
Ne estos, kvankam liaj, savituloj.

Li aldonis plie, Estas nebone, mi kredas, ĉion diri al li per unu fojo ; ni preterpasu lin, se vi volas, kaj parolu kun li poste, laŭ la mezuro ke li povos elporti tion. Tiel ili ambaŭ antaŭeniris, kaj Nescio sekvis.

Nun kiam ili estas preterpasintaj lin iom, ili eniris tre malluman vojon, kie ili renkontis viron, kiun sep diabloj estis ligintaj per sep fortaj ŝnuroj, kaj nun reportadas ĝis la pordo, kiun oni vidis en la montetflanko. Nun bona Kristano ektremas, kaj ankaŭ Esperemo,

lia kunvojaĝanto; tamen dum la diabloj forkondukis la viron Kristano rigardis por konstati ĉu li konas lin, kaj li pensas, ke tiu estas unu Forlasulo, kiu loĝis en la urbo Apostateco. Sed li ne tute vidis lian vizaĝon; ĉar la homo klinis la kapon kiel kaptita ŝtelisto. Sed, preterpasinte, Esperemo rigardis malantaŭen kaj ekvidis sur lia dorso paperon enskribitan jene, "Malbonmora konfesinto kaj elkondamninda apostatulo." Tiam diras Kristano al sia kunulo—Nun mi memoras, kion oni diris al mi pri afero, kiu okazis al bona viro en tiu ĉi ĉirkaŭaĵo; la nomo de la homo estis Malmultfido, sed bona homo, kaj li loĝis en la urbo Sincereco.

La afero estis tia.—Ĉe la enirejo de tiu ĉi vojo troviĝas alia vojo el Larĝvoja Pordego nomita Mortintula Vojo, tiel nomita pro la oftaj mortigoj tie faritaj; kaj tiu ĉi Malmultfido, pilgrimante kiel ni, okaze unufojon tie sidiĝis kaj dormis. Nun okazis ankaŭ samtempe, ke aliris malsupren el Larĝvoja Pordego tri harditaj friponoj, kies nomoj estas Timkoro, Suspektemo kaj Kulpo, tri fratoj; kaj ili, ekvidante Malmultfidon, kie li kuŝis, algalopis al li rapide. Nun la bona homo estas ĵus ekvekiĝinta, kaj stariĝis por revojaĝi; tiel ili ĉiuj lin atingis kaj per minaca lingvaĵo ordonis, ke li haltu. Je tio, Malmultfido ŝajnis blanka kiel tuko, kaj ne havis forton batali nek forkuri. Tiam kriis Timkoro, "Liveru cian monujon"; sed ĉar li ne rapidis tion fari, ĉar li ne ŝatis perdi sian monon, Suspektemo alkuris al li, kaj puŝante la manon en lian poŝon, eltiris el tie saketon da arĝento. Tiam li ekkriis, "Ŝtelistoj, ŝtelistoj!" Je tio, Kulpo, per granda bastonego, kion li portis mane, frapis Malmultfido sur la kapon, kaj per tiu frapo faligis lin plate ĉe l' teron, kie li kuŝis, sanganta kvazaŭ li elsangadus ĝis la morto. Ĉio tio ĉi, dum la ŝtelistoj ĉirkaŭstaris. Sed fine, aŭdante ke iu estas sur la vojo, kaj timante, ke tiu estus unu Grandfavoro, kiu loĝas en la urbo Bonkonfido, ili ekforkuris, kaj lasis tiun ĉi bonan homon sin helpi laŭpove. Nun post nelonga tempo Malmultfido rekonsciiĝis kaj, starante, ekprovis forrampi sur sian vojaĝon. Tia estis la rakonto.

Esper. Sed ĉu ili forrabis de li ĉion, kion li posedis?

Kris. Ne; lian juvelujon oni ne traserĉis; tial li ĝin ankoraŭ konservis. Sed, kiel oni al mi diris, la bona homo estis multe malĝojigita pri sia perdo; ĉar la ŝtelistoj forportis la plimulton de lia elspezmono. Tio, kion ili ne trovis, kiel mi diris, estis juveloj; ankaŭ restis ankoraŭ malmulto da lia mono, sed apenaŭ sufiĉa por helpi lin ĝis la vojaĝfino; ne, se oni ne erarigis min, li devis almozpeti dum li vojaĝadis; sed, malgraŭ la farado de sia eblo, li devis ofte malsati dum la plimulto de la resta vojirado.

ESPER. Sed ĉu ne estas mirinde, ke ili ne fortiris de li lian certigaĵon, per kio li devus esti akceptita ĉe la Ĉiela Pordego ?

KRIS. Estas ja mirindaĵo ; sed tion ili ne trovis, kvankam ili ne maltrafis ĝin pro ia bona ruzo lia ; ĉar li, estante konfuzita per ilia atako, ne posedis la forton nek la lertecon kaŝi ion ajn ; tial estis pli pro Difavoro ol pro lia penado, ke ili maltrafis tiun bonon.

ESPER. Sed nepre tio devas esti komforto por li, ke ili ne forportis tiun ĉi juvelon de li.

KRIS. Tio povus esti granda komforto al li se li estus uzinta ĝin kiel li devus ; sed tiuj, kiuj rakontis al mi l' aferon diris, ke li malmulte uzadis ĝin dum la resto de la vojaĝo, kaj cetere, kiam li ekmemoris pri ĝi, kaj ekkomfortiĝis pri tio, tiam freŝaj pensoj pri liaj perdoj reeniris, kaj tiuj ĉi pensoj englutis ĉion.

ESPER. Ho, ve ! kompatindulo ! Tio ĉi ne povis ne esti granda malĝojo por li.

KRIS. Malĝojo ! ja granda malĝojo. Ĉu ne same estus ĉe iu ajn el ni, se ni estus uzita kiel li, rabita kaj ankaŭ vundita, kaj en fremda loko, kiel okazis ĉe li ! Estas mirinde, ke li ne mortis pro malĝojo, kompatindulo ! Oni diris al mi, ke li semis preskaŭ la reston de la vojo nur per doloraj kaj maldolĉaj plendoj ; sciigante ankaŭ tiujn, kiuj lin atingis, aŭ kiujn li preterpasis laŭlonge de la vojo, la lokon kie oni elrabis lin, kaj kiamaniere ; pri kiuj elrabis lin, kaj kiom li estas perdinta ; kiel oni vundis lin, kaj kiel li apenaŭ forkuris kun la vivo.

ESPER. Sed estas mirindaĵo, ke lia bezonego ne devigis lin vendi aŭ pruntedoni por mono kelkajn el siaj juveloj, por ke li ricevu nutraĵon sur la vojaĝo.

KRIS. Ci parolas kvazaŭ kokido, kiu ankoraŭ portas surkape peceton da ovoŝelo. Por kio devus li pruntedoni ilin, aŭ al kiu ilin vendi ? En la tuta lando kie oni lin rabis, liaj juveloj estas senvaloraj ; nek li deziris tian helpon, kian oni de tie povus al li doni. Cetere, se estus manko de liaj juveloj ĉe l' pordego de la Ĉiela Urbo, li bone sciis, ke oni estus elferminta lin el lia heredaĵo tie ; kaj tio estus pli malbona al li, ol la ĉeesto kaj malbonegeco de dek mil rabistoj.

ESPER. Kial ci estas tiel pikema, frato mia ? Ezaŭo vendis naskrajton sian, kaj tion por porcio da supo, kaj tiu naskrajto estis lia plejvalora juvelo ; kaj se li, kial ne Malmultfido tiel povus fari ankaŭ ?

KRIS. Ezaŭo ja vendis naskrajton sian, kaj tiel faras multajn ankaŭ, kaj tiel farinte, sin elfermas el la ĉefa beno, kiel okazis je tiu malbonulo ; sed vi devas meti diferencon inter Ezaŭo kaj

Malmultfido, kaj ankaŭ inter iliaj statoj. La naskrajto de Ezaŭo estis simbola, sed ne la juveloj de Malmultfido. La dio de Ezaŭo estas lia ventro; sed ne simile rilate al Malmultfido. La deziro de Ezaŭo trovis sin en lia karna apetito; sed ne tiu de Malmultfido. Plie, Ezaŭo ne pli malproksimen vidis ol ĝis la plenumado de siaj avidecoj: "Ĉar mi ekmortas," diris li, "kaj kian bonon alportos al mi naskrajto mia?" Sed Malmultfido, kvankam lia sorto estas havi nur malmulton da fido, estis, per lia malmulto da fido, detenita de tiaj nekutimaĵoj, kaj kaŭzita pli preferinde rigardi kaj valori siajn juvelojn ol ilin vendi, kiel kontraŭe Ezaŭo faris rilate al sia naskrajto. Vi nenie legas, ke Ezaŭo posedis eĉ iom da fido; tial ne estas mirinde, se tie, kie la karno superregas—kiel okazas en la homo, kiu ne posedas sufiĉan fidon por kontraŭstari—se li vendus naskrajton sian, kaj sian animon, kaj ĉion, kaj tiujn ĉi al la infera diablo; ĉar estas ĉe tiaj kiel ĉe la azenino, "kiun oni ne povas deturni en okazoj ŝiaj." Kiam sia spirito estas fiksitaj sur siajn avidecojn, ili nepre volas posedi ilin, kiel ajn granda la kosto. Sed Malmultfido estis de alia inklino; lia deziro estas al ĉielaj aferoj, liaj vivrimedoj estis aferoj spiritaj kaj desupraj; tial pro kio decas, ke li, de tia spirito, vendu siajn juvelojn, se eĉ iu volus ilin aĉeti, por plenigi sian spiriton per netaŭgaĵoj? Ĉu homo donus unu pencon por plenigi ventron sian per fojno? aŭ ĉu vi povas elinflui la turton manĝi putraĵon same kiel la korvo? Kvankam malfideluloj povas, pro karnaj avidecoj, garantidoni aŭ hipoteki, aŭ vendi sian havon, kaj sin mem plie; tamen tiuj, kiuj havas fidon, savigan fidon, kvankam nur iom da ĝi, tion ne povas fari. Tie ĉi, do, frato mia, kuŝas cia eraro.

Esper. Mi ĝin konfesas, sed tamen via severa cenzuro preskaŭ estis koleriginta min.

Kris. Sed, mi nur komparis cin al kelkaj el la birdoj de la pli vigla speco, kiuj volas iri tien ĉi kaj tien en nemarŝitaj vojetoj, kun la ŝelo ankoraŭ sur la kapo; sed preterpasu tion, kaj pripensu la aferon diskutatan, kaj ĉio inter ci kaj mi estos bona.

Esper. Sed, Kristano, tiuj ĉi tri kunuloj, kiel mi vere pensas, estas nur malkuraĝularo; ĉu alie, vi pensas, ili estus foririntaj kiel ili faris, je la bruo de iu alvenanta sur la vojo? Kial Malmultfido ne sin ekkuraĝigis? Li povus, kiel mi pensas, esti subteninta unu atakon, kaj poste cedinta kiam estus aperinta neniu helpo.

Kris. Multaj jam diris, ke ili estas malkuraĝuloj, sed malmultaj tiele konstatis en la horo de provado. Malmultfido ja ne posedis fortan koron; kaj rilate al ci, mia frato, mi ekvidas, ke, se ci estus estinta la homo koncernita, ci volus nur unu atakon, kaj poste cedi. Kaj vere tial ke tiu ĉi estas la pinto de cia kuraĝo, nun kiam ili

estas malproksimaj, se okazus ke ili aperus al ci simile kiel al li, ili eble rekonsiderigus cin.

Sed konsideru plie, ili nur estas dungitaj ŝtelistoj; ili servadas sub la reĝo de l' senfunda kavo, kiu, se bezonas, alvenos mem por ilin helpi, kaj lia voĉo "similas la leonan blekegon." Mi mem estas okupita kiel Malmultfido, kaj konstatis, ke ĝi estas terura afero. Tiuj ĉi tri malbonuloj min atakis, kaj kiam mi kristane ekkontraŭstaris, ili nur faris alvokon, kaj tuj alvenis majstro ilia; mi tiam, kiel oni diras, estus donacinta mian vivon por unu penco; se nur, kiel plaĉis al Dio, mi ne estus vestita per provita armaĵo. Jes, kaj kvankam mi estis tiel ŝirmita, estis, tamen, tre malfacile teni min vire; neniu povas antaŭdiri tion, kio atendas nin en tiu batalo, nur tiu, kiu mem estas partopreninta en ĝi.

Esper. Sed ili forkuris, kiel vi vidas, kiam ili nur supozis, ke unu Grandfavoro estis sur la vojo.

Kris. Vere, ili ofte estas forkurintaj, ili kaj ilia majstro ankaŭ, kiam Grandfavoro estas ekaperinta; kaj estas nenia mirindaĵo, ĉar li estas la probatalanto de la Reĝo; sed, mi estas certa, ke vi diferencos iom inter Malmultfido kaj la probatalanto de l' Reĝo. Ĉiuj la regatoj de l' Reĝo ne estas probatalantoj Liaj, nek povas ili, kiam provataj, fari similajn militajn heroaĵojn. Ĉu estas dece pensi, ke infaneto povus kontraŭbatali Goliaton kiel faris Davido? aŭ ke troviĝus la forto de bovo en regolo? Kelkaj estas fortaj, kelkaj malfortaj; kelkaj havas grandan fidon, aliaj malgrandan; tiu ĉi homo estis unu el la malfortuloj, kaj tial oni premis lin kontraŭ la muron.

Esper. Mi volus, ke la homo estus estinta Grandfavoro pro ili.

Kris. Se estus li, eĉ li devus fari sian tutan eblon; ĉar mi devas diri ke, kvankam Grandfavoro tre bone uzas armilojn siajn, kaj dum li sukcesas deteni la malamikojn tiel malproksime kiel la glavpinto li sufiĉe bone povas fari, sed se ili pli alproksimiĝus, eĉ Timkoro, Suspektemo aŭ la alia, ili preskaŭ nepre suprenĵetus liajn kalkanojn, kaj kiam homo estas malsupre, vi scias, kion li povas fari.

Kiu ajn bone rigardas la vizaĝon de Grandfavoro vidos tiujn cikatrojn kaj eltranĉojn, kiuj facile montros la pravecon de tio, kion mi diras. Jes, mi unufoje aŭdis, ke li diris dum la batalado, "Oni malesperas eĉ pri la vivo." Kiel tiuj ĉi harditaj friponoj kaj iliaj kunuloj ĝemigis Davidon, kaj igis lin malĝoji kaj kriegi! Jes, Hemano kaj Hezekaĵo ankaŭ, kvankam probatalantoj siatempe, devis vigle agi, kiam per tiuj atakitaj; kaj tamen malgraŭ tio, ili multe suferis en la batalado. Petro unufoje volis fari sian eblon;

sed kvankam kelkaj diras, ke li estas la princo de la apostoloj, ili tiel batis lin, ke fine li timis eĉ malfortan knabinon.

Plie, ilia reĝo estas venigebla per fajfo; li neniam iras for de la aŭdado, kaj se iam ajn okazas, ke oni ekvenkas ilin, li, se eble, venas por ilin helpi; kaj pri li oni skribis—"La glavo de tiu, kiu frapas lin ne trafas; nek la lanco, la pikĵetilo nek la kordefendilo. Li estimas feron kvazaŭ ĝi estus pajlo, kaj flavan kupron kvazaŭ putrita ligno. La sago ne povas forkurigi lin; ŝtonoj el la ŝtonĵetilo li aliigas en pajlrubon, pikĵetilojn li kalkulas kiel pajlrubo, li ridas je la lancoskuado." Kion oni povas fari en tia okazo? Estas vere, ke se nur oni povus havi ĉiokaze la ĉevalon de Jobo, kaj lertecon kaj kuraĝon por lin surrajdi, li eble povus fari notindaĵojn, ĉar "Ĝia kolo estas vestita per la tondro; ĝi ne timas kiel la akrido; la gloro de ĝiaj naztruoj estas timigega; ĝi piedfrapas en la valo, kaj ĝojas en sia forteco; ĝi iras por renkonti la armitojn. Ĝi mokas la timon, kaj ne estas timigita, nek ĝi sin deturnas de la glavo. La sagujo kraketas kontraŭ ĝin, la brilanta lanco kaj la ŝildo. Ĝi englutas la teron furioze kaj kolerege, nek ĝi kredas, ke estas la sonorado de l' trumpeto. Ĝi diras inter la trumpetoj, 'ha, ha!' Kaj ĝi flaras la batalon de malproksime, la tondron de l' kapitanoj, kaj la kriegadon."

Sed por tiaj piedirantoj kiel ci kaj mi, ni neniam deziru renkonti tian malamikon, nek fanfaronu kvazaŭ ni povus pli bone fari, kiam ni aŭdas pri aliaj, kiuj estis venkitaj; nek flatu nin, pensante pri nia vireco; ĉar tiaj kutime malplej bone sukcesas kiam provitaj. Ekzemple Petro, pri kiu mi antaŭe parolis; li volis fanfaroni, ja vere—kiel lia vana spirito lin incitis diri—li volis fari, kaj toleri pli pro sia Majstro ol ĉiuj; sed kiu estas tiel venkita kaj kaptita per tiuj ĉi friponoj kiel li!

Kiam, do, ni aŭdas, ke tiaj rabadoj okazas sur la Reĝa vojo, decas ke ni du aferojn faru,—unue, eliri armitaj, kaj zorgi ke ni portu ŝildon; ĉar pro manko de ĝi, tiu, kiu tiel forte atakis Leviatanon ne povis cedigi lin. Ĉar, vere, se tio mankas, li tute ne timos nin. Tial, la Lertulo diris, "Krom ĉio alia, prenu la ŝildon de la fido, per kiu vi povos estingi ĉiujn la fajrajn pikĵetilojn de la malbonuloj."

Estas bone, ankaŭ, ke ni petu de la Reĝo protektantojn, ja, ke Li mem akompanu nin. Tio ĉi ĝojigis Davidon, kiam li estis en la Valo de l' Ombro de la Morto; kaj Mozeso pli preferis morti tie, kie li staris, ol fari unu paŝon sen lia Dio. Ho, frato mia! se nur Li volus nin akompani, kial tiuokaze ni timus pri dekoj da miloj, kiuj kontraŭstarus nin. Sed, sen Li, la fieraj helpantoj subfalas sub la mortigitoj.

Miaparte, mi estis antaŭe en la batalo, kaj kvankam (per la boneco de Tiu, kiu estas la plej bona) mi restas, kiel vi vidas, vivanta, tamen mi ne povas fanfaroni pri mia vireco. Ĝoja mi estos, se mi renkontos neniajn plu da tiaj krizoj; kvankam mi timas, ke ni ne ankoraŭ estas elirintaj tute el la danĝero. Tamen, ĉar la leono kaj la urso ne ankoraŭ estas elmanĝintaj min, mi esperas, ke Dio ankaŭ savos nin el la manoj de la plej proksima neĉirkaŭtranĉita Filisto. Tiam kantis Kristano:—

Rabistoj, Malmultfido kompatinda,
Cin rabis? Estus, tamen, memorinda,
Ke kredanto, pli kredante, je dekmilo
Povos venki, sen alia ajn armilo.



*Flatisto, ŝajna anĝelo, delogas la Pilgrimantojn.*

Tiel ili vojiris, kaj Nescio ilin sekvis. Ili, do, iradis ĝis la atingo de loko, kie ili vidis vojon, kiu sin enmetis en ilian vojon, kaj ŝajnis ankaŭ kuŝi tiel rekte, kiel tiu en kiu ili devas iri, kaj pro tio, ili ne povis decidi, kiun el la du elekti, ĉar ambaŭ ŝajnis rekte antaŭ ili;

tial ili staradis por pripensi. Kaj dum ili pensadis pri la vojo, jen homo, nigra pri la karno, sed kovrita per tre blanka robo, venis al ili, kaj demandis, Kial ili tie staradas ? Ili respondis, ke ili vojiras ĝis la Ĉiela Urbo, sed ne scias kiun el la du vojoj elekti. Sekvu min, diras la homo ; mi tien estas iranta. Tial ili sekvis lin laŭ la vojo, kiu ĵus enmetis sin en la unuan vojon, sed kiu tiel grade ilin deturnis de la urbo, kiun ili deziris trafi, ke post nelonge iliaj vizaĝoj estis tute deturnitaj de ĝi ; tamen ili sekvadis lin. Sed baldaŭ, antaŭ ol ili estis konscia pri tio, li kondukis ilin inter la limojn de reto, en kiu ili tiel implikiĝis, ke ili nesciis kion fari ; kaj je tio, la blanka robo defalis de la dorso de la nigrulo ; tiam vidis ili kie ili estas. Tial ili kuŝis plorantaj dum kelke da tempo, ĉar ili ne povis liberigi sin.



*La paroloj de Flatisto fariĝas reto.*

Tiam diras Kristano al sia kunulo—Nun mi vidas min en eraro. Ĉu la Paŝtistoj ne avertis nin pri la Flatisto ? Kiel diris la saĝulo, tiel ni hodiaŭ trovis, " Tiu, kiu flatas najbaron sian, etendas reton por liaj piedoj."

Esper. Ili ankaŭ donis al ni paperon de informoj pri la vojo, por ke ni pli certe trovu ĝin; sed ni ankaŭ forgesis en tiu legi, kaj sekve ni ne detenis nin de la vojoj de l' detruisto. Pri tio Davido estis pli saĝa ol ni; ĉar, diras li, "Pri la faroj de la homoj, per la vortoj de ciaj lipoj mi min detenis de la vojoj de l' detruisto." Tiamaniere ili kuŝis priplorantaj sin en la reto. Fine ili ekvidas unu Brilulon, alvenantan kun vipo de ŝnuretoj en la mano. Kiam li alvenis al la loko, kie ili kuŝis, li demandas, de kie ili venas, kaj kion ili tie faras? Ili diras al li, ke ili estas kompatindaj pilgrimantoj, kiuj iradas al Ziono, sed kiuj estis kondukitaj for de sia vojo de nigrulo, vestita blanke, kiu ordonis, ke ili sekvu lin, ĉar li ankaŭ iradas tien. Tiam diris la vipoportanto—Estas Flatisto, falsa apostolo, kiu sin aliigis en anĝelon de la lumo. Tiel li rompis la reton, kaj liberigis la virojn. Tiam diras li al ili—Min sekvu, ke mi povu remeti vin en vian vojon; tiel li rekondukis ilin ĝis la vojo, kiun ili forlasis por sekvi la Flatiston. Tiam li demandas ilin, dirante—Kie vi kuŝis la lastan nokton? Ili respondis—Kun la Paŝtistoj sur la Plaĉegaj Montoj. Li demandas ilin, ĉu ili ne posedas noton de informoj pri la vojo? Ili respondas—Jes. Sed ĉu, kiam vi haltis, vi ne eltiris kaj legis la noton? Ili respondas—Ne. Li demandas—Kial? Ili respondas, ke ili forgesis. Li demandis, plie, ĉu la Paŝtistoj ne diris al ili, ke ili zorgu kontraŭ la Flatisto? Ili respondas—Jes; sed ni ne imagis, diras ili, ke tiu ĉi belparolantulo povus esti li.

Tiam en mia sonĝo mi vidis, ke li ordonis ke ili kuŝu, kaj kiam ili estis tiel farintaj, li punis ilin severe por instrui ilin pri la bona vojo en kiu ili devas iri. Kaj dum la punado li diris, "Kiom da homoj mi amas, tiom mi riproĉas kaj punas; estu fervoraj, do, kaj pentu." Tiel farinte, li ordonis, ke ili vojiru, kaj zorgu bone pri la aliaj informoj de la Paŝtistoj. Nu ili dankis lin por ĉio lia boneco, kaj iradis humile laŭlonge de la rekta vojo, kantante—

> Por vidi, venu vi, la vojirantoj,
> Kion okazas je la pilgrimantoj;
> Vagantajn, oni kaptas ilin rete;
> Memvolaj ili iris maldiskrete;
> Savitaj ili estis, sed vipitaj;
> Ni zorgu, do, kaj estu konsilitaj.

Nu, post nelonge ili ekvidis malproksime unu venantan zorge kaj sole laŭlonge de la vojo por renkonti ilin. Tiam diras Kristano al sia kunulo—Tie estas viro kun la dorso al Ziono, kaj li venas renkonti nin.



*Liberiĝitaj, sed punitaj.*

ESPER. Mi lin vidas; ni zorgu nun pri ni mem, pro timo, ke li ankaŭ pruvu esti Flatisto. Tiel li alproksimiĝis, kaj fine atingis ilin. Lia nomo estas Ateisto, kaj li demandas, Kien ili iradas?

KRIS. Ni iradas Monton Zionon.

Tiam Ateisto ekridegis.

KRIS. Kion signifas via ridego?

ATE. Mi ridas vidi tiajn nesciulojn kiaj vi estas, entrepreni tian tedan vojaĝon, kaj tamen verŝajne vi rikoltos nur vian vojaĝon por viaj penadoj.

KRIS. Kial do! ĉu vi pensas, ke oni ne akceptos nin?

ATE. Akceptos! Ne ekzistas tia loko, pri kiu vi revas, en tuta tiu ĉi mondo.

KRIS. Sed ĝi ekzistas en la venonta mondo.

ATE. Kiam mi estis hejme en mia propra lando, mi aŭdis laŭ via nuna diro; kaj pro tia aŭdado mi foriris por vidi, kaj mi serĉadis tiun ĉi urbon dum dudek jaroj, sed trovis nenion pli da ĝi ol mi faris je la unua tago de mia foriro.

KRIS. Ni kaj aŭdis kaj kredas, ke estas tia loko trovebla.

ATE. Se mi ne estus kiam hejme tiel kredinta, mi ne estus irinta tiel malproksimen por serĉi; sed nenian trovinte—tamen mi tion estus farinta, se tia ekzistus, ĉar mi serĉadis ĝin pli malproksimen ol vi—mi reiradas, kaj penos refreŝigi min per la aferoj, kiujn mi tiam eljetis por la esperoj de tio, kio, kiel mi nun vidas, ne ekzistas.

Tiam diras Kristano al Esperemo—Ĉu tio estas vera, kion diris tiu ĉi viro ?

ESPER. Estu singardema, li estas unu el la Flatistoj; rememoriĝu kiom jam kostis nin, nia aŭdado de tiaj friponoj. Kio! Nenia Monto Ziono! Ĉu vere ni ne vidis el la Plaĉegaj Montoj la pordegon de l' Urbo ? Ankaŭ, ĉu ni ne devas nun marŝi laŭ la fido ? Ni iradu, pro timo, ke la vipoportanto reatingu nin. Vi ja devis instrui al mi tiun lecionon, kiun mi nun sonigos en viajn orelojn—"Ĉesu, filo mia, aŭskultadi la instruadon, kiu erarigas de la vortoj de la scio"; mi ripetas, frato, ĉesu esti atentema al li, kaj ni "kredu ĝis la saviĝo de l' animo."

KRIS. Mia frato, mi ne prezentis al ci la demandon pro tio, ke mi mem dubis pri la vereco de nia kredo, sed por provi cin, kaj eltiri el ci provaĵon de la honesteco de via koro. Rilate al tiu ĉi homo, mi ja scias, ke li estas blindigita de la dio de tiu ĉi mondo. Ci kaj mi iradu, sciante, ke ni posedas kredon de la vero, kaj "nenia malvero estas de la vero."

ESPER. Nun mi ĝojas en la espero de la gloro de Dio.

Tiel ili sin deturnis de la viro, kaj li, ridante ilin, iris vojon sian.

Mi tiam vidis en mia sonĝo, ke ili vojiris ĝis ili venis en unu landon, kies aero estas dormigema al fremduloj. Kaj tie ĉi Esperemo fariĝis malvigla kaj dormema; tial li diras al Kristano—Mi fariĝas nun tiel dormema, ke mi apenaŭ povas teni malfermaj la okulojn; ni kuŝiĝu tie ĉi, kaj havu unu dormeton.

Neniel, diras la alia, pro timo ke, dormante, ni vekiĝu neniam plu.

ESPER. Kial ne, frato mia ? La dormo estas dolĉa al la laboristo: dormeto povos refreŝigi nin.

KRIS. Ĉu vi ne rememoras, ke unu el la Paŝtistoj avertis nin pri la Ensorĉita Tero ? Per tio, li signifis, ke ni devas esti singardemaj pri la dormado, "tial ni ne dormadu, kiel faras aliaj, sed ni estu viglaj kaj sobraj."

ESPER. Mi min konfesas en la kulpo; kaj se mi estus estinta sola tie ĉi, mi, dormante, estus estinta en danĝero de l' morto. Mi vidas, ke estas vere, laŭ la saĝulo, "Du estas pli bonaj ol unu." Ĝis nun cia akompanado estas mia beno; kaj oni donos al ci bonan rekompencon por cia laboro.

Nu, diras Kristano, por malhelpi la dormemon en tiu ĉi loko, ni faru profitigan interparoladon.

Tutkore, respondas la alia.

KRIS. Kie ni komencos?

ESPER. Kie komencis Dio kun ni. Sed vi komencu, mi petas.

KRIS. Nune mi kantos al ci tiun ĉi kanton:—

Venu, sanktuloj la dormemaj, aŭdu
Pilgrimajn kunparolojn, kaj lernadu
Kiel okulojn malfermitaj teni;
Sanktuloj vojaĝantaj povas peni
Subteni reciproke sen danĝero
De dormo, kaj la povo de l' infero.

Tiam komencis Kristano, dirante, Mi faros al vi demandon—Kiel okazis, ke vi unue pensis pri la nuna farado?

ESPER. Ĉu vi signifas, kiel mi unue ekzorgis pri la bono de mia animo?

KRIS. Jes, tion mi signifas.

ESPER. Mi longe daŭrigis la ĝuadon de tiuj aferoj, kiujn oni vidis kaj vendis en nia foiro; aferoj, kiuj, mi nun kredas, se mi ĝis nun estus daŭrigadinta en ili, estus droniginta min en perdegon kaj detruon.

KRIS. Kiaj aferoj ili estis?

ESPER. Ĉiuj la trezoroj kaj riĉaĵoj de l' mondo. Ankaŭ mi ĝuegis manĝegadon, trofestenadon, la drinkadon, la blasfemadon, la mensogadon, la diboĉadon, malrespekton je la dimanĉo, kaj tiel plu, kiuj estas detruigemaj rilate al la animo. Sed mi fine trovis, per la aŭskultado kaj pripensado pri diecaj aferoj, kiujn, ja, mi aŭdis per vi, kaj ankaŭ per amita Fidelulo, kiun oni mortigis pro lia fido kaj bona vivado, en Vaneca Foiro,—mi trovis, "ke la fino de tiuj ĉi aferoj estas la morto"; kaj, ke "pro tiuj ĉi aferoj la kolerego de Dio venos sur la filojn de la malobeo."

KRIS. Kaj ĉu vi tuj submetiĝis sub la potenco de tiu ĉi konvinko?

ESPER. Ne, mi ne volis tuj scii la malbonecon de la peko, nek la elkondamno, kiu sekvas post la farado de ĝi, sed penis, kiam mia spirito unue skuiĝis per la sankta vorto, fermi la okulojn kontraŭ la lumo de ĝi.

KRIS. Sed kio estis la kaŭzo de tia via konduto rilate al la unuaj laboroj de la feliĉega Spirito de Dio sur vin?

ESPER. La kaŭzoj estis—Unue, mi nesciis, ke tio estis la laboro de Dio sur min. Mi neniel pensis, ke, per veko pri la peko, Dio unue komencas la konverton de l' pekulo. Due, La peko estis

ankoraŭ tre dolĉa al mia karno, kaj mi apenaŭ volis forlasi ĝin. Trie, Mi ne povis decidi kiel forlasi miajn malnovajn kunulojn, kies ĉeesto kaj agoj estas tiel dezirindaj. Kvare, La horoj kiam konvinkoj survenis min estis tiel ĝenaj kaj kortimigaj horoj, ke mi ne povis elporti eĉ ilian memoron en mia koro.

KRIS. Ŝajnas, do, ke kelkafoje vi liberigis vin de via malĝojo ?

ESPER. Jes, vere ; sed ĝi revenis en mian spiriton, kaj tiam mi estis tiel malbona—ne, pli malbona—ol antaŭe.

KRIS. Nu, kio realportis viajn pekojn en vian spiriton ?

ESPER. Multaj aferoj ; ekzemple :—

1e. Se mi nur renkontis bonan homon sur la strato ; aŭ,

2e. Se oni legis el la Biblio ; aŭ,

3e. Se mi havis kapdoloron ; aŭ,

4e. Se oni raportis pri la malsano de najbaro ; aŭ,

5e. Se la sonorilo sonoris el la preĝeja turo por anonci la morton de iu ; aŭ,

6e. Se mi pensis pri mia propra morto ; aŭ,

7e. Se mi aŭdis pri la subita morto de alia ;

8e. Sed precipe kiam mi pensis, ke mi mem devas baldaŭ veni al la juĝado.

KRIS. Kaj ĉu vi povis iam ajn facile forigu la kulpon de pekado, kiam ĝi en ia el la diritaj manieroj survenis vin ?

ESPER. Kredeble ne ; ĉar tiuokaze ili pli forte tenis mian konsciencon. Kaj tiam, se mi nur pensis pri reiro ĝis pekado (kvankam mia spirito sin kontraŭmetis kontraŭ ĝi) estis duobla turmento al mi.

KRIS. Kaj kion vi tiam faris ?

ESPER. Mi pensis, ke mi devas penadi por plibonigi mian konduton ; alie, mi pensis, mi certe estos elkondamnita.

KRIS. Kaj ĉu vi penadis pliboniĝi ?

ESPER. Jes ; kaj forkuris ne nur de miaj pekoj, sed de pekema societo ankaŭ, kaj metis min al religiaj devoj, kiel la preĝado, la legado, la plorado pro pekado, vera parolado al miaj najbaroj, k.t.p. Tiujn ĉi aferojn mi faris, kune kun multe da aliaj, tro multe por rakonti.

KRIS. Kaj ĉu vi tiam pensis, ke vi estas bona.

ESPER. Jes, dum iom da tempo ; sed fine mia malĝojo revenis ĉe min, kaj tio tuj post miaj pliboniĝoj.

KRIS. Kiel tio okazis, tiam, kiam vi estis reforminta vin ?

ESPER. Kelkaj aferoj alportis ĝin al mi, precipe tiaj diroj kiaj tiuj ĉi, "Ĉio nia justeco estas kiel malpuraj ĉifonoj." "Per faroj laŭ la leĝo nenia homo estos pravigita." "Kiam vi estos farintaj

ĉiujn, tiujn ĉi aferojn, diru, ni estas neprofitaj"; kune kun multe da similaj. De kio mi komencis argumenti kun mi tiamaniere—Se miaj tutaj justfaroj similas al malpuraj ĉifonoj; se per la laŭleĝaj faroj neniu povas esti pravigita; kaj se post la farado de la tuto ni restos ankoraŭ neprofitaj—en tiu okazo estas nur malsaĝeco pensi pri la atingo de l' ĉielo per la leĝo. Mi pensis plie tiel—Se iu farus ŝuldon ĝis cento da livroj sterlingaj ĉe la butikisto, kaj poste pagus por ĉiu nova aĉetaĵo, tamen se la malnova ŝuldo restus en la libro nekvitancita, la butikisto povus procesi kontraŭ lin, kaj malliberigi lin ĝis la pago de l' ŝuldo.

KRIS. Nu, kaj kiel vi aplikis tion ĉi al vi?

ESPER. Mi tiel pensis pri mia stato—Mi per mia pekado metis grandan ŝuldon en la libron de Dio, kaj mia nun reformacio neniel elpagos tiun ŝuldon; tial mi devas ankoraŭ pripensi, inter ĉiuj miaj nunaj pliboniĝoj, kiel mi povos min liberigi el tiu elkondamno, en danĝeron de kio mi enkondukis min per miaj antaŭaj pekoj?

KRIS. Tre bona aplikado; sed daŭrigu, mi petas.

ESPER. Alia afero, kiu malĝojigadis min, eĉ de mia lasta reformado, estas tio, ke se mi zorge ekzamenas la plej bonajn el miaj nunaj faroj, mi ankoraŭ vidas pekadon, novan pekadon, kunmiksantan sin kun la plej bonaj faroj miaj; tial mi estas devigata konkludi, ke malgraŭ miaj antaŭaj memflatemaj pensoj pri mi mem kaj miaj faritaj devoj, mi estas farinta sufiĉe da pekoj rilate al nur unu devo, por ke mi meritu esti sendita en la inferon, kvankam mia antaŭa vivado estus senpeka.

KRIS. Kaj kion faris vi poste?

ESPER. Faris? Mi ne sciis kion fari, ĝis mi malfermis mian spiriton al Fidelulo, ĉar li kaj mi estis bonaj konatuloj; kaj li diris al mi, ke esceptinte mi povus ricevi la justecon de homo kiu neniam pekis, nek mia propra justeco nek tiu de la tuta mondo povus min savi.

KRIS. Kaj ĉu vi pensis, ke li diris la veron?

ESPER. Se li estus tiel dirinta kiam miaj pliboniĝoj plaĉis kaj kontentigis min, mi estus nominta lin malsaĝulo kiel pago por liaj penadoj; sed nun, ĉar mi vidas mian propran malfortecon, kaj la pekemon, kiu sin alligas al miaj plej bonaj faroj, mi estas devigata partopreni lian opinion.

KRIS. Sed ĉu vi pensis, kiam li unue sugestis ĝin al vi, ke oni povus trovi tian homon, pri kiu oni juste povus diri, ke li neniam pekis?

ESPER. Mi devas konfesi, ke unue la vortoj strange sonis; sed post iom pli da interparolado kun li mi estas tute konvinkita pri ĝi.

KRIS. Kaj ĉu vi petis de li kian homon tiu ĉi estas, kaj kiel vi povas esti justigita per Li ?

ESPER. Jes ; kaj li diris al mi, ke ĝi estas la Sinjoro Jesuo, kiu loĝas ĉe l' dekstra mano de l' Plejaltulo. Kaj tiel, diris li, vi devas esti rajtigita de Li, eĉ per konfidado je tio, kion Li mem faris je l' tagoj de sia enkarniĝo, kaj suferis, kiam Li pendis de l' arbo. Mi plie demandis lin, kiamaniere la justeco de tiu homo povis havi tian efikecon, kia justigos alian antaŭ Dio ? Kaj al mi li respondis, ke Li estas la fortega Dio, kaj faris tion, kion Li faris, kaj spertis la morton ankaŭ, ne pro Si, sed pro mi ; al kiu oni alkalkulus Liajn farojn, kaj ilian indon, se nur mi kredus je Li.

KRIS. Kaj kion faris vi je tio ?

ESPER. Mi faris kontraŭparolojn kontraŭ la eblecon de mia fido, precipe pro tio, ke laŭ mia penso Li ne volas min savi.

KRIS. Kaj je tio, kion respondis Fidelulo al vi ?

ESPER. Li konsilis, ke mi al Li iru, kaj vidu. Tiam mi diris, ke estas tromemfido, tion fari. Li respondis—Ne ; ĉar oni invitis min veni. Tiam li donis al mi libron, skribitan de Jesuo, por plikuraĝigi min veni ; kaj li diris pri tiu libro, ke ĉia litereto kaj punkto de ĝi staras pli firme ol la ĉielo kaj la tero. Tiam demandis mi al li, kion mi devos fari kiam mi estos veninta ? kaj li respondis, ke mi devas petegi surgenue, kun la tuta koro kaj animo, la Patron, ke Li montru Lin al mi. Tiam mi demandis lin plie, kiamaniere mi devas fari al Li miajn petegojn ? Kaj li diris—Iru, kaj ci Lin trovos sur favorsidejo, kie Li sidadas la tutan tagon por doni pardonon plenan al la venintoj. Mi diris al li, ke mi ne scias kion diri kiam mi estos veninta. Kaj li diris al mi, ke mi diru laŭ la jena senco—" Dio estu pardonema al mi, pekulo ! kaj faru ke mi konu kaj kredu en Jesuo Kristo ; ĉar mi vidas, ke se ne ekzistus Lia justeco, aŭ se mankus mia fido je tiu justeco, mi tute estus perdita. Sinjoro, mi aŭdis, ke Ci estas kompatema Dio, Kiu ordonis, ke Cia Filo, Jesuo Kristo, estu la Savinto de l' mondo ; kaj plie, ke Ci volonte donacos Lin al tiel kompatinda pekulo kiel mi estas—kaj mi ja estas tia ! Sinjoro, prenu, do, tiun ĉi okazon, kaj pligrandigu Cian favoron nemerititan per la savado de mia animo, pro Cia Filo, Jesuo Kristo. Amen."

KRIS. Kaj ĉu vi faris laŭ la konsilo ?

ESPER. Jes ; refoje, kaj refoje, kaj refoje.

KRIS. Kaj ĉu la Patro montris al vi la Filon ?

ESPER. Ne ; nek unue, nek due, nek trie, nek kvare, nek kvine ; ne, nek ankaŭ je la sesa fojo.

KRIS. Kion, do, vi faris ?

ESPER. Kion ! nu, mi ne sciis kion fari.

KRIS. Ĉu vi ne havis pensojn ĉesi la preĝadon?

ESPER. Jes, duoble centfoje.

KRIS. Kaj kial vi ne tion faris?

ESPER. Mi kredis, ke tio estas vera, kion oni diris al mi,—nome, ke sen la justeco de tiu ĉi Kristo, la tuta mondo ne povos min savi; kaj tial, mi pensis en mi, ke se mi ĉesos, mi pereos; kaj mi nur povas perei ĉe l' trono de la favoro. Kaj je tio ekiris en mian spiriton, "Kvankam ĝi malfruus, atendu ĝin, ĉar ĝi certe venos, ĝi ne prokrastos." Tiel mi daŭrigadis la preĝadon ĝis kiam la Patro montris al mi Sian Filon.

KRIS. Kaj kiamaniere oni montris Lin al vi?

ESPER. Mi ne vidis Lin per la korpaj okuloj, sed per la okuloj de la animo. Kaj tiel tio okazis—Unu tagon mi estas tre malgaja, mi kredas pli malgaja ol je alia fojo ajn de mia vivo; kaj tiun ĉi malgajecon inspiris freŝa vido de la grandeco kaj malbonegeco de miaj pekoj; kaj dum mi atendis nur la inferon kaj la eternan elkondamnon de mia animo, subite, kiel mi kredis, mi vidis la Sinjoron Jesuon, rigardantan malsupren el la Ĉielo sur min, kaj dirantan, "Kredu en la Sinjoro Jesuo Kristo, kaj ci estos savita."

Sed mi respondis, Sinjoro, mi estas granda, tre granda pekulo! Kaj Li respondis—"Mia favoro sufiĉas por ci." Tiam diris mi, Sed, Sinjoro, kio estas la kredado? Kaj tiam mi vidis el tiu diro—"Tiu, kiu venos al mi neniam malsatos, kaj tiu, kiu kredos sur min neniam soifos"—ke la kredado kaj la venado estas tute la sama afero; kaj ke tiu, kiu venas, tio estas, kiu elkuras per la koro kaj per la deziroj por la savo per Kristo, li ja kredas Kriston. Tiam staris la larmoj en miaj okuloj; kaj mi demandis plie—Sed, Sinjoro, ĉu tiel granda pekulo kiel mi povas esti akceptata de Ci, kaj savata de Ci? Kaj mi aŭdis Lin respondantan—"Kaj tiu, kiu venos al Mi, Mi neniel ajn forĵetos." Tiam diris mi—Sed kiamaniere, Sinjoro, mi devas pripensi pri Ci kiam mi venas al Ci—por ke mia fido estu ĝuste surmetita sur Cin? Tiam Li diris—"Kristo Jesuo envenis en la mondon por savi pekulojn." "Li estas la plenumo de la leĝo por justeco rilate al ĉiu, kiu kredas." "Li mortis pro niaj pekoj, kaj sin relevis por nia justigo." "Li nin amis, kaj ellavis nin de niaj pekadoj en sia propra sango." "Li estas Perulo inter Dio kaj ni." "Li ĉiam vivas por propetadi por ni." El ĉio tio, mi konkludis, ke mi devas serĉi por justeco en Lian personon, kaj por pago por miaj pekoj en Lian sangon; vidante, ke tio, kion Li faris obeante la leĝon de sia Patro, kaj submetante sin je la puno de tio, ne estis por Li mem, sed pro tiu, kiu volas akcepti ĝin dankeme por sia savo. Kaj nun mia koro pleniĝis de ĝojo, miaj

okuloj estis plenaj je larmoj, kaj miaj sentoj surfluantaj per amo al la nomo, la popolo, kaj la faroj kaj konsiloj de Jesuo Kristo.

Kris. Tio ĉi estas ja elmontro de Kristo al via animo! Sed diru al mi precipe, kian efikon tio ĉi faris sur vian spiriton?

Esper. Ĝi vidigis min, ke la tuta mondo, spite ĝia justeco, estas en kondamninda stato. Ĝi vidigis min, ke Dio la Patro, kvankam Li estas justa, povas justigi la venintan pekulon. Tio tre hontigis min pri la malbonegeco de mia antaŭa vivado, kaj konfuzigis min per la sento de mia propra nesciado; ĉar mi neniam ĝis tiam havis en la koro penson ajn, kiu tiel klare elmontris al mi la belecon de Jesuo Kristo. Tio kaŭzis min ami sanktan vivadon, kaj sopiri por ion fari pro la honoro kaj gloro de la nomo de la Sinjoro Jesuo; vere, mi pensis, ke se mi posedus mil galoniojn da sango en mia korpo, mi elverŝus la tuton pro la Sinjoro Jesuo.

Mi post tio vidis en mia sonĝo, ke Esperemo rigardis malantaŭen, kaj vidis Nescion, kiun ili estas forlasinta malantaŭe, sekvantan. Rigardu, diras Esperemo al Kristano, kiel malproksime tiu junulo malrapidas malantaŭe!

Kris. Jes, jes, mi lin vidas; li ne ŝatas nian societon.

Esper. Sed mi kredas, ke li ne estus suferinta malbonon, se li estus ĝis nun kunpaŝinta kun ni.

Kris. Estas vere; sed mi garantias ke li pensas alie.

Esper. Tion mi pensas ke li faras; sed tamen, ni haltu por li. Tiel ili tion faris.

Tiam Kristano diras al li, Alvenu, homo; kial vi tiel restas malantaŭe!

Nescio. Mi prenas mian plezuron irante sola, eĉ multe pli ol societe, escepte kiam mi pli ŝatas ian societon.

Tiam diris Kristano al Esperemo (sed mallaŭte), Ĉu mi ne diris al vi, ke li ne ŝatas nian societon? sed, tamen, diras li, ni ĝisvenu kaj pasigu la tempon per interparolado en tiu ĉi neloĝita loko. Tiam direktante sian parolon al Nescio, li diras, Nu, kiel vi statas; kiel staras aferoj inter Dio kaj animo via nun?

Nescio. Mi pensas, bone; ĉar mi estas ĉiam plena je bonaj movoj, kiuj venas en mian spiriton por komforti min dum la marŝado.

Kris. Kiaj bonaj movoj? Diru al ni, mi petas.

Nescio. Nu, mi pensas pri Dio kaj la Ĉielo.

Kris. Tiel faras la diabloj kaj elkondamnitaj animoj.

Nescio. Sed mi pensas pri ili kaj deziras ilin.

Kris. Tiel same faras multaj, kiuj neniam verŝajne venos tien. "La animo de la dormemulo deziras, kaj nenion havas."

Nescio. Sed mi pensas pri ili, kaj ĉion forlasas pro ili.

KRIS. Tion mi dubas; ĉar ĉion forlasi estas tre malfacila afero, jes, pli malfacila ol multaj scias. Sed kial, aŭ per kio, ci estas konvinkita, ke ci ĉion estas forlasinta pro Dio kaj la Ĉielo?

NESCIO. Mia koro tiel diras al mi.

KRIS. La saĝulo diras, "Tiu, kiu konfidas en sia propra koro estas malsaĝulo."

NESCIO. Oni tion diras pri malbona koro, sed la mia estas bona tia.

KRIS. Sed kiel ci pruvas tion?

NESCIO. Ĝi komfortas min per espero pri la ĉielo.

KRIS. Tio povas esti el ĝia trompeco; ĉar la koro de la homo povas servi komforton al ĝi, esperante pri tio, por kio li ne prave esperas.

NESCIO. Sed mia koro kaj vivado kunkonsentas—kaj tial mia espero estas bone fondita.

KRIS. Kiu diris al ci, ke cia koro kaj vivado kunkonsentas?

NESCIO. Mia koro tion diras al mi.

KRIS. Demandu mian proksimulon ĉu mi estas ŝtelisto? Cia koro tion diras al ci! Escepte ke la parolo de Dio atestu en tiu ĉi afero, alia atesto ajn estas senvalora.

NESCIO. Sed ĉu tiu ne estas bona koro, kiu entenas bonajn pensojn? Kaj ĉu tiu ne estas bona vivado, kiu estas laŭ la ordonoj de Dio?

KRIS. Jes; tio estas bona koro, kio havas bonajn pensojn, kaj tio estas bona vivado, kio estas laŭ la Diaj ordonoj; sed havi tiujn ĉi estas unu afero, kaj tute alia nur pensi ke oni havas ilin.

NESCIO. Kiujn, mi petas, vi kalkulas esti bonaj pensoj kaj vivado laŭ la ordonoj de Dio?

KRIS. Estas bonaj pensoj de diferencaj specoj; kelkaj rilate al ni; kelkaj pri Dio; kelkaj pri Kristo; kaj kelkaj pri aliaj aferoj.

NESCIO. Kiaj estas bonaj pensoj rilate al ni mem?

KRIS. Tiaj kiaj konsentas kun la parolo de Dio.

NESCIO. Kiam, do, niaj pensoj pri ni konsentas kun la parolo de Dio?

KRIS. Kiam ni faras la saman juĝon rilate al ni, kiun faras la parolo. Por klarigi mian diron: la parolo de Dio diras pri homoj en natura stato, "Estas neniu justa, neniu kiu faras la bonon." Ĝi diras ankaŭ, "Ke ĉia imago de la homa koro estas nur malbona, kaj tio senĉese." Kaj plie, "La imagado de la homa koro estas malbona de ĝia juneco."

Nu, do, kiam ni tiel pensas pri ni—sentante tion—tiam ĉiuj niaj pensoj estas bonaj, pro tio, ke ili estas laŭ la parolo de Dio.

NESCIO. Mi neniam kredos, ke mia koro estas tiel malbona.

Kris. Tial ci neniam posedis unu bonan penson pri ci mem dum cia tuta vivo. Sed permesu, ke mi daŭrigu. Kiel la parolo faras juĝon pri niaj koroj, samamaniere ĝi faras juĝon pri niaj faroj; kaj kiam la pensoj pri niaj koroj kaj faroj konsentas kun la juĝo farita de la parolo pri ambaŭ, tiam estas ambaŭ bonaj, tial ke ili interkonsentas.

Nescio. Klarigu vian signifon.

Kris. Nu, la parolo de Dio diras, ke "la faroj de la homo estas malrektaj faroj"—ne bonaj, sed kontraŭemaj. Ĝi diras, ke ili estas nature for de la bona vojo, kaj ke ili ne estas konintaj ĝin! Nu, kiam homo tiel pensas pri siaj faroj—mi ripetas, ke kiam li saĝe kaj kun korhumileco tiel pensadas, tiam li havas bonajn pensojn pri siaj propraj faroj, ĉar liaj pensoj nun konsentas kun la juĝo de la parolo de Dio.

Nescio. Kiaj estas bonaj pensoj rilate al Dio?

Kris. Eĉ laŭ tio, kion mi diris pri ni mem, kiam niaj pensoj konsentas kun tio, kion diras la parolo pri Li; kaj tio okazas kiam ni pensadas pri Lia ekzisto kaj ecoj kiel instruas la parolo; pri kio mi ne povas nun pli longe paroli. Sed por paroli pri Li rilate al ni: ni tiam havas pravajn pensojn pri Dio kiam ni pensas, ke Li pli bone konas nin ol ni konas nin mem, kaj ke Li povas vidi la pekon en ni kiam kaj kie ni povas vidi nenian en ni; kiam ni pensas, ke Li konas niajn plej internajn pensojn, kaj ke nia koro, kun ĉiuj ĝiaj profundaĵoj, estas ĉiam malfermita sub Liaj okuloj; ankaŭ kiam ni pensas, ke ĉio nia justeco malbonodoras en Liajn naztruojn, kaj ke Li tial ne povas toleri ke ni staru antaŭ Li en ia konfido ajn eĉ pri la tuto de niaj plej bonaj faroj.

Nescio. Ĉu vi supozas, ke mi estas tia malsaĝulo kiel pensi, ke Dio ne povas vidi pli malproksimen ol mi? aŭ ke mi volus veni al Dio en la plej bonaj el miaj faroj?

Kris. Nu, kiel pensas ci pri tiu ĉi afero?

Nescio. Nu, por esti mallonge, mi pensas, ke mi devas kredi en Jesuo Kristo por justiĝado.

Kris. Kiel! Pensi, ke ci devas kredi en Kristo, kiam ci ne vidas cian bezonon de Li? Ci vidas nek ciajn originalajn nek ciajn nunajn malfortecojn, sed ci tiel opinias pri ci mem kaj pri tio, kion ci faradas, ke ci estas klare elmontrita kiel tiu, kiu neniam jam vidis la necesecon de la persona justeco de Kristo por justigi cin antaŭ Dio. Kiel, do, ci povas diri, Mi kredas en Kristo?

Nescio. Mi sufiĉe bone kredas spite ĉio.

Kris. Kiel ci kredas?

Nescio. Mi kredas, ke Kristo mortis pro pekuloj; kaj ke mi estos justigita antaŭ Dio rilate al la malbeno, per Lia favora akcepto

de mia obeemo al Lia leĝo. Aŭ alivorte, Kristo faras, ke miaj religiaj faritaj devoj estu akceptindaj de Lia Patro laŭ la forto de Liaj meritoj; kaj tiamaniere mi estos justigita.

Kris. Permesu, ke mi donu respondon al tiu ĉi konfeso de cia fido:—

1e. Ci kredas per fantazia fido; ĉar tiu ĉi fido estas nenie priskribita en la parolo.

2e. Ci kredas per falsa fido, ĉar ĝi disigas justigadon de la persona justeco de Kristo, kaj almetas ĝin al cia propra justeco.

3e. Tiu ĉi fido faras el Kristo, ne justiganton de cia persono sed de ciaj faroj; kaj de cia persono pro ciaj faroj, kio estas falsa.

4e. Tial tiu ĉi fido estas trompiga, eĉ tia, kia lasos cin sub koleregо en la tago de Dio Ĉiopova. Ĉar vera justiga fido decidigas la animon, kiel sentema pri ĝia perdita stato laŭ la leĝo, forkuri por rifuĝo al la justeco de Kristo—kies justeco ne estas ago de favoro, per kiu, por justigo, li akceptigas cian obeon de Dio, sed Lia persona obeo laŭleĝa, farinte kaj suferinte pro ni tion, kion la leĝo postulis de niaj manoj. Tiun ĉi justecon, mi ripetas, vera fido akceptas; sub kies robo la animo, estante ŝirmita, kaj per ĝi prezentita kiel senmakula antaŭ Dio, estas akceptita kaj kvitancita el la kondamno

Nescio. Vere! Ĉu vi konsilus, ke ni konfidu je tio, kion Kristo en sia propra persono faris sen ni! Tiu ĉi neracia ideo ellasus la kondukilojn de niaj avidecoj kaj permesus, ke ni vivadu laŭvole. Ĉar ĉu estas grava nia kondutado ajn, se ni povas esti justigita per la persona justeco de Kristo pri ĉio, sole ĉar ni kredas tion?

Kris. Nescio estas cia nomo, kaj kiel estas cia nomo tiel estas ci; eĉ tiu ĉi cia respondo elmontras, kion mi diras. Nescianta ci estas pri tio, en kio konsistas justiga justeco, kaj same nescianta kiel asekuri cian animon per ĝia fido kontraŭ la peza koleregо de Dio. Ci ja nescias pri la vera efiko de saviga fido en tiu ĉi justeco de Kristo; kiu kuŝas en tio ĉi—kurbiĝi, kaj elgajni la koron al Dio en Kristo, igi ĝin ami Lian nomon, Lian parolon, farojn kaj popolon; kaj ne agi tiel, kiel ci nescie imagas.

Esper. Demandu al li ĉu oni iam ajn malkaŝis Kriston al li el la ĉielo?

Nescio. Vere! vi estas ŝatulo de malkasajoj!* Mi certe kredas, ke tio, kion kaj vi kaj la ceteraj el viaj samideanoj diras pri tiu afero estas nur la fruktoj de konfuzitaj cerboj.

Esperemo. Sciu, homo! Kristo estas tiel kaŝita en Dio kontraŭ la naturaj ekkomprenoj de la karno, ke Li ne povas esti savece konata per homo ajn, escepte ke Dio La Patro Lin elmontru al tiu.

NESCIO. Tio estas via fido, sed ne la mia; tamen mia, mi ne dubas, estas tiel bona kiel via, kvankam mia kapo ne havas tiel multe da fantaziaĵoj kiel via.

KRIS. Permesu, ke mi enmetu unu parolon; decas, ke vi ne tiel malrespekte parolu pri tiu ĉi afero; ĉar tion ĉi mi maltime certigas, eĉ kiel faris mia kunvojaĝanto, ke neniu povas koni Jesuon Kriston escepte per la elmontrado farita de la Patro; jes, kaj fido, ankaŭ, per kiu la animo elprenas Kriston, se tiu fido estu vera, devas esti farita per la grandegeco de Lia potencego; la funkciadon de kiu fido, mi ekvidas, kompatinda Nescio, ci nescias. Vekiĝu, do; rigardu cian mizeron, kaj forkuri al la Sinjoro Jesuo; kaj per Lia justeco, kiu estas la Dia justeco (ĉar Li mem estas Dio) oni estos liberigita el la kondamno.

NESCIO. Vi iras tiel rapide, ke mi ne povas egalpaŝi kun vi; vi antaŭeniru; mi devas resti iom malantaŭe. Tiam diris ili—

Malsaĝa ĉu Nescio ĉiam volas?
Dekfoje bonkonsilo cin parolas;
Sed se persiste ci al ĝi surdiĝos,
Baldaŭ malbono ĉe ci ja troviĝos;
Memoru ĝustatempe, bone cedu;
Savas konsilo bona, tial aŭdu.
Malakceptonte ĝin, ho ve, pro tio,
Ci estos malgajnanto ja Nescio!

Tiam sin turnante al sia kunulo, Kristano diras—Nu, venu bona Esperemo mia, mi ekvidas, ke ci kaj mi devas kuniri solaj unufoje plu.

---

## ĈAPITRO 18a.

*Oni parolas pri unu Nedaŭro, kaj poste la pilgrimantoj eniras la dolĉan landon de Beŭlo, kaj atingas la riveron kontraŭ la Ĉiela kaj Ora Urbo.—Ili eniras la riveron.*

TIEL mi vidis en mia sonĝo, ke ili rapidis antaŭen, kaj Nescio lame ilin sekvis. Tiam diris Kristano al sia kunulo—Mi sincere kompatas tiun ĉi homon; certe okazos malbone ĉe li en la fino.

ESPER. Ho ve! sin trovas multego da similaj en nia propra urbo en lia stato; tutaj familioj, jes, tutaj stratoj, kaj tiuj pilgrimantaj ankaŭ; kaj se ekzistas tiel multaj en niaj lokoj, kiel multaj, vi pensas, devas esti en lia naskiĝloko?

KRIS. La parolo ja diras, "Li blindigis iliajn okulojn, por ke ili

ne vidu," k.c. Sed nun kiam ni estas solaj, kion vi pensas pri tiaj homoj ? Ĉu ili neniam havas konvinkojn pri la pekado, kaj sekve timojn, ke ilia stato estas danĝera ?

Esper. Ne, vi respondu mem al la demando, ĉar vi estas la pli maljuna.

Kris. Mi, do, diras ke kelkafoje, kiel mi pensas, ili eble havas konvinkojn ; sed estantaj nature nesciemaj, ili ne komprenas, ke tiaj konvinkoj emas al ilia bono ; kaj tial ili fortege penas tiajn sufoki, kaj tromemfide daŭrigi la memflatadon laŭ la elekto de iliaj propraj koroj.

Esper. Mi ja kredas, laŭ via diro, ke la timo emas multe al la bono de la homoj, kaj helpas direkti ilin kiam ili ekpilgrimas.

Kris. Sen ĉia dubo ajn tiel okazas, se tiu timo estas bona ; ĉar tiel diras la parolo—" La timo al la Sinjoro estas la komenco de la saĝeco."

Esper. Kiel priskribus vi la bonan timon ?

Kris. La vera aŭ prava timo sin montras per tri aferoj. (1e). Per ĝia deveno ; ĝi estas kaŭzita per savecaj konvinkoj pri la peko. (2e). Ĝi devigas la animon preni firme per la mano Kriston, por ĝin savi. (3e). Ĝi naskigas kaj daŭrigas en la animo riverencegon al Dio, al Lia parolo kaj faroj, konservas ĝin mola, kaj igas ĝin timi la flankiĝadon de ili aŭ dekstre aŭ maldekstre al io ajn kio malhonorus Dion, rompus ĝian pacon, malĝojigus la Spiriton, aŭ kaŭzus malamikon riproĉe paroli.

Esper. Bone esprimite ; mi kredas, ke vi parolis la veron. Ĉu ni nun estas preskaŭ transirintaj la Ensorĉitan Teron ?

Kris. Nu, ĉu vi laciĝas pri tiu ĉi interparolado ?

Esper. Ne, vere, sed nur mi deziris scii, kie ni nun estas.

Kris. Ni ne devas iri sur ĝi pli ol du mejlojn plu. Sed ni revenu ĝis nia afero. Nu, la nesciantoj ne scias, ke tiaj konvinkoj kiaj emas timigi ilin estas por ilia bono, kaj tial ili penas tiajn sufoki.

Esper. Kiamaniere ili penas ilin sufoki ?

Kris. (1e). Ili supozas, ke tiaj timoj estas faritaj de la diablo, kvankam ili ja estas farataj de Dio ; kaj tiel pensante, ili kontraŭstaras ilin, kiel aferojn, kiuj emas al ilia renverso. (2e). Ili ankaŭ kredas, ke tiuj ĉi timoj estas difektigemaj rilate al ilia fido, kiam, ho ve por tiuj ĉi kompatinduloj ! ili posedas nenian fidon ; kaj sekve ili malmoligas la koron kontraŭ la timoj. (3e). Ili supozas, ke oni ne devas timi, kaj tial malgraŭ tiuj timoj, ili fariĝas arogante tromem fidaj. (4e). Ili vidas, ke tiuj timoj emas depreni de ili ilian antaŭan malestimindan memsanktecon, kaj pro tio ili kontraŭstaras ilin per sia tuta forto.

ESPER. Mi mem iom scias pri tio ĉi; ĉar antaŭ ol mi ekkonis min, same okazis ĉe mi.

KRIS. Nu, ni nun lasu nian najbaron Nescion sola, kaj turnu nin al alia profita demando.

ESPER. Tutkore, sed ankoraŭ vi komencu.

KRIS. Bone; ĉu vi konis, antaŭ ĉirkaŭ dekjaro, unu Nedaŭron en via ĉirkaŭaĵo, kiu tiam estis antaŭiranta religiulo?

ESPER. Lin konis! jes; li loĝis en Senfavoro, urbo malproksime du mejlojn de Honesteco, kaj lia domo estis la plej proksima al Malantaŭeniro.

KRIS. Prave; ili kunloĝis sub la sama tegmento. Nu, tiu homo iam estis tre vekita; mi pensas, ke en tiu tempo li iom vidis pekadojn siajn kaj la salajron, kiun oni ŝuldis al li pro tio.

ESPER. Mi same pensas, ĉar pro tio, ke mia domo ne estis pli malproksime ol tri mejlojn, li ofte venis al mi kaj tre ploreme. Vere mi kompatis la homon, kaj ne tute estis sen espero rilate al li; sed oni povas vidi, ke ne daŭras ĉiu, kiu krias, Sinjoro, Sinjoro!

KRIS. Unufoje li diris al mi, ke li estas decidita pilgrimi, kiel ni nun faras; sed subite li konatiĝis kun homo nomita Memsavulo, kaj poste li fremduliĝis je mi.

ESPER. Nu, ĉar ni interparoladas pri li, ni faru enketon en la kaŭzon de la subita malantaŭenglitado de li kaj similaj.

KRIS. Tio povus esti tre profita; sed vi komencu.

ESPER. Nu, laŭ mia opinio estas kvar motivoj por tio:—

1e. Kvankam la konsciencoj de tiaj homoj estas vekitaj, tamen ne okazas ŝanĝon de celo; tial kiam la teruro de kulpeco grade malaperas, tio, kio religiigis ilin ĉesas. Tial ili nature sin returnas al sia kutima vivmaniero, same kiel ni vidas, ke dum ĝi malsanas pro tio, kion ĝi manĝis, la hundo vomadas la tuton. Ne vere, ke ĝi tion faras memvole—se ja hundo posedas libervolon—sed nur ĉar la manĝaĵo ĝenas la stomakon; sed nun, la malsano fininte, kaj la stomako estante malŝarĝita, ĉar ĝiaj deziroj tute ne estas deturnitaj de la vomaĵo, ĝi sin returnas kaj englutas la tuton; kaj tiel estas vera la skribaĵo, "La hundo sin returnas al sia vomaĵo." Tiel, mi diras, ĉar tiaj homoj estas varmegaj al la Ĉielo, nur pro la sentado kaj timo pri la turmentoj de la infero—same kiel la sentado de tiaj homoj pri la infero kaj timoj pri elkondamno malvarmiĝas, tiel ankaŭ iliaj deziroj por la Ĉielo kaj savo malvarmiĝas ankaŭ—tiel okazas, ke kiam malaperas ilia kulpeco kaj timo, iliaj deziroj pri la ĉielo kaj feliĉo mortas, kaj ili reiras al sia antaŭa vivmaniero.

2e. Alia kaŭzo estas, ke ili havas sklavecajn timojn, kiuj ilin elvenkas. Mi parolas nun pri la timoj, kiujn ili havas rilate

al la homo, ĉar "la timo al la homo alportas kaptilon." Tial kvankam ili ŝajnas esti varmegaj al la ĉielo tiel longe kiel la flamoj de l' infero ĉirkaŭas la orelojn, tamen kiam la teruro ekforpasas, ili sin turnas al duaj pensoj—nome, ke estas bone esti saĝe, kaj ne riski (pro tio, kion ili ne scias) la perdon de ĉio, aŭ almenaŭ la eniron en eviteblajn kaj nenecesajn ĉagrenojn; kaj tiamaniere ili rekutimiĝas kun la mondo.

3e La honto kiu akompanas la religion kuŝas ankaŭ kiel barilo en ilia vojo; ili estas fieraj kaj arogantaj, kaj la religio, laŭ ilia vido, estas malalta kaj malestiminda; tial kiam ili perdas la senton de la infero kaj de la venonta kolerego, ili returnas sin al sia antaŭa vivmaniero.

4e. La kulpeco, kaj pensado pri teruroj, estas malĝojigaj ĉe ili; ili ne ŝatas antaŭvidi sian mizeron antaŭ ol ili atingas ĝin; kvankam eble unua vido de tio, se nur ili ŝatus tiun vidon, povus kurigi ilin tien, kien la justuloj kuras kaj estas pro tio for de la danĝero; sed ĉar, kiel mi antaŭe sugestis, ili eĉ evitas la pensadon pri la kulpeco kaj la teruro, tial tuj kiam ili liberigas sin de sia vekiĝo pri la teruroj kaj kolerego de Dio, ili ĝoje malmoligas la koron, kaj elektas tiajn farojn, kiaj malmoligos ilin pli kaj pli.

Kris. Vi preskaŭ trafas la celon, ĉar la fundo de l' afero kuŝas en tio, ke mankas ŝanĝo en ilia celo kaj volo. Kaj tial ili similas krimulon kiu staras antaŭ la juĝisto. Tiu skuas kaj tremas kaj ŝajnas penti el la koro; sed la fundo estas en tio, la timo pri la pendŝnuro. Ne estas, ke li sentas malamon kontraŭ la kulpo, ĉar estas evidente, ke se la homo nur havus sian liberecon, li estus ŝtelisto kaj tial fripono ankoraŭ; kontraŭe se lia celo ŝanĝiĝus, li estus aliulo.

Esper. Nun ke mi estas montrita al vi la kaŭzojn de ilia reirado, vi montru al mi la manieron de tio.

Kris. Tion mi volonte faros.—1e. Ili kiel eble detiras siajn pensojn pri la memoriĝo de Dio, pri la morto kaj la venonta juĝado. 2e. Poste ili grade forĵetas privatajn devojn, tiajn kiaj la ĉambretan preĝadon, la regadon de la avidecoj, la animozorgadon, la malĝojon pri la pekado, kaj similajn. 3e. Poste ili evitas la societon de viglaj kaj varmaj Kristanoj. 4e. Poste ili malvarmiĝas pri la publika devo, nome, la aŭdado, la legado, la sankta interparolado kaj similaj. 5e. Poste ili ekfaras truojn en la vestojn de kelkaj el la sanktuloj, kaj tio diable, por ke oni povu havi ŝajnan pravecon (pro kelkaj neperfektaĵoj, kiujn oni trovas en tiuj) por forĵeti la religion malantaŭen de la dorso. 6e. Poste ili ekaliĝos kun karnaj, malbonmoraj kaj senleĝaj homoj. 7e. Poste ili sekrete kutimas sin pri karnaj kaj malĉastaj interparoladoj; kaj ili ekĝojas, se nur ili povas vidi tiajn aferojn en homoj kiujn oni rigardas kiel honestajn,

pro tio, ke ili sekve povos pli malkaŝe tiel fari laŭ tia ekzemplo. 8e. Poste ili ekludas kun malgrandaj pekoj malkaŝe. 9e. Kaj poste, sensentiĝintaj, ili sin montras tiaj, kiaj ili ja estas. Kaj tiel reenŝipigite sur la maron de la mizero, se miraklo de la favoro ne malhelpos, ili pereos eterne en siaj memtrompigoj.



*La komfortajoj de la lando de Beŭlo.*

Nu mi vidis en mia sonĝo, ke ĉi-tiutempe la pilgrimantoj estas elirintaj el la Ensorĉita Tero; kaj enirante la landon de Beŭlo, kies aero estas tre dolĉa kaj plaĉa—la vojo ja kuŝis rekte tra ĝi—ili sin komfortis dum kelke da tempo; ankaŭ ili ĉiam tie ĉi aŭdis la birdkantadon, kaj ĉiutage vidis la aperadon de la floroj sur la teron, kaj aŭdis la voĉon de l' turto en la lando. En tiu ĉi regiono la suno brilas kaj tage kaj nokte; tial tiu ĉi loko kuŝas malproksime de la Valo de l' Ombro de la Morto, kaj estas ankaŭ ne atingebla de Giganto Malespero, nek povis ili de tie ĉi ekvidi Duban Kastelon. De tie ĉi estis videbla la urbo, kien ili vojaĝadas, kaj tie ĉi ankaŭ renkontis ilin kelkaj el ĝiaj loĝantoj; ĉar en tiu ĉi lando ofte promenadas la Briluloj, ĉar ĝi estas sur la

limoj de la Ĉielo. En tiu ĉi lando, ankaŭ, la kontrakto inter la Geedziĝontoj estis renovigita, ja, tie ĉi "kiel ĝojas la edziĝonto pri la edziniĝonto, tiel ilia Dio ĝojas pri ili." Tie ĉi mankis al ili nek la greno nek la vino; ĉar en tiu ĉi loko ili renkontis sufiĉegon da tio, kion ili serĉadis dum sia tuta pilgrimo. Tie ĉi ili aŭdis voĉojn el la urbo; laŭtajn voĉojn kantantajn—"Vi diru al la filino de Ziono, jen venas cia savo! Jen lia rekompenco estas kun li!" Tie ĉi ĉiuj la kamparanoj nomis ilin "la Sankta popolo, la Elaĉetitaj de la Sinjoro; Elektitoj," kaj cetere.

Nu, dum ili marŝadis tra tiu ĉi lando, ili pli ĝojadis ol en la lokoj pli malproksimaj de la celita reĝolando; kaj alproksimiĝante la urbon, ili havis ankoraŭ pli perfektan vidaĵon de ĝi. Ĝi estas konstruita el perloj kaj grandvaloraj ŝtonoj, ankaŭ ĝiaj stratoj estis orpavimitaj; tiel pro la natura gloro de l' urbo kaj la rebrilo de l' sunradioj falintaj sur ĝin, Kristano malsaniĝis pro deziro. Esperemo ankaŭ sentis unu aŭ du atakojn de la sama malsano; tial ili kuŝis dum kelke da tempo kriantaj pro siaj doloroj, "se vi trovos mian amaton, diru al li, ke mi malsaniĝas pro la amo."

Sed estante iom plifortigitaj, kaj pli kapablaj toleri sian malsanon, ili iradis, kaj ĉiam pliproksimiĝis ĝis tie, kie sin trovis fruktarbejoj, vinberejoj, kaj ĝardenoj, kies pordegoj malfermis kontraŭ la vojo. Nu kiam ili atingis tiujn ĉi lokojn, jen staris la ĝardenisto en la vojo; al kiu la pilgrimantoj diras—Kies bonaj vinberejoj kaj ĝardenoj estas tiuj ĉi? Li respondas, Ili apartenas al la Reĝo, kaj ili estas plantitaj por lia propra ĝojego, kaj ankaŭ por la komforto de pilgrimantoj! Tiel la ĝardenisto venigis ilin en la vinberejojn, kaj petis, ke ili refreŝigu sin per la frandaĵoj; li ankaŭ montris al ili la promenejojn de la Reĝo, kaj la laŭbojn, kie Li ĝojegis ĉeesti; kaj tie ĉi ili restis kaj dormis.

Nu mi vidis en mia sonĝo, ke ili pli dormparolis en la nuna tempo ol iam antaŭe dum la tuta vojaĝo; kaj ĉar mi pripensis pri tio, la ĝardenisto diris al mi, Kial ci revas pri l' afero? Estas ja la naturo de la vinberoj el tiuj ĉi vinberejoj "englutiĝi tiel dolĉe, ke ili paroligas la lipojn de l' dormantoj."

Tiel mi vidis ke, kiam ili vekiĝis, ili sin metis eksupreniri ĝis la urbo. Sed, kiel mi jam diris, la rebrilo de l' suno de la urbo (ĉar la urbo estas el pura oro), estis tiel gloregа, ke ili ne povis ankoraŭ plenvizaĝe ĝin rigardi, sed nur tra vidilo, por tiu celo farita. Tiel mi vidis, ke, kiel ili vojiris, renkontis ilin du viroj, kies vestoj brilis ore, ankaŭ iliaj vizaĵoj brilis kiel la lumo.

Tiuj ĉi homoj demandis al la pilgrimantoj, de kie ili venas? kaj tiuj ĉi klarigis. Oni ankaŭ demandis, kie ili loĝis, kiajn



*La pilgrimantoj renkontataj de Briluloj.*

malfacilaĵojn kaj danĝerojn, kiajn komfortojn kaj plezurojn, ili renkontis en la vojo; kaj ili diris la tuton. Tiam diras la homoj, kiuj ilin renkontis—Restas por vi renkonti nur du malfacilaĵojn plu, kaj poste vi estos en la urbon.

Kristano kaj lia kunulo tiam petis, ke la viroj ilin akompanu; tial tiuj ĉi diras, ke ili tion faros—Sed, diras ili, vi devos ĝin atingi per via propra fido. Tiel mi vidis en mia sonĝo, ke ili kuniris ĝis ili atingis la vidaĵon de l' pordego.

Nu, mi vidis plue, ke inter la pilgrimantoj kaj la pordego fluas rivero, sed ekzistas nenia ponto per kiu oni povas transiri; kaj la rivero estas tre profunda. Je l' vido, do, de tiu ĉi rivero, la pilgrimantoj konfuziĝis; sed iliaj akompanantoj diris, "Vi devos trairi, ĉar alie vi ne povos atingi la pordegon."

La pilgrimantoj tiam ekdemandas ĉu ne ekzistas alia vojo ĝis la pordego; je kio, ili respondas—Jes; sed neniun krom du—nome, Enoĥon kaj Elijahon, oni permesis surpaŝi tiun vojon de la fondo de l' mondo, nek estos alia ĝis la sonorado de l' lasta trumpeto. La pilgrimantoj je tio, kaj precipe Kristano, ekmalesperis, kaj rigardis

tien ĉi kaj tien, sed ne povis trovi vojon per kiu oni povos transpasi la riveron. Tiam demandis ili al la homoj, ĉu la riverakvo havas ĉie la saman profundecon? Ili respondas—Ne; sed ili ne povas helpi ilin tiaokaze; ĉar, diras ili, vi trovos ĝin pli aŭ malpli profunda laŭ via fido en la Reĝo de la loko.

Tiam ili sin turnis al la akvo, kaj enirinte, Kristano eksubakviĝis; kaj kriante al sia bona amiko Esperemo, li diras—"Mi subakviĝas en profundajn akvojn, la ondegoj superpasas mian kapon; ĉiuj Liaj ondoj superfluas min."

Tiam diras la alia—Kuraĝiĝu, frato mia! mi tuŝas la fundon, kaj ĝi estas bona. Tiam diras Kristano—Ha! mia amiko, "la malĝojoj de la morto estas ĉirkaŭintaj min"; mi ja ne vidos la landon, kiu fluas per lakto kaj mielo! Kaj je tio mallumego kaj teruro surpremis Kristanon, tiamaniere ke li ne povis vidi antaŭ li. Ankaŭ tie ĉi li preskaŭ perdis la prudenton, en tia grado, ke li povis nek memori nek orde paroli pri iaj ajn el tiuj dolĉaj refreŝigaĵoj, kiujn li ricevis dum sia pilgrimado. Sed liaj ĉiuj paroloj ankoraŭ emis montri, ke li suferas pro anima teruro kaj kortimoj, ke li pereos en tiu ĉi rivero kaj neniam ricevos akcepton ĉe la pordego. Samtempe, kiel la apudestantoj ekvidis, ĉeestis ĉe li ĝenantaj pensadoj pri la pekoj faritaj de li, kaj antaŭ kaj dum lia pilgrimado; oni ankaŭ observis, ke persekutis lin aperoj de koboldoj kaj malbonaj fantomoj, ĉar de unu tempo al alia li tion malkaŝis per siaj paroloj. Esperemo, tial, pene laboris teni la kapon de sia frato super la akvo; jes, kelkafoje Kristano tute subakviĝis, kaj post iom da tempo li resupreniris duonmortinta. Esperemo ankaŭ penis komforti lin, dirante—Frato, mi vidas la pordegon, kaj homojn, kiuj staras por nin ricevi; sed Kristano respondis—Estas vi, ja estas vi, kiun ili atendas; vi ĉiam esperis de kiam mi vin unue konis. Kaj vi ankaŭ, al Kristano diras li. Sed tiu ĉi respondis, ha, frato, certe se mi estus bona, Li nun sin levus por helpi min, sed pro miaj pekadoj Li enkondukis min en la kaptilon kaj tie estas forlasinta min. Tiam diras Esperemo—Frato mia, vi tute forgesis la tekston, kie oni diras pri la malbonuloj, "Estas neniaj ligiloj en ilia morto, sed ilia forto estas firma; ili ne maltrankviliĝas kiel la aliaj." Tiuj ĉi malĝojoj kaj mizeroj, kiujn vi trairas, ne estas signoj, ke Dio estas forlasinta vin, sed oni sendas ilin por provi ĉu vi rememoros tion, kion vi antaŭe ricevis el Lia boneco, kaj vivos sur Li en viaj malĝojoj.

---

## Ĉapitro 19a.

*La pilgrimantoj sukcese trairas la riveron, kaj estas salutitaj de du Briluloj, kiuj akompanas ilin dum la suprenirado de la monto ĝis la pordo de la Ĉiela Urbo.—La bona akcepto kaj aliformigo de la pilgrimantoj.—Malakcepto de Nescio.—La Sonĝinto vekiĝas.*

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke Kristano pripensis dum kelke da tempo. Al kiu ankaŭ Esperemo aldonis tiun ĉi parolon—"Kuraĝiĝu, Jesuo Kristo resanigas cin"; kaj je tio, Kristano laŭte ekkriis, Ho, mi revidas Lin! kaj Li diras al mi, "Kiam ci trapasas la akvaron, mi estos ĉe ci, kaj tra la riveroj, ili ne superfluos cin." Tiam ili ambaŭ rekuraĝiĝis; kaj post tio la malamiko estis tiel kvieta kiel ŝtono ĝis tio, ke ili estas transpasintaj. Kristano tial baldaŭ trovis firman teron por stari; kaj sekvis, ke la resto de l' rivero estis nur malprofunda; tiamaniere ili eltrapasis. Nu sur la urba bordo de la rivero ili revidis la du Brilulojn, kiuj tie atendas ilin; tial, la pilgrimantoj estante elirintaj el la rivero, tiuj salutis ilin, dirante, "Ni estas servemaj spiritoj, elsenditaj por servi al tiuj, kiuj estos heredantoj de la saviĝo." Tiamaniere ili kuniris al la pordego.



*La transirado de la Rivero de la Morto.*

Nu vi devas observi, ke la urbo staras sur montego; sed la pilgrimantoj tre facile supreniris tiun ĉi monton pro tio, ke la du homoj ilin kondukis, subapogante la brakojn; ili ankaŭ estis forlasintaj siajn mortemajn vestojn malantaŭe en la rivero; ĉar kvankam oni eniris kun tiuj, oni eliris sen ili. Tial ili supreniris la monton facilmove kaj rapide, kvankam la urba fundamento estis pli alta ol la nuboj. Ili tial supreniris la aerajn regionojn, dolĉe parolante dum ili kuniris, kaj komfortite, ĉar ili estas sendifekte transpasintaj la riveron, kaj havas tiel glorajn akompanantojn por ilin akompani.



*Preskaŭ ĉe la Ĉiela Pordego.*

Ilia interparolado kun la Briluloj estis pri la gloro de la loko; kaj tiuj ĉi diras, ke la beleco kaj gloro de ĝi estas neesprimeblaj. Tie, diras ili, sin trovas la "Monto Ziono, la ĉiela Jerusalemo, la nekalkulebla kompanio de anĝeloj, kaj la spiritoj de justuloj perfektigitaj." Vi nun iras, ili diras, al la paradizo de Dio, kie vi vidos l' arbon de la vivo, kaj manĝos de ĝia nevelkaj fruktoj; kaj kiam vi estos tien venintaj, oni donacos al vi blankajn vestojn, kaj via irado kaj interparolado estos ĉiutage kun la Reĝo, eĉ dum la ĉiuj

tagoj de l' eterneco. Tie vi neniam plu vidos tiajn aferojn, kiajn vi vidis kiam vi estis en la malsupra regiono sur la tero—nome la malĝojon, la malsanon, suferojn, kaj la morton; "ĉar la antaŭaĵoj estas forpasintaj." Vi nun iras al Abrahamo, Izako kaj Jakobo, kaj al la profetoj—homoj, kiujn Dio fortiris for de la venonta kolerego, kaj kiuj nun ripozas lite, ĉiu vivanta en sia propra justeco. La pilgrimantoj tiam demandas—Kion ni faros en la sankta loko? Al kiuj oni respondis—Vi tie devos ricevi la komforton el ĉio via laborado, kaj havi ĝojon laŭ ĉio via malĝojo; vi devos rikolti tion, kion vi semis, eĉ la fruktojn de ĉiuj viaj preĝoj, kaj larmoj, kaj suferoj pro la Reĝo dum la vojaĝo. En tiu loko vi devos porti kronojn de oro, kaj ĝui la ĉiaman vidon kaj aperon de la Sanktulo; "ĉar tie vi vidos Lin tiel, kiel Li estas." Tie ankaŭ vi servos Lin ĉiam per laŭdado, per kriegado, kaj dankado, kiun vi deziris en la mondo servi, kvankam tio estis por vi tre malfacile, pro la nefirmeco de la karno. Tie viajn okulojn oni feliĉegigos per la vidiĝo, kaj viajn orelojn per la aŭdado de la plaĉa voĉo de la Potenculo. Tie vi ĝuos ree la societon de viaj geamikoj, kiuj tien iris antaŭ ol vi; kaj tie vi ĝoje ricevos eĉ ĉiun, kiu sekvos vin en la sanktan lokon post vi. Tie ankaŭ oni vestos vin per gloro kaj majesteco, kaj vin sidigos en veturilon decan por kunveturi kun la Reĝo de Gloro. Kiam Li alvenos kun la sono trumpeta en la nuboj, kvazaŭ sur la flugiloj de l' vento, vi ja venos kun Li; kaj kiam Li sidos sur la juĝa trono, vi sidos apud Li; jes, kaj kiam Li donos la juĝon je ĉiuj la malbonfarintoj, ĉu anĝeloj ĉu homoj, vi ankaŭ povos partopreni en tiu juĝo, ĉar ili estis la malamikoj de Li kaj de vi. Plie, kiam Li ree revenos al la urbo, vi ankaŭ revenos, kun trumpeta sonado, kaj estos ĉiam ĉe Li.

Nu, kiam ili tiamaniere alproksimiĝis al la pordego, jen kompanio el la ĉielularo venis renkonti ilin, kaj al tiuj diris la aliaj du Briluloj—Tiuj ĉi estas la homoj, kiuj amis nian Sinjoron dum ili estis en la mondo, kaj kiuj estas forlasintaj ĉion pro Lia sankta nomo; kaj Li nin sendis por venigi ilin, kaj ni estas venigintaj ilin ĝis tie ĉi sur la dezirata vojaĝo, por ke ili povu eniri kaj rigardi la vizaĝon de sia Elaĉetinto kun ĝojo. Tiam la ĉielularo ekkriegis dirante—"Feliĉegaj estas tiuj, kiujn oni alvokas al la edziĝvespermanĝo de la Ŝafido." Eliris ankaŭ ĉi-tiutempe kelkaj el la trumpetistoj de l' Reĝo, vestitaj en blanka kaj brila vestaĵo, kiuj per melodiaj sonoj kaj laŭtaj eĥoigis eĉ la ĉielojn per ilia sonado. Tiuj ĉi trumpetistoj salutis Kristanon kaj lian kunulon per dek mil bonvenoj pro ilia eliro de la mondo, kaj tion ĉi ili faris kun kriegado kaj trumpeta sonado.

Tion ĉi farinte, oni ĉirkaŭis ilin ĉiuflanke; kelkaj antaŭiris, kelkaj sekvis, kelkaj sur la dekstra flanko, kelkaj sur la maldekstra (kvazaŭ gardante ilin tra la supraj regionoj), ĉiam sonantaj dum ili iradis, per melodiaj notoj en la alteco; tiamaniere ke la vidaĵo estis, al la vidantoj, kvazaŭ la ĉielo mem estas malsupreninta por ilin renkonti. Tiel, do, ili kuniradis; kaj dum ili marŝis, de tempo al tempo la trumpetistoj, per ĝojiga sonado kaj intermiksado de sia muziko kaj rigardoj kaj gestoj, ankoraŭ sciigis al Kristano kaj lia frato kiel bonvenaj ili estas en sian societon, kaj per kia ĝojo oni venis ilin renkonti. Kaj nun tiuj ĉi du viroj estas kvazaŭ en la ĉielo, antaŭ ol ili ĝin atingis; estante englutitaj per la vidaĵo de anĝeloj, kaj la aŭdado de iliaj melodiaj notoj. Tie ĉi ankaŭ oni povis plene vidi la urbon mem, kaj ŝajnis ke ili povas aŭdi ĉiujn la tieajn sonorilojn sonoradi por bonvenigi ilin tien. Sed antaŭ ĉio, la varmaj kaj ĝojigaj pensoj, kiujn ili sentas pri ilia loĝado tie kun tia societo, kaj tio je eterne—ho, per kia lango aŭ plumo oni povas ilian gloran ĝojon esprimi! Tiamaniere ili atingis la pordegon.

Nu, kiam ili alvenis al la pordego, oni vidis super ĝi oreskribitan, "Feliĉegaj estas tiuj, kiuj faras laŭ Liaj ordonoj, por ke ili havu rajton al la arbo de la vivo, kaj povu eniri tra la pordegoj en la urbon."

Tiam mi vidis en mia sonĝo, ke la Briluloj konsilis ilin alvoki ĉe la pordego; kaj kiam ili tion faris, kelkaj de la supro malsuprenrigardis de la pordego—nome Enoĥo, Mozeso, kaj Elijaho, kaj ceteraj; al kiuj oni diris—Tiuj ĉi pilgrimantoj estas venintaj el la Urbo Detruota, pro la amo, kiun ili sentas al la Reĝo de tiu ĉi loko; kaj tiam la pilgrimantoj ĉiu transdonis sian certigaĵon, kiun ili aparte ricevis en la komenco. Tiujn, do, oni enportis al la Reĝo, Kiu post la legado, diris,—Kie estas la homoj? Al Kiu oni respondis—Ili staras ekster la pordego. La Reĝo tiam ordonis, ke oni malfermu la pordegon, "por ke la justa nacio (diris Li) kiu tenas la veron, eniru."

Nu, mi vidis en mia sonĝo, ke tiuj ĉi du viroj eniris tra la pordego; kaj jen, enirante, ili aliformiĝis, kaj oni vestis ilin per vestoj kiuj brilis kiel la oro. Kelkaj ankaŭ ilin renkontis kaj donis al ili harpojn kaj kronojn,—la harpojn por ke ili povu laŭdi, kaj la kronojn kiel signoj de honoro. Tiam en mia sonĝo mi aŭdis, ke la tuta sonorilaro de la urbo resonoradis pro ĝojo; kaj ke oni al ili diris, "Vi eniru en la ĝojon de via Sinjoro." Mi ankaŭ aŭdis la virojn mem kantantajn per laŭta voĉo, dirante, "La feliĉego, kaj honoro, kaj gloro, kaj potenco estu al Li, Kiu sidas sur la trono, kaj al la Ŝafido, je eterne."

Nu, en la ĝusta momento, kiam oni malfermis la pordegon por

enlasi la virojn, mi enrigardis, kaj jen la urbo brilis kiel la suno; la stratoj ankaŭ estas pavimitaj per oro, kaj sur ili promenadas multe da homoj kronitaj, kun palmobranĉoj en la manoj kaj oraj harpoj per kiuj laŭdi.



*La feliĉega akcepto en la Ĉiela Urbo.*

Kelkaj el ili havis flugilojn; kaj ili vicekantis senĉese, dirante "Sankta, sankta, sankta estas la Sinjoro." Kaj poste ili fermis la pordegojn; kaj kiam mi estis vidinta ĉion, mi volis esti mem inter ili.

Nu post mi rigardadis ĉiujn tiujn ĉi aferojn mi turnis la kapon por ekrigardi malantaŭen, kaj vidis Nescion, kiu venas al la rivera bordo; sed li baldaŭ estas transpasinta, kaj sen la duono de la malfacileco, kiun renkontis la aliaj du homoj. Ĉar okazis, ke estis en la sama loko unu Vanespero, pramisto, kiu per sia boato helpis lin transpasi; tiel li, kiel mi vidis la aliajn, suprenirіs la monton por atingi la pordegon; nur li venis sola, nek iu venis renkonti lin kun ia ajn kuraĝigo. Kiam li estas alveninta ĉe la pordego, li suprenrigardis je la supra skribaĵo, kaj poste ekfrapis, supozante, ke oni baldaŭ

donus al li eniron. Sed al li demandis la viroj, kiuj malsuprenrigardis de la supro de la pordego—De kie venas vi, kaj kion vi deziras? Li respondas—Mi manĝis kaj trinkis en la ĉeesto de la Reĝo, kaj Li instruis en niaj stratoj. Tiam ili postulis de li lian certigaĵon, por ke ili povu eniri, kaj ili povu ĝin montri al la Reĝo. Tiel li mallerte serĉadis tian en sia brustaĵo, sed nenian povis trovi. Tiam diris ili—Ĉu vi havas nenian? Sed la viro ne respondis eĉ unu vorton. Tiel ili raportis al la Reĝo; sed Li mem ne volis malsupreniri por vidi lin, sed ordonis al la du Brilulój, kiuj kondukis Kristanon kaj Esperemon ĝis la urbo, ke ili eliru kaj prenu Nesciulon, kaj lin ligi mane kaj piede, kaj forigu lin. Je tio, ili lin prenis kaj portis lin tra la aero ĝis la pordo, kiun mi vidis en la monta flanko, kaj tien enmetis lin. Tiam vidis mi, ke estas vojo al la infero eĉ de la pordego ĉiela, same kiel de la Urba Detruota.

Tiel mi vekiĝis, kaj jen estis sonĝo.

---

## Konkludo.

Leginto, ĉu la sonĝo rakontita
Povas esti per ci elklarigita
Al mi, aŭ ci, aŭ al najbaro cia ?
Sed zorgu la klarigon, ĥo nenia
Krom la fidela ! ne malbonon faru,
Malklarigante, tial ne eraru.
Plie, pri mia sonĝo ne trouzu
La eksteraĵon ĝian, nek eluzu
La figuraĵon, aŭ la similaĵon
Elvoki ridon, aŭ malamikaĵon ;—
Al knaboj, malsaĝuloj, lasu tion,—
Sed de l' substanco ci alprenu ĉion.
Demetu la kurtenojn, enrigardu ;
La metaforojn provu, bone gardu,
Kaj trovu tie, kion helpon donos,
Kiam seriozuloj ekzamenos.
   Se ŝtofon ci renkontos senvaloran,
Elĵetu, sed konservu ĉion oran.
Eble sin trovas oro en minaĵo ?
La pomon ne difektas internaĵo.
Sed, se la tuton fine ci reĵetos,
Resonĝi eble tio min almetos.

CHATHAM : Printed by W. & J. MACKAY & CO., Ltd.